*Esperanto-Muzik-Magazino*

# ROK-gazet'


LES THUGS


REMY WALTER


JOËLLE RABU



Kompil' vol.1

SPECIALA DOSIERO
VINILKOSMO
KOMPIL' VOL 1


LOFOFORA


PIĈISMO

Eldonita
Per helpo de Fondaĵo Grabowski
EUROKKA
FR-31450 DONNEVILLE

NUMERO 7
Jaro 1995

# ROK-gazet'n-ro 7

**Administration-rédaction/Administrejo-redaktejo:**
*ROK-gazet'*,
p/a Eurokka
FR-31450 DONNEVILLE
Francio
Tel./Faks +33 61.81.95.65

**Directeur de publication/Eldondirektisto:**
Floréal MARTORELL

**Rédacteur en chef/Ĉefredaktisto:**
Vaka posteno

**Rédacteurs/Redaktistaro:**
Floréal MARTORELL
Marcelo REDOULEZ
Bertilo WENNERGREN
Rikardo CASH
ONO Takao
Rafael BLANCO
Stéphan BERTHOLIO
Ĵak KOBEL
Yves BACHIMONT
Yanick VIAU (Joĉjo)
Niko VOLOŜIN
Aldo de' GIORGI
Anna LÖWENSTEIN
J. Marko LIONNET
Jeannette CASH
FOKOMELO
Flávio FONSECA
Philippe FOURCADE
Hermann DECEUNINCK
Bruno MASALA
Stefaan COTTENIER

**Traduction/Tradukoj:**
RoKo
Flo!
Rafa
Sylvie
Daniel SVEJDA
Karlheinz CROISSANT

**Saisie/Enkomputiligo:**
Flo
RoKo
Takao
Marcelo
Bertilo
Joĉjo
Sylvie
Bruno
Rafa
Daniel

**PAO/PKE:**
RoKo
Louis RAFENOMANJATO
Mark EATON

**Dessins/Desegnoj:**
Niko
Martin WEICHERT
Kruela DEVIL'
Glebo
JMB
Max
Martin BURKERT

**Photos/Fotoj:**
Flo
Axel BELINFANTE

**Komputil pruntepretado**
Bertrando ALBAULT

**Expédition/Ekspedo:**
La Lletra A, Reus

**Imprimerie/Presejo:**
SACCO

**Distribution/Distribuo:**
Associations espérantistes/Espasocioj

**Dépôt légal à parution.**
Commission paritaire en cours.

**Édité par/Eldonas:**
Eurokka (Esperanto-Rok-Asocio)
FR-31450 DONNEVILLE
Francio
Kun Helpo de Fondaĵo GRABOWSKI
kaj EJF (Eŭropa Junulara Fondaĵo/European Youth Foundation/ Fondation Européenne de la Jeunesse)




## Atentu! Abono validas por 4 numeroj, kaj ne por unu jaro.

### Abontarifoj

35 NLG
21 IRK (Internacia Respond-Kupono)
100 FRF por Francio
20 USD
16 EKU

### Por netranspagpovajlandoj:

20 NLG, 12 IRK, aŭ egalvaloro.

### Anoncetoj

Ĉiu linio kostas 6 FRF, 2 NLG, 1,5 IRK.

### La abonoj pagendas ĉu per

IRK (internaciaj respond-kuponoj)
UEA-kodo rokk-b
internacia poŝtmandato je la adreso de Eurokka.
Poŝtĉekkonto: CCP TOULOUSE 5 460 70 W
FR-31900 TOULOUSE Cedex

## LANDAJ KOTIZPERANTO

**Argentino**
Atillio ORELLANA ROJAS
Argentina Esperanto-Asocio
C.C. 1428
RA-5000
CóRDOBA

**Aŭstralio**
Libroservo de AŭSTRALA Esperanto-Asocio
P.O.B. 230
MATRAVILLE, NSW 2036

**Belgio**
FLANDRA Esperanto-Ligo
Frankrijklei 140
BE-2000 ANTWERPEN

**Brazilo**
BRAZILA Esperanto-Ligo
Caixa. Postal 03625
BR-70084-970 BRASíLIA DF

**Britio**
Esperanto-Asocio de BRITIO
140 Holland Park Ave.
LONDON, W11 4UF

**Bulgario**
Muzika Esperanto-Ligo
p/a Dimitâr TERZIEV
ul. Milin Kamâk 58
BG-1421 SOFIA

**Ĉeĥio**
ĈEĤA Esperanto-Junularo
P.S. 1069
CZ-111.21 PRAHA

**Ĉinio**
WANG Xigen
Chizhou China Travel Service
15 Qiupu Road, Guichi City
CN-247100 ANHUI

**Danio**
LIBROSERVO DE DEA
p/a Wolfgang KIRSCHSTEIN
HVEDEBJERGVEJ 30
DK-8220 BRABAND

**Germanio**
Espo-Libroservo
Vera TAUTORAT
Prenzlauer Allée 87
DE-10450 BERLIN

**Hispanio**
Nikolao GIL
Poŝtfako 305
ES-24080 LEóN

**Hungario**
Lingvo-Studio
Szolgaltato Iroda
PF 87
HU-1675 BUDAPEST

**Italio**
Mauro TAUZZI
Str. Rozzol 47
IT-34139 TRIESTE

**Japanio**
AKCP
ONO Takao
Kazigaya-tyô 43-8
Sakae-gu
JP-247 YOKOHAMA-si

**Jugoslavio**
Renato PETROVIC
Ustanička 218/21
YU-11000 BEOGRAD

**Kanado**
KANADA Esperanto-Asocio
P.O. BOX 2159
SIDNEY, BC V8L 3S6

**Katalunio**
Centro de Esperanto SABADELL
Apartat 407
ES-08200 SABADELL

**Kroatio**
KROATA Esperantista Unuiĝo
Marija BELOŠEVIC
Sveti Duh 130
HR-41000 ZAGREB

**Litovio**
Viktoras BANIULAITIS
Ab.d. 168
LT-5800 KLAIPĖDA

**Norvegio**
NORVEGA Esperantista Ligo
Eldonejo Esperanto
Olaf Schous Vei 18
NO-0572 OSLO

**Nov-Zelando**
David Ryan
PO Box 3867
Wellington 1

**Pollando**
JoMo Leclerc-Goc
ul. Biala 6
PL-43215 JANKOWICE

**Portugalio**
PORTUGALA Esperanto-Asocio
Rua Dr. João Couto N6 R/C-A
PT-1500 LISBOA

**Rusio**
Libroservo de REU
Andrej LYSKOV
a/k 34
RUS-117071 MOSKVO

**Slovakio**
Stano MARČEK
Zvolenská 15
SL-03601 MARTIN

**Svedio**
SVEDA Esperanto-Federacio
p/a Lisbet ANDREANSSON
Södra Rörum PL 455
SE-24294 HÖRBY

**Usono**
ELNA
P.O.B. 1129
EL CERRITO, CA 94530

*Ĉefartikolas Flo:*

# KIO AJN POVAS OKAZI

Mi volas speciale danki s-ron **Adam Goralski**, d-ron **Ulrich Lins**, kaj s-ron **Simo Melojevic**, kiuj instigis **Fondaĵon GRABOWSKI** por premii *ROK-gazet'*-on; tiu subteno kuraĝigas nian agadon.

Gratulojn kaj dankojn ankaŭ por **Saskia Idzerda**, **Anna Ritamäki**, kaj la teamo de **Tejo**, kiuj strebadis por prezenti subvencipeton al **EJF** (Eŭropa Junulara Fondaĵo) Iliaj klopodoj estis fruktodonaj, kaj dank' al tio eblos daŭrigi nian laboron por *Vinilkosmo-Kompil'* pli serene. Ankaŭ *ROK-gazet'* profitos iom el tio («***Speciala VK dosiero***»).

Estas kuraĝige ke depost tiom da tempo nia laboro komencas esti akceptata kaj subtenata oficiale.

De la komenco, *ROK-gazet'* sukcesis vivi dank' al fidelaj abonantoj kiuj subtenas nin; ankaŭ al vi ĉiuj kiuj fidis nin, mi dediĉas tiujn ĉi liniojn.

Tiu ĉi 7-a numero estas iom speciala, ĉefe pro la «**Dosiero de *Vinilkosmo-Kompil'* Vol.1**», plurlingva, kiu kompletigas per korektoj kaj aldonoj la tekstolibreton de la kompakta disko.

Krome ĉinumere abundas novaĵoj, informoj ĉiuspecaj, subgrundaj kaj eĉ skandalaj; kaj novaj rubrikoj aperas.

Tio montras ke io okazas en la kultura espomovado; ni nur povas ĝoji pro tioma aktivado!

*

Ne kredeblas la volumo da laboro investita por *Vinilkosmo-Kompil'* kaj tiu ĉi *ROK-gazet'*!

Tio pensigas al mi ke ne eblos atingi kion ni celis: t.e. fari du numerojn de *ROK-gazet'* jare. Laŭ la hodiaŭaj kondiĉoj (tro malgranda stabo, limigita financado, ne sufiĉaj abonantoj, ktp), eblas aperigi *ROK-gazet'*-on nur unufoje jare.

Ankaŭ ekde ĉi tiu numero ni serĉas ĉefredaktoron, esperante ke ni trovos bonvolemulon por jam ekpretigi la 8-an *ROK-gazet'*-on.

*

La projekto «**PREFI**» (**Pop & Rok Esperanto-Festivalo Internacia**), kiun ni planis por ĉijulie, estis nuligita pro manko de financaj rimedoj. Sed la projekto validas por 1997 aŭ 98. Ni rezervas niajn fortojn por 1996, kiam okazos **KEF 5** en **Kopenhago** (legu pri tio en «***Haste-Klaĉe***»).

*

Kaj nun mergiĝu profunden en tiujn ĉi sekvajn muzikpaĝojn. Havu bonajn renkontiĝojn kaj travivaĵojn ĉi tie!

Ĝis refoje!




# Enhavo

# TEKNO-LOĜOJ

## Teknologas ONO Takao:

# MIDI-LANDO

## 4. MIDI-PERIFERIOJ NUN VARMAJ EN JAPANIO

Saluuuton! Ĝis la lasta numero mi prezentis al vi bazan aferon pri MIDI. Ĉinumere turnu vin al diversaj instrumentoj kaj periferioj de MIDI.

Mi ne mencios pri multekostaj ekipaĵoj kiuj servas nur al profesiaj studioj. Anstataŭ tio prezentiĝos relative malmulte kostaj ekipaĵoj, kiuj certe aĉeteblos se vi ŝparos monon ne aĉetante multe da espolibroj. *ROK-gazet'* sufiĉas por ne forgesi espon, kaj aŭtomate sendiĝas al vi por nur 35 guldenoj por kvar numeroj!

Post la nomo de ĉiu ekipaĵo mi aldonos prezon en enoj. Tiun prezon deziras nur ĝia fabrikinto, sed ĝi vendiĝas reale kun 80%~90% de tiu prezo, eĉ se ĝi estas tutnova produktaĵo. La procentoj tre varias laŭ diversaj kondiĉoj. Nun unu usona dolaro kostas ĉirkaŭ 100 enojn.

---

**YAMAHA ProMix01**
*218.000 enoj*

Multekoste? Tute ne, se vi scias pri ĝia enhavo. **ProMix01** estas plene diĝita miksilo: sampla frekvenco 48 kHz; 20-bitaj samplodiĝitoj; tipa dinamika distanco 105 dB; du diĝitaj efektiloj inkluziviĝas; **S/PDIF**-tipa diĝita **EL**-konektilo por samaksa kablo; **XLR**-tipa 8 analogaj kaj **TRS**-tipaj 8 analogaj **EN**-konektiloj; **MIDI**-funkcioj; granda **LCD**-ekrano; motore movebla velkilo kaj ĝia grupigo; ktp.

Ofte amatoraj muzikistoj suferas intermiskon kiam ili surbendigas en malbona kondiĉo, kiel hejme. **ProMix01** solvas la problemon uzante diĝitan disponon kaj ekvilibrajn **EN**-konektilojn. Sono disponeblas interne ĉiam en diĝita datumo, kaj fine elsendiĝas diĝite al **DAT**-surbendigilo (**DAT** ne inkluziviĝas) per **S/PDIF**-tipa interfaco.

Alia menciinda karakterizo estas **MIDI**. Sekvencilo **MIDI**-e konektita al ĝi povas regi preskaŭ ĉiun funkcion de **ProMix01**. Se vi havas propran sekvencilon, ekzemple **Performer** aŭ **Vision** de **Macintosh**, tiam vi povas krei efektivan regpanelon de la miksilo en la komputila ekrano. La sekvencilo ne nur tiel same regas kiel vi instruis, sed ankaŭ konservas la lastan situacion de la miksilo. **ProMix01** povas ankaŭ interne konservi kvindek malsamajn scenojn de ĝia situacio, kompreneble inkluzive de situacioj de internaj du diĝitaj miksiloj.

**ProMix01** taŭgas ankaŭ por profesiaj muzikistoj, kaj bone sidas en multaj scenoj: kun klavaristo en koncerto; en MIDI-studio aŭ surtabla muzika sistemo; kun surbendigo per malmola diskujo; kiel ĉefmiksilo en malgranda koncertejo aŭ scenejo; kiel unu parto de granda sonsistemo regita de SMPTE-signalo; ktp, ktp.

---

**ROLAND SC-88**
*89.800 enoj*



YAMAHA ProMix01

## ROLAND SC-88




Jen **GM/GS**-sintezilo kun 64 notoj kaj 32 muzikiloj sam- tempe. Ĝi entenas 654 muzikilojn kaj MIDI-interfacojn por **Macintosh**, **IBM**, kaj **NEC**. Ĝi devas esti la plej taŭga por tiuj kiuj muzikas surtable antaŭ komputiloj. Ĉar unue ĝi relative tre malmultekostas, kaj due ĝi estas norma sintezilo de multemedia kreaĵo kiel **CD-ROM**. Multaj el japanaj **CD-ROM**-kreantoj provas sian GM-muzikon kun **Roland**-sinteziloj.

Kompreneble vi ne povas akiri ĉion kun tiom da kosto. Se vi malkontentas pri la sonkvalito, mi deziras vin turni al aliaj pli bonkvalitaj sinteziloj. Mi konas bonajn sintezilojn, ekzemple de Ensoniq kaj E-mu, kiuj adapteblas por GM-normo. Ne pensu ke **SC-88** estas muzikilo kun kiu vi povos iri ĝis via tombo.

Ĉiuokaze GM-sintezilo necesas por plene ĝui CD-ROM, kiu de tempo al tempo havas MIDI-datumon por GM-sinteziloj, kaj ofte entenas CD-ROM por infanoj kaj rilate al muziko.

Kaj en viaj najbaraj komputilaj retoj kolektiĝas amase da datumoj de diversstilaj muzikoj inkluzive de rokmuziko. Aŭ la datumon vi povas akiri en muzikilaŭ libro-vendejo. Provu iam!

---

### AKAI DR4d (versio 3.0)

*240.000 enoj (245.000 enoj kun 340-MB-diskujo)*

Oni diskutas pri kio plej taŭgas por diĝita surbendigo. Mi klasifas du kategoriojn: unue hardvaron kiu bezonas komputilon; kaj alie memstaran tipon kiu ne ĉiam bezonas eksteran komputilon.

Mi ĉi tie mencias nur nomojn en la unua kategorio por ŝpari paperspacon. Mi ne multe scias pri Atari, do demandu ekzemple Pigon. Por **Macintosh** estas diversaj: **ProTools**, **AudioMedia**, **CBX-D5**, **DigitalWaveBoard**, k.a. Malmultekostaj hardvaroj servas ofte al 4 sonlinioj, sed pli multekostaj ofte al pli ol 8 linioj. Vi povas utiligi ilin miksante inter si, kaj ankaŭ miksante kun ĝisnunaj ordinaraj analogaj surbendigiloj. Konsultu vian bezonon, jam posedante ekipaĵon kaj monujon.

La dua kategorio dividiĝas je du tipoj: bendo kaj disko. **ALESIS A-DAT** kaj **FOSTEX RD**-8 uzas **S-VHS**-bendon, kaj **TASCAM DA-88** uzas Hi-8-bendon. Ili kostas pli-malpli 700.000 enojn. Tiuj 8-liniaj diĝitaj surbendigiloj (fakte per bendoj) batalas en la merkato. Sed neniu scias kiu bendo finfine venkos.

Malmola disko estas tre populara por komputistoj, sed ne tiel por muzikistoj. Sed lastatempe iom post iom fariĝas famaj inter muzikistoj: **AKAI DR4d**; **ENSONIQ ASR-10R**; ktp. Inter ili la **AKAI** absolute malplej multekostas.

DR4d unuvorte estas 4-linia surbendigilo-redaktilo kiu havas la saman sonkvaliton kiel DAT, t.e. 16-bitaj je 48 kHz. Se vi ne scias pri diĝita surbendigo per malmola diskujo, tiam supozu ke ĝi egalas al multlinia surbendigilo plus samplilo. Kaj menciinde, plus redaktilo de diĝitaj sonoj.

**DR4d** samplas sonon je 32/44.1/48 kHz en 16-bitajn datumojn. Ĝi posedas SCSI-interfacon, kaj tial oni povas konekti pli vastan diskujon ekstere. Analogaj EN-konektiloj estas TRS-tipaj, kiuj servas al kaj ekvilibra kaj malekvilibra sonfontoj. Por diĝitaj datumoj prepariĝas XLR-kaj RCA-konektiloj en kaj AES/EBU- kaj S/PDIF-modoj.

SCSI-interfaco taŭgas ne nur por eksteraj malmolaj diskujoj, sed ankaŭ por konservi datumon en MO aŭ DAT (ne por muziko, sed komputilo). Kaj se vi uzas propran programon en komputilo konektita per tiu SCSI, tiam modifeblas diĝita datumo en **DR4d** vidigante ĝian ondformon sur la komputila ekrano.

Se akireblas du **DR4d**-oj, tiam facile realiĝas diĝita 8-linia surbendigilo sen speciala ekipaĵo por sinkronigi.

---

Vidante agresivan progreson de diĝita teknologio en la lasta tempo, eĉ mi, kiel ulo kiu profesie rilatas al la diĝita mondo, devas surpriziĝi. Oni diskutas pri kiam estas la plej bona momento por aĉeti komputilon, periferion, diĝitan muzikilon, kaj aliajn diĝitajn ekipaĵojn, ĉar la prezo ofte duoniĝas post unu aŭ du jaroj. Sed tiam certe aperas pli nova kaj pli relative malmultekostaj produktaĵoj. Ni devas atendi, atendi, kaj atendi sekvantajn ŝancojn. Do, kiam aĉeti?

Tial mi rekomendas aĉeti tiam kiam vi bezonas. Multe pli gravas ke vi elektas post profunda konsidero, kaj ke vi utiligas ĝin ĝisoste.

Kaj alivorte mi povas tiel diri: «Juneco (maljunuloj legu: Nuntempo) neniam revenos.» Vi povus rokmuziki post dek aŭ dudek jaroj, sed tiamaj muzikoj certe malsamos al viaj nunaj.

Por tiuj kiuj ĉiam havas malpezan monujon, japana proverbo diras «Lerta metiisto ne elektas ilon.» Por vi sufiĉas unu gitaro, ĉu ne? Por vi ne necesas legi tiun ĉi rubrikon, ĉu ne? Sed, sed pensu ke mia rubriko ankaŭ al vi helpemos, se vi eniros profesian studion kun multe da MIDI-ekipaĵoj.

Roke salutas, atendante ĉiuspecan eĥon al *ROK-gazet'* aŭ rekte al mi!

**ONO TAKAO**
**Kazigaya-tyo 43-8**
**Sakae-ku**
**JP-247 YOKOHAMA-si**
**Japanio**




## AKAI DR4d

BIKINI

# VIVU VIVE!

## NE TIOM FORA, LOFOFORA

**Raportas Philippe (trad. RoKo):**

Mi nenion aparte planis tiun vesperon, la 14-an de junio 95. **Lofofora** prezentiĝis ĉe koncertejo **Bikini** (en TULUZO, evidente), kaj ĉar Flo ŝatas tiun ĉi bandon, li decidis ĉeesti, kaj decidigis min kunĉeesti.

Ni iris al la provludado posttagmeze por peti al la manaĝisto de la bando la rajton foti dumkoncerte, ĉar ni ja estis verkontaj bonegan artikolon por internacie konata magazino kun milionoj da legantoj (ŝercetas mi...). Senhezite li respondis pozitive nian peton.

Ni reiris je ĉ. la 22-a horo. La unua bando, **Spirit of Noise**, jam ludadis. Iliaj eroj sufiĉe variis, de melodia popmuziko ĝis punko, tra hardkoro. La bando ŝajnis iom juna: ili eble ankoraŭ ne trovis sian plej konvenan stilon, aŭ eble ili simple preferas ludi malsamstile, kiu scias? La malavantaĝo de tio estas ke mankas al ili personeco. Tamen, ili havas energion, kaj ili certe fine trovos sian vojon.

Sekvis ilin **Paranoise**. Tiuj ŝajne jam trovis sian stilon, iliaj eroj alternis partojn tre melodipopajn kaj partojn iom nervozajn. Bedaŭrinde mankis al ili iu kioaĵo ~ tio kiu igas grupon aŭskultinda, kaj mi ne alkroĉiĝis. Eble ilia muziko estis tro teĥnika kaj perdis energion malgraŭ la akceloj en iliaj eroj.

La publiko tiumomente nombris 200-250, kaj ŝajnis ĉefe gestudentoj.

La du unuajn grupojn, kiuj jam ludis en Tuluzo, kaj kiuj estas ŝajne de la regiono, la publikon sufiĉe bone akceptis, ĉar ĝi jam bone konis ilin, kvankam ke la entuziasmo ne estis troigita. La problemo estas, ke la ejo estis iom tro granda por la tiamaj ĉeestantoj, kaj la geuloj estis iom disaj tra la ejo, kio malpliemigas etoson.

Sekvis bordoza grupo **Mush**. Ili ŝajne pli bone mastris sian prezenton ol la unuaj bandoj (malgraŭ momenta problemo pri





la drumo). Ili ludis rapidan kaj efikan rokon, tamen melodian. Ili pensigis min pri la franca grupo **Les Thugs**. Bedaŭrinde, la publiko estis nur meze apreza, malgraŭ la klopodoj de la bando komuniki sian energion.

Ĉiuj tri unuaj grupoj ludis po ĉ. 45 minutojn, kaj je ĉ. duono post noktomezo, surscenejiĝis la grupo atendata de la plejparto de la publiko: **Lofofora**. Tiumomente ĉeestis ĉ. 400 geuloj. Mi vidis iujn kiuj portis toĉemizojn kun sloganoj kiaj: «*A bas toutes les armées*» {For ĉiujn armeojn} kaj «*No pasquaran*» (vortludo pri la esprimo «*no pasarán*» [«la dekstro ne sukcesos»] kun propra nomo PASQUA, tiama dekstra ministro). Direndas ke la tekstoj de la bando estas tre engaĝitaj kontraŭ reakciajn agojn kaj tendencojn, kaj la razitaj kranioj de du el la anoj neniel rilatas al la stultaĵoj de faŝismaj razkapuloj. Estas agrable konstati ke iuj en la publiko faris la klopodon kunkanti iliajn tekstojn, kio demonstras ke muziko trovita de iuj agresema, povas tamen komuniki ideojn pri paco kaj amikeco.

La bando ekludis sian energian kaj melodian repkoron, kaj ne haltis ĝis preskaŭ du horoj poste, post unu aŭ du bisoj, kaj eĉ ne malaltigis la intensivecon de sia muziko. Ili bone mastras sian stilon, kaj ili revenkis sian jam antaŭe akiritan publikon. Tiu publiko aprezis ilian muzikon, kaj tion montris per bonkonduta dancado ~ ili ne troigis senutilan agresemon, malgraŭ kelkaj junuloj kiuj «slamis» (angle *slam* {ĵetfrapi}).

La bando certe havos bonan ontumon en sia fako, kondiĉe ke ilia populareco ne putrigos ilin, ĉiama risko por bando kiu lanĉiĝas en komercan karieron.

Finfine, ili tiuvespere konfirmis sian kapablon por sursceneja ludado kaj por entuziasmigi sian publikon.



## LES THUGS ĈE BIKINI (Tuluzo) 1 dec 93

**Afirmemas Stéphan:**

**Les Thugs** estas franca bando el urbo **Angers**. Ili ludas depost dek jaroj, kaj nun apartenas al la rok-elito.

Vi eble taksos min iom afirmema, legante tiun ĉi tro rektan enkondukon. Ja, sed mi respondos ke temas pri mia unua ekpenso kiam oni petas min verki pri **Les Thugs**. Evidente mi ne diras tion ĉi senbaze ~ mi havas pruvojn!

Unue, il havas ses albumojn (vidu ja la diskaron artikolfine) ~ kaj se vi aŭskultos ilin kronologie laŭ aperdato, vi komprenos ĝis kiu grado ilia muziko rafiniĝis laŭ la jaroj. Nekontraŭdireble, **Les Thugs** progresas de albumo al albumo.

Poste, kaj plejgrave, pri ilia sceneja prezentiĝo. Ho, **Les Thugs** ne estas **La Mano Negra** ~ ne atendu ke la kantisto ĉien saltados de unu flanko de la scenejo al la alia, ktp. Ne, ne ~ ĉe ili estas trankvila potenco: ili surscenejiĝas, konektas siajn gitarojn, kaj ~ «unu-du-tri-kvar», jen ekiĝas. Iliaj koncertoj ofte komenciĝas per instrumenta peco, por instali bele pezan etoson ekde la unua momento. Kelkaj mallongaj vortoj de **Éric** (kantisto-gitaristo) inter la pecoj por anonci la titolojn, sed malmulte pli. La tensio pliiĝas iom post iom dank' al sagaca interligiteco de la pecoj, por atingi punkton kiun oni kredas maksimuma, sed je la sekva peco la muziko eĉ pli sovaĝiĝas, la gitarondoj verŝiĝas, forprenas vian spirpovon, kaj vi elkoncertiĝas duonkonscia, sen vere kompreni kio ĵus okazis al vi. Unu aŭ du bisojn, kaj kvazaŭ premio la reprenitan kanton de la **Dead Kennedys**, «Moon over Marine», kaj oni ne tre foras de ekstazo.

Tiun vesperon, la 1-an de decembro 1993, estis ekzakte kia mi ĵus priskribis, kaj kredu min, la muroj de la tuluza klubo **Bikini** ankoraŭ memoras tion.

Do, jen konsilo: se vi neniam antaŭe aŭdis pri **Les Thugs**, aĉetu iliajn diskojn («*I.A.B.F.*» kaj «*As Happy As Possible*» estas laŭ mi la plej bonaj), kaj neniupretekste maltrafu ilin se ili iam venos en vian lokon.

### Diskaro:

*Radical Hystery* (diskego), **Closer**, 1986.
*Electric Trouble* (diskego), **Vinyl Solution/Closer**, 1987.
*Dirty White Race* (maksidisko), **Vinyl Solution**, 1988.
*Still Hungry* (diskego), **Vinyl Solution/Bondage**, 1989.
*I.A.B.F.* (diskego/KD), **Vinyl Solution/Bondage**, 1991.
*As Happy As Possible* (2-obla diskego/KD), **Vinyl Solution/Road Runner**, 1993.

### Reeldonoj:

*Radical Hystery + Frenetic Dancing* (KD), ***Closer/Danceteria, 1989.***
*Still Hungry + Electric Trouble + Dirty White Race* (KD), **Vinyl Solution/Bondage**, 1989.

# KRITIKLOJ

**Subite raportas Joĉjo:**

## PIĈISMO DONAS SUBITAN MERDON

*Subita merdo*: senkompromisa titolo por la demo de ukraina punkkora bando **Piĉismo**. Gvidata de la kantisto-verkisto **Glebo MALCEV**, la kvinmembra grupo ja kantas espe (tion vi devas scii antaŭe ĉar ne certus ke ĉiuj bone aŭdos kaj komprenos la vortojn).

En tiaj muzikstiloj ne temas vere pri kantado sed pri io kia stertora ĝemblekado, kaj en tiu demo **Glebo MALCEV** fidele sukcesas.

Neprecize difineblas lia stilo, sed certe io inter rapidmetalroko kaj punkkoro.

La demokasedo ne estas tre altkvalita sed tio kompreneblas: temas pri seshora «viva» surbendigo, aliĝo al muzikstudio ne senpagas, ukraine aŭ alilande!

Kvankam estis profesia studio, kun profesiaj sonreĝisoroj, la sono estas iom kaĉa, malpura, kaj maldece akra, sed ĉu tio precize ne estas la ĉarmo de tiaj brumuzikstiloj?

Fakte ĝi ne estas malpli bonkvalita ol kelkaj okcidentaj samstilaj produktaĵoj.

La kanzontitoloj donas bonan ideon pri la temoj «preferataj» de la bando: «Sama merdo», «Malekzorcizemo», «Merdas odoro», «Anarkio en UK», «Korespondi deziras» (virinoj neforgesindaj), «Foriro en merdon», ktp.

Tiu *Subita merdo* malfermas por espokulturo la pordon de la subgrunda brumuzika movado.

Por vin konvinki, jen unu el la plej elstaraj titoloj de tiu ĉi demo. Ĝi troviĝas ankaŭ en internacia vinildiska anarkopunkkompilaĵo *Bullshit Detector 4*:



Dekstre Glebo Malcev

«Ne ricevos ŝtato ĉuron»

Bela bela bela bela
Kaco kaco kaco kaco
Fiki fiki fiki fiki
Kaco povas kaco povas

Bone povas mia kaco
Fiki fiki fiki fiki
Ŝtopi truon ŝtopi truon
Mia kaco bone povas

Bela ino ege ĝojas
Varma piĉo ege ĝojas
kaj gepatroj ankaŭ ĝojas
Mia kaco bone fikas

Bone fiki kaco povas
Fari idojn kaco povas
Ega ŝtato ege ĝojas
Fari idojn kaco povas

Kaco estas bona aĵo
Kaco estas kara aĵo
Kaco estas ŝtata aĵo
Kacon oni devas gardi

Mi ne estas bela homo
Mi ne estas saĝa homo
Kaj amuza mi ne estas
Mi nur estas granda kaco

Do fortranĉu mi testikon
kaj disŝiru mi testikon
Ne ricevos ŝtato ĉuron
Granda kaco malnecesas

Granda kaco malnecesas
Granda kaco malnecesas
Granda kaco malnecesas
Ne ricevos ŝtato ĉuron






Imagu, kredu min, kiel povos ektremi «pruduloj» kiam post **Kajto** kaj **Tutmonda Muziko** ekpafegas Piĉisma Furzo!

Se nenio timigas vin, mergiĝu mendante tiun ĉi demokasedon kontraŭ 3 USD bone kaŝitaj en netravidebla koverto ĉe:

**Glebo MALCEV**
**Proletarskaja 71**
**UA-326520 Cjurupinsk**
**Ukrajno**

(Legu kion diras **Glebo MALCEV** en intervjuo farita de **Niko VOLOŜYN**.)

Recenzas Stefaan COTTENIER:

*SAMARKAND'* ~ **Ĵomart kaj Nataŝa**

## FABELA KAJ TORDITA

*Kiam mi estis infano,*
*ofte rakontis panjo*
*pri fora fabela lando,*
*pri Samarkando.*

Jen tuj la ĉefa temo de la plej nova muzika ido de **Ĵomart kaj Nataŝa**. Iam, dum infanaĝo ekzistis ideala mondo. Sed la vera mondo montriĝas alia. Iam, dum junaĝo ekzistis puraj revoj kaj noblaj celoj. Sed montriĝis ke ne eblas vivi sen lasi la mondon malpurigi ilin.

*Kaj mi kun miro ekrigardas gaston*
*Li estas mi, sed li alia estas,*
*kaj liaj agoj estas pli honestaj*
*kaj la intencoj ĉastaj.*

En dek unu kantoj, du homoj, kiuj ĵus ne plu estas gejunuloj, rigardas tiun belan sed strangan mondon nian. Foje kun nekompreno, malkomforto, kaj tristeco. Ofte kun la demando: kion ni jam faris de nia vivo? Sed ĉiam pretaj denove aliri tiun vivon.

Konsentite, la muziko foje sin mem similas kaj la tekstoj ne ĉiam estas ĉizelitaj kaj poluritaj. Tamen tio respegulas la batalon kaj la internan maltrankvilon de la kantistoj, kaj tiel alportas honestecon al la kasedo, kvazaŭ kanti terapie.

Se vi ŝatas vagadi tra fabeleca muziko kaj konsideri vian propran vivolukton, mi certe povas konsili al vi: aŭskultu kaj ĝuu.

*Eble mi povos iam*
*esti denove libera*
*kaj direktos miajn plandojn*
*al Samarkando.*




Tiun ĉi kasedon produktis **SEJM** kaj **FLEJA** (Espo-Junularaj Asocioj de Rusio kaj Belgio).

Album-kasedo havebla ĉe **Eurokka/ Vinilkosmo** Ref. VKKS 23

### Diskografio:

1. *Somera mondo* (disketo, 1989). Elĉerpita.
2. *Debuto en eksterlando* (kasedo, **Lingvo-Studio**, Hungario, 1989).
3. **Folioj de mia memoro* (kasedo, **Eldona Societo Esperanto**, Svedio, 1990).
4. **Vi kuras de vi* ( kasedo, **Edistudio**, Italio, 1993).
5. *«*Papago*» (titolo en *Vinilkosmo-Kompil'*, kasedo/KD, 1995).
6. *Samarkando* (kasedo, **SEJM-FLEJA**, Rusio-Belgio, 1995).

* havebla ĉe **Eurokka/Vinilkosmo**.



Recenzas Jacques CAUBEL:

## ISRAELO NE ĈESAS KANTI

Temas pri kasedo el Israelo kiu titoliĝas *Israelo ne ĉesas kanti*. Ĝi estas komuna iniciato de profesoro **Amri WANDEL** (prezidanto de **Esperanto-Ligo en Israelo**) kaj de **Tova BEN-CVI**, kiu kantas ankaŭ en aliaj lingvoj, precipe en la hebrea kaj la jida. Ŝi jam surbendigis plurajn albumojn.

*Israelo ne ĉesas kanti* fakte estas daŭriga kasedo de la unua, *Israelo kantas*, kiun **Amri WANDEL** eldonis en 1982 kun la kantistino **CHANTAL** (dua eldono estis farita en 1986). Kiel la unua albumo, tiu ĉi enhavas tradukojn en espo de popularaj israelaj kaj kelkaj jidaj kantoj tradukitaj de **J. KOHEN-CEDEK**, **J. MURĴAN**, kaj **Amri WANDEL**.

La surbendigo kaj miksado estis faritaj en **Avi Yafe**, profesia sonstudio en JERUSALEMO. Akompano estis farita de la instrumentisto-pianisto **Haim CUR**.

Dudek kantojn en espo, kiuj dum kvindek minutoj parolas pri amo, kompreneble, sed ankaŭ pri paco, plantado en la dezerto, ktp. En ĝi bonodoras migdalo kaj mirto. Arboj, birdoj, floroj svarmas, kaj la sezonoj pasas.

**Tova** kantas tre agrable. La pianakompano de **Haim** sonas humora; kiam aldoniĝas aliaj nekonataj instrumentoj, ĉio iĝas plaĉega. Sopiro kaj gajeco alternas.

Konsilinda kasedo, kun simpla muziko kaj ĉarmega ina voĉo. Ĉiuj vortoj tekstas surpapere, kun multaj eliziitaj substantivoj ~ kial ne?

Tiu ĉi kasedo haveblas kontraŭ 24 NLG + sendokostoj (UEA-konto **elia-q**) ĉe:

**Esperanto-Ligo en Israelo**
**P.O.K. 1289**
**IL-61012 TEL-AVIV**
**Israelo**
**Tel. +972 (3) 58.99.02 [respondilo]**




Recenzas Jeannette:

## JADWIGA KANTAS

*Jadwiga Kantas*, de **Jadwiga DZIEGLIELEWSKA**. Kasedo kun dek kantoj. Akompanas ĉe piano: **Grazyna NAZARKO**. Realigo kaj aŭdigo: **Wlodzimierz MARECKI**. Surbendigo: Studio de la Teatro Bagatela, KRAKOVO, feb. 1995. Produktis: **Jadwiga DZIEGLIELEWSKA.** Prezo: 22,50 NGL ĉe la aŭtorino.*

**Jadwiga Dzieglielewska** estas nova stelo sur la espa muzika firmamento ~ ŝi eldonis en februaro 1995 kasedon kun dek kantoj el sia tridekkanta espa repertuaro. Ŝi elektis tre varistilajn kantojn, ĉefe tradukitajn el modernaj polaj aŭtoroj kiaj **J. Kofta, L. Dlugosz, B. Okudĵava**, ktp, sed ankaŭ el franca aŭtoro **Jacques Brel** laŭ traduko de **Michel Duc Goninaz** («Ne forlasu min»), kaj ŝi mem muzikigis la tekston de espa poeto **N. Kurzens** («Al la sorto»).

Oni ja povas kompreni ke la publiko de **Espaj Tagoj de Krakovo** (en 1992, 1993), de **Espaj Tagoj de Staszów** (1993, 1994), kaj de la **1-a Krakova Espa Printempo** (1994), entuziasme akceptis ŝiajn koncertojn: ŝia varma voĉo esprimas laŭvice romantikajn amsentojn kaj realismajn humurajn skizojn. Tamen rimarkeble ŝi preferas roman

tikajn kantojn. Ŝia alda voĉo, profunda kaj obtuza, plej taŭgas por esprimi amdoloron, malĝojojn, aŭ tempoforpasadon....

En iuj kantoj, ŝia voĉo elvokas por mi la senkompareblan voĉon de la franca kantistino **Barbara**.

La prononco estas taŭga kaj klara, krom en kelkaj lokoj (ekz-e *enuo* prononcita [henuo]).

Ĉar kritiki tamen oni devas, mi menciu ke la teknika kvalito povus pli alti, kaj ke la tekstoj estas por mia gusto tro «romantikaj», la poezio foje banale emfaza. La voĉo de **Jadwiga** bezonas ankoraŭ firmiĝi kaj trudi sian originalecon.

La piana akompanado de **Grazyna** bone servas la kantojn, kaj reliefigas la voĉon.

Konklude, aĉeto de tiu ĉi kasedo estas konsilinda por kiuj ŝatas modernajn romantikstilajn kantojn kaj ĉiutagan poezion.

Necesas sekvi la karieron de **Jadwiga**, kies talenton polaj espistoj povis ĝui nur de 1992.

* La aŭtorino proponas ke oni mendu la kasedon rekte ĉe ŝi, kaj proponas rabatojn: 5% ekde 5 KS, 10% ekde 10 KS, 15% ekde 15 KS, kaj 20% ekde 20 KS. Al donu por sendokostoj 5 NLG.

**Jadwiga DZIEGIELEWSKA**
**ul. Golaska 12 m. 16**
**PL-30.619 KRAKOW**
**Polio**
**Tel. +48 (12) 55.77.04**

Pagu al ŝia banka konto: «JADWIGA», WYDAWNICTWO FONOGRAFICZNE BANK PKO SA ODDZIAL KRAKOW 535078-07022663-2541-20-1110.




**Ŝprucas ONO Takao:**

## VULKANO ERUPTAS

Mi estas maldiligenta muzikisto, sed ĉiam serĉas mian propran lokon en pop- kaj rokmuziko. Tekniko gravas, mesaĝo gravas, sed plej gravas originaleco kion kaj kiel esprimi. Muzikisto estas magiisto kiu kreas la propraĵon per nur dek du notoj disdonitaj al ajnaj homoj.

Post kelkfoja aŭskultado de *Vulkano*, io restas en mia kapo. Nur etan parton okupas malagrablaĵo kaj malkontento pri lia muziko, sed plejparte mi konsentas kaj kontentas. Same kiel en la lastaj albumoj de **Solo**, la muziko en *Vulkano* fluas kiel orienteca rivero. Mi ĉi tie evitas plu skribi kio estas orienteca muziko, sed supozas muzikon de islamaj landoj najbare de Eŭropo, aŭ de landoj laŭ la «Silka Vojo» al Ĉinio.

Aŭskultante lian muzikon, mi miskomprenus ke ĝi estas muzika deklamo aŭ poemo. Ofte en popmuziko ekzistas rekantaĵo, t.e. la plej impresa parto en la kanto, kaj trankvila aŭ minora parto kiu donas plian efikon al rekantaĵo, kaj tiel plu. Sed en lia muziko tiuj ecoj ne klare troviĝas, kio pensigas min ke ĝi estas deklamado. Tie vort- kaj muzikfrazoj ripete ripetas, kaj de tempo al tempo aperas forta esprimo de sono, malantaŭ kio akurate ritmas ne nur drumoj, sed ankaŭ aliaj sintezilaj instrumentoj. Ĝia konstruo de ritma parto apartenas al unu el liaj unikecoj.

Al mi ŝajnas ke preskaŭ ĉiuj sonoj krom voĉoj venas el liaj sinteziloj. Ĝiaj sonoj ne estas tiel modernaj (kelkaj el ili certe estas FM-sintezilaj), sed li tute sukcesas vivigi ilin en sia aranĝo. Sonoj malantaŭ lia voĉo ne multe ĝenas lin, kaj ofte helpas ĝian melodion, akompanante lian voĉon, kaj plenigante spacon sen lia voĉo.

Lia voĉo! Ĝi estas forta, dika, kaj ofte muĝa. Tio sentigas min, ke li povos pli vastigi la mondon de sia muziko.

Jes, *Vulkano* montras al ni lian propran mondon, kie li reĝas, kion li regas. Mi nun ne dubas ke **Solo** alportas al esperantomuziko novan kategorion: *solotroniko* (laŭ lia esprimo), kvankam ĝi tute ne estas rekomendinda al aldonata kasedo de lernolibro. La kasedo *Vulkano* konsistas el 18 originalaj kantoj, kies tekstojn verkis **Liven DEK**, **Georgo KAMAĈO**, **Miguel FERNANDEZ**, kaj **Gonçalo NEVES** (verkistoj kaj poetoj de tiu fama movado **Ibere Libere**).

Ĉu vi jam spertis solotronikon?

Disponebla diskografio ĉe **Vinilkosmo/ Eurokka:**
*Kosmo-Infano* (diskego, 1990)
*Vulkano* (kasedo, 1994)



# EN DISKELDONEJA
# ĜANGALO

# FURIOZO KONTRAŬ LA KVOTOJ!




### *Kvotas Flo!*

Jen inda ekzemplo de kunlaborado, *La rage against les quotas* (Furiozo kontraŭ la kvotoj) estas kompilaĵo produktita de **Ferarock** kaj **Melodie**, kiu distribuas ĝin.

**Ferarock** estas **Federacio de Rok-Asociaj Radiostacioj**, fondita en 1991. Ĝi grupigas kaj kunordigas nekomercajn rok-radiostaciojn kiuj implikiĝas en la muzikan vivon de siaj regionoj. **Ferarock** celas naciskale reprezenti la aliĝintajn radiostaciojn. En ĝi partoprenas dudek radiostacioj.

Ĉiu el ili instigis rokbandon de sia regiono por surbendigi titolon kies temo estu «radio», por subteni la projekton de ĉi tiu kompilaĵo. Finfine nur dek ok muzikgrupoj sukcesis pretigi ion, la du mankantaj havis lastmomente teknikajn problemojn. Krome, la sumo de la elektitaj titoloj ne respektis la kvoton de 40% de francaj titoloj, devigotan de la leĝo al radiostacioj ekde 1996. Tiu perspektivo «ĝisrabie» koleregigas, kaj ne forprenas la emon malkrovrigadi libere ŝatatan muzikon, dank' al radiofonio!

Antaŭ nelonge rimarkigis **Hermann DECEUNINCK** ke kvotoj jam ekzistas en Kebeko, Irlando, Polio, Norvegio, ktp. Kvotoj ne povos tro bremsi la kulturajn interŝanĝojn, kaj certe ne plialtigos la kvalitnivelon de la muziko. La hodiaŭa situacio montras ke usonangla muziko invadas la merkaton. Tri kvaronoj de la varbmaterialo sendita al radiostacioj estas de neenlanda deveno (krom por Usono kaj Britio, kompreneble).

Ekzemple, en Francio eĉ la plej famaj bandoj kiaj **Mano Negra, Les Négresses Vertes**, kaj **Les Rita Mitsouko** havas problemojn por akiri elsendotempon en popularaj komercaj radiostacioj.

Tiu ĉi kompilaĵo aperas trafe, ĉar kvotoj ne plibonigos la situacion; male, la grupoj amase kontraŭstaras kaj la rezulto estas inversa: pli kaj pli da grupoj kantos angle por fekigi la leĝon kun ĝiaj kvotoj. *Furiozo kontraŭ la kvotoj* tion pruvas!

Unu el la ĉefaj celoj de **Ferarock** estas ankaŭ demonstri ke eblas aŭskulti ion alian ol la komercajn produktaĵojn de la F.M.-aj normecaj radiostacioj. Tiel tiu ĉi kompilaĵo respegulas parteton de la hodiaŭaj francaj rokbandoj ignorataj de tiuj komercaj radiostacioj. Pro tio, krom la unua bando **Billy ze Kick** kun **la Skippies**, kiuj startas per viglega «Radio K Sur» (vortludo {Radio-rompiĝo} aŭ {Radio kiu plenumas}). Ĉiuj aliaj bandoj estas konataj plej ofte nur en sia regiono.

Estas malfacile trovi fadenon en tiu ĉi kompilaĵo, tiom la stiloj estas diversaj. Tamen kelkaj interesaj titoloj elmerĝiĝas, kiel ekzemple: «Radio Depression», en la angla de **Work 'n' Peanuts** el LYON (eksa **Snappin' Boys**) per efika perfekta rokenrolo; «Radio Meteore», interesa franca rokkanzono de **Azor LEULIER** el ESPERAZA; «Radio Superstar», en la angla de **Mini Cooper Gang** el TOURS per sia 60-jareca rapida roko; «Silence Radio», bona franca rokkanzono de **F.O.C.** el LYON; «Acte à l'Onde», novgrunĝo en la franca kaj angla de **Alix au Pays des Reveils** (Aliks' en Vekhorloĝlando) el LE MANS; «Fiction Radio», en la angla, saturita bruroko de **Moonstruck**, tri knabinoj el MONTPELLIER; «Thrills» (Ekscito), senriproĉa punkkoro en la angla de **Booby Traps**; «Realize» {Ekkompreni} de **Noisy Neighbors**, la samaj **Bruemaj Najbaroj** de *Vinilkosmo-Kompil'*Vol.1, bando de TULUZO kun sia tre melodia kaj stila poproko, ĉifoje ne en espo sed en la angla, unu el la plej elstaraj titoloj; «Universal Radio», de **Deep Inside**, rokbando el BREST; «Jungle Beanz et D.J. DNA» el LILLE estas la lasta titolo de la KD-kompilaĵo kun interesa metizada dob-roko en la franca, angla, kaj araba.

Unuvorte, *Furiozo kontraŭ la kvotoj* estas relative plaĉa por tiu kiu ŝatas diversilan rokmuzikon; la rezulto estas kontentiga. En la radio-rokhistorio tio estas demonstro de efika kaj fruktedona kunlaborado. Jes, vere ekzempla iniciato aŭdaca kaj subteninda!

**Kontaktadresoj:**

**FERAROCK**
**p/a Françoise DUVAL**
**BP-4015**
**FR-31028 TOULOUSE Cédex**
**Francio**
**Tel./Faks +33 61.55.17.26**







**MELODIE distribution**
**p/a Emmanuelle ZERBIB**
**50 rue Stendhal**
**FR-75020 PARIS**
**Francio**
**Tel. +33 (1) 43.49.59.00**
**Faks +33 (1) 46.58.62.26**



Combat Folk

# BATALAS POR TONYNARA

*Kompilis Flo!*

**C**ombat Folk estas diskeldonejo kaj distribuejo kiu ĝis nun produktas kaj distribuas nur albumojn de **Tonynara**.

**Tonynara**, malkovrenda folkbando el LYON (Francio) ludas muzikon tradicidevenan. La bando inspiriĝis de irlanda muziko (ĉefe, en la komenco, de **Dubliners**, **Chieftains**, **Plantxy**, **Christy MOORE**, ktp.), sed de nemulte alvenis en la grupon kun ĝia pligrandiĝo influoj de **Pogues**, **Waterboys**, kaj ankaŭ de **Van MORRISON**.

La muziko de **Tonynara** estas muziko por aŭskulti, danci, trinki....

Kvankam tradicidevena, ĝi estas tre kreiva muziko, kaj liberigas grandan energion kvazaŭ estus roko. Tamen la instrumentoj estas akustikaj; pro tio mi emus en tiu ĉi kazo paroli pri «akustika folkroko» kun kelteca etoso.

Sursceneje la muzikistoj ege aktivas, okupas la tutan spacon fizike eksplodigante la melodiojn el siaj instrumentoj. Tiu energiego rapide invadas la publikon, kiu eniras la impetan ritmon pied- kaj manfrapante kaj sinsekve dancante.

**Tonynara** naskiĝis en 1989 kun la renkontiĝo de **TONY**, **NAss**, kaj **RAchid**. Eltirante la unuajn silabojn de siaj personaj nomoj, ili kreis la nomon de la bando. Ĝi plifirmiĝis kiam en 1992 alvenis **Estelle AMSELLEM** kaj **Pierre LAURENT**, poste en 1994 aniĝis la lasta muzikisto, **Yves DONZEL**. Komence de 1995 **Pierre LAURENT** foriris sed tuj anstataŭis lin **Christophe SACCHETTINI**. Kun tiuj vere profesiaj muzikistoj, la grupo sentas sin tre komforta sursceneje.

**Tonynara** havigas al si solidan famon en Francio dank' al la energia, varmega, kaj aŭtenta etosego kiun ili sukcesas krei en ĉiuj siaj koncertoj. **Tonynara** kapablas ŝanĝi ĉiun koncertejon en grandegan *pub* (briteca aŭ kelteca taverno).

**Tony CANTON** ludas violonon de kiam li estis kvinjara; li lernis la instrumenton en klasika muziklernejo, sed li devojiĝis kiam li adoleskiĝis.

**Nass HASSANI** ĉefkantas, bodhranas (**bodhrano** estas tipa irlanda perkutinstrumento), kaj gitaras. Li devenas el OUJDA (Maroko), lernis la anglan en Francio, kaj ofte vojaĝis al britaj kaj ejraj insuloj; pro tio li tiel bone regas la anglan, kiu tre taŭgas por tia muzikstilo. **Rachid HASSANI**, frato de Nass, ludas banĝon, mandolinon, gitarojn, bodhranon, kaj koruskantas.

**Estelle AMSELLEM** kontrabasas kaj koruskantas. Ankaŭ ŝi havis de pleja junaĝo klasikan muzikklerigadon. Komence ŝi lernis pianon dum dek du jaroj.

**Christophe SACCHETTINI** ludas diversajn tradiciajn flutojn; li eklernis ludi bekfluton en sia kvara jaraĝo en muziklernejo klasika, dek jarojn poste li malkovris kaj eniris la folkmovadon.

**Yves DONZEL** ludas perkutinstrumentojn, drumon, kaj gitaron; li estas ankaŭ sonstudia teknikisto. Li mem surbendigis kaj miksis ĉiujn produktaĵojn de **Tonynara**.

De 1989, **Tonynara** faris pli ol tricent koncertojn. Ili ĉefe turneis en Francio, sed nun ili dezirus koncerti eksterlande. Ĝis nun, **Tonynara** produktis tri albumojn tra la diskeldonejo **Combat Folk**. La unua aperis en 1990 kaj estis tre folktradicia, la lasta havas pli kantrian/ blugrasan koloron. La evo- luo estis tre progresiva ĝis atingo de tiu ĉi nuna akustika folkroko. Tre baldaŭ, **Tonynara** ekpretigos no van albumon vive. Mi spektis jam dufoje koncertojn de **Tonynara**, kaj mi vere entuziasmiĝis pro tia ĉi profesieca kvalito kaj energiego. Mi certas ke viva albumo estos ankoraŭ pli elstara ol la antaŭaj, kiujn mi ŝategas. Mi atendas ĝin senpacience!

Folkemuloj estos ravitaj!

**Diskografio:**

- *Combat Folk* (1990) Ref. TY 1991 (KS)
- *Vagabondage* (1992) Ref. CFR 001 (KS) kaj CFR 301 (KD)
- *Sham Rock* (1994) Ref. CFR 194 (KS) kaj CFR 394 (KD)

**Kontakto:**

COMBAT FOLK Records
23 quai Jean Moulin
FR-69000 LYON
Francio
Tel.+33 72.41.85.70
Faks+33 72.41.93.85

# MALFERMITA VOJO AL LAGADJAR



*Vojas Flo!*

Jen en sama stilo: nova folkbando naskiĝis. Starigita de **Jef «Aerosol» PERROY** kaj de **François BORNE**, du francoj el LILLE, **Open Road** {Malfermita vojo} surbendigis sian unuan albumon.

**Lagadjar** (nomo de stelamaso en la stelaro Taŭro, ankaŭ signifas «kokin-okulo» en la bretona) estas ilia 4-titola KD-albumo eldonita de la ĵus naskiĝinta diskeldonejo **GOTO**.

Kaj tio ĉi estas la unua produktaĵo de **GOTO**.

Nek tute folka, nek absolute tradicia, ne nur popa, ne ekskluzive kelta, **Open Road** prezentas en tiu ĉi albumo akustikan muzikon kiu miksas energie kaj feliĉe la kantojn, gitarojn, banĝojn, mandoloncelojn, bodhranon, buŝharmonikon, ktp.

Memkompreneble, la kantoj estas en la angla, sed la voĉo de **Johanna Mary COONEY** malfermas la albumon per gaela adapto de teksto de **François**.

Ambaŭ muzikistoj loĝis kaj ofte vojaĝis al Irlando, kaj tio klarigas ilian guston por la tradiciaj keltaj muzikoj kaj por folkmuziko. Individue, ambaŭ siaflanke ludis en diversaj bandoj antaŭ kuniĝi.




Tiuj kiuj ŝatus malkovri ilian unuan 4-titolan KD-albumon, nome *Lagadjar*, ricevos ĝin senpage kondiĉe ke ili petu ĝin per minitelo: 3617 JUKEBOX (eblas nur en Francio). Por pliaj informoj kontaktu:

**GOTO Productions**
Château de la Bonnerie
111 rue de Croix, B.P. 55
FR-59510 HEM
Francio
Tel. +33 20.83.13.33
Faks +33 20.83.03.80

GOTO

**Eruptas Foréal MARTORELL:**

# ETNA ĈE ĜIMINI MUZIK'

La 6-a *ROK-gazet'* jam prezentis tiun ĉi diskeldonejon kiu eldonas muzikproduktaĵojn de grupoj kun ĵazaj kaj ĵazrokaj influoj. La katalogo de **Gimini Music** enhavas vere malkovrindajn albumojn, kaj haveblas je simpla peto.

Ĉifoje ni reparolas pri tiu eldonejo ĉar ni ne povas silenti pri nova albumo kiu, krom la elstara muziko, rimarkindas pro plurlingvismo. De ne tiom longe muzikgrupoj aŭdacas kanti en pluraj lingvoj, ni do aplaŭdu ilin.

**Etna** konsistas el **Laura MARS** (ĉefkantado, ĥoroj), **Didier LEBARGY** (klavaroj, perkutinstrumentoj), **Bernard PAGANOTTI** (basgitaro), **Laurent GERARD** (drumo), **Jean-Marc BACCARINI** (saksofono, evio [«ewi»]), **Eric SEMPÉ** (gitaro [Mike Sabre]), **Remy BAILET** (keyboards, piano [solisto], perkutinstrumentoj), **Gérard LHOMME** (perkutinstrumentoj), kaj **Lydia DOMANCICH** (sintezila programado).

Ĉiuj ĉi tiuj muzikistoj estas spertuloj pri ĵazmuziko kaj derivaĵoj; inter ili la famegaj **Bernard PAGANOTTI** kaj **Lydia DOMANCICH.**




**KD-Albumo Ref. GM 1005 Etna:** ***Puzzle*** (Puzlo)



Laura Mars

Je la unuaj notoj ni sentas tuj influojn de **Magma**, eble pro la basgitarludo de **Bernard PAGANOTTI**, kiu siatempe estis en la gradioza universo **Magma**.

Rimarkindas la vasta gamoregistro de la ĉarmega voĉo de **Laura MARS**, sub kiu oni tuj falas, des pli ke la muziko harmonie akordiĝas al ĝi.

En tiu ĉi albumo sinsekvas fluantaj melodioj ritmaj preskaŭ ĉe la rando de roko, kelkfoje tre ŝvebaj, pli poste ĵazaj kaj eĉ svingaj.

Vere ampleksa albumo kun tekstoj en la franca, itala, kaj angla.

Kiel la vulkano Etno, tiu ĉi muziko dume kvietas kaj subite ĝi eksplodas kun intervaloj de malkvieteco kaj svenoj.

Pasio kaj profundaj sentoj animas la verkon de **Etna**. Kontaktadreso:

**Gimini Music**
**Éditions-Productions**
**42 rue de la République**
**FR-94430 CHENNEVIERES SUR MARNE**
**Tel. +33 (1) 45.76.13.72**
**Faks +33 (1) 45.76.72.28**



GIMINI MUSIC
EDITIONS-PRODUCTIONS

# MALKOVRINDAĴOJ

Malkovras Flo:

## ESPERANTO-TRIOPO

En marto 1993, duopo kreiĝis en ROUEN (Francio) sub nomo **Esperanto**, kun **Eric SAUNIER** (akordiono, kanto) kaj **Manu DUBOIS** (gitaro, kanto). Unu jaron poste, **Esperanto** triopiĝis kaj riĉiĝis per aldono de basgitaro kaj perkutilaro kun la alveno de **Olivier COLLET**.

Neniu el la tri estas espisto, kaj ĝis nun ili neniam kantis nek aŭdis espon. Strange sed estas tiel!

Ili elektis **Esperanto**-n kiel nomo ĉar ĝi kongruas kun la muziko de la triopo. Jen kiel ili prezentas sin:

«Esperanto, universala lingvokoncepto, estas la simbolo de la lingvo de la kulturoj cele al komunikado kaj harmonio. Muziko estas unu el la lingvoj kiu malfremdigas la homojn, ĉar ĉiuj komprenas ĝin.»

Tiel ili ludas, inspirate de ĉitieaj kaj de aliejaj muzikoj, tiuj kiuj vojaĝis kun la homoj kaj transpaŝadis la landlimojn. Ilia populara repertuaro estas tre eklektika kun ciganeca, hispaneca, aŭ kelteca akcentado.

**Esperanto** ofte koncertas; de kiam la bando ekestis, ili faris pli ol cent kvindek koncertojn. Inter ĉiuj tiuj koncertoj kelkaj okazis ekster Francio: en Britio, Nederlando, Germanio, kaj Danio.

La muzika spirito de **Esperanto** per sia folka repertuaro entuziasmigis multnombrajn publikojn. La triopo travojaĝigas sian spektantaron komplice tra tuta Eŭropo, de okcidento ĝis oriento kaj de nordo ĝis sudo.

Ni nun povas nur esperi ke baldaŭ **Esperanto** kantos espe. Instigu ilin tion fari ~ certe ili estos atentaj al viaj petoj kaj proponoj. Kontaktu ilin:

**Esperanto**
**p/a Manu DUBOIS et OLIVIER COLLET**
**4 rue des carmélites**
**FR-76000 ROUEN**
**Francio**
**Tel. +33 35.98.46.52**
au: ERIC SAUNIER
Tel. +33 35.23.11.80








Foto Thierry RAJIC

Recenzas Hermann DECEUNINCK

## KABILE TUTMONDEN



Unu el la plej agrablaj kompaktaj diskoj dum la lastaj jaroj estas tiu de **Cheb KHALED**, *N'ssi n'sii* (**Barclay** 519.89.98-2) el Alĝerio (Nord-Afriko). La muziko sur tiu ĉi disko tute ne estas pure afrika aŭ araba malgraŭ ke la kantoj estas plejparte nur en la berbera (kabila) lingvo, kiu estas lingvo de la originaj loĝantoj kaj kiu tute diferencas de la araba. Eŭropanoj ekzemple ne kutimas al la sonoj de tiu lingvo: multaj gorĝosonoj, ondoj de rulantaj kaj raspaj vortoj. Eĉ se oni ne povas distingi la vortojn unu de la aliaj pro nescio de la lingvo, ili tamen sonas molaj kaj dolĉaj. La resto de la muziko estas miksaĵo de diversaj instrumentoj, melodioj, kaj ritmoj de la mondo. Oni samtempe aŭdas influojn de funko kaj roko, miksitaj kun melankoliaj tonoj. Kiel flugantan tapiŝon sub la muzika meblaro, oni aŭdadas la tipan agitan afrikan perkutilaron, la ritmon per kiu la ventrodancistinoj movas siajn koksojn.

Kulturo kreskas el la kunvivado de homoj. En la kampo de muziko ni vivas en mondkomunumo kaj tial ankaŭ la muziklimoj forfalas. Tial ankaŭ la muziko de **Cheb KHALED** estas vera mondmuziko: muziko kiu kunigas diversajn stilojn el diversaj kulturoj kaj kontinentoj.

**Khaled** jam kantis dueton kun renoma kantistino de Israelo. Per tiu ago li akiris la koleregon de multaj araboj, kiuj trovas ke oni ne surpodiu kun virino, kaj certe ne kun juda virino. Ankaŭ iuj konservemaj judoj ne ŝatis ke juda kantistino kantas kune kun araba kantisto. Krome, **Khaled** kantas senĝene siajn konvinkojn. Li kantas amkantojn kiuj ekster la islama mondo estas tute normalaj, sed tre maldecaj por konservemaj araboj. Li opinias ke knabinoj havu la samajn rajtojn kiel knaboj por studi aŭ por montri sin en publikaj ejoj. Li estas kontraŭ diskriminacio de homoj pro ilia religio, haŭtkoloro, aŭ sekso.

En la muzika kulturo de Esperantujo, la hispana kantisto **Solo** influiĝadas de orientaj sonoj. Eble aliaj trovos per tiuj ekzemploj instigon pripensi alispecan mondmuzikon, eble ne nur plurstile sed ankaŭ diverslingve.

**Diskaro de Khaled**
*Kutché* (KD/KS/diskego, 1990.)
*Didi* (KD/KS/diskego,
**Barclay** 1992. ) Ora Disko!
*N'ssi n'ssi* (KD/KS/diskego,
**Barclay** 1993).





Malkovras J.Marko:

# LOFOFORA

**Vangofrapon!**

Jes, jen la vorto. Mi ĵus ricevis majstran vangofrapon aŭskultante la unuan majstroverkon de la furiozuloj **Lofofora** el PARIZO.

Tiuj ĉi uloj ĉion scias fari kaj tion faras admirinde.

Unue la sono de tiu ĉi albumo: dika, giganta, malceda. **Lofofora** alfrapas nin per titoloj kie regeo, funko, repo, punko, kaj... ĵazo kunbatiĝas.

Fuzas repkoro en kiu la gitaristo, ultrainventiva, apogas sin sur basgitarodrumparo senerara. La tekstoj, veraj juveloj, devas nenion envii al sia sonora juvelujo.

**Reno**, la kantisto, celumas trafe ĉiufoje kaj paffaligas siajn celojn kun ciniko kaj delekto koncerne faŝulojn (faŝistojn en «No facho»),Amerikon(en «USA»), la feriulojn en trafikŝtopiloj sur la suden-aŭtoŝoseo (kaj tio amuzas la mevojn).

**Reno** batalas kontraŭ stulto kaj netoleremo. Jen lia ĉefa slogano (kaj la aktualeco pravigas tion): «No facho!» {Ne faŝuloj}.

Tiun ĉi dekdutitolan albumon produktis **Dave ID** kaj **Lofofora** en ĜENEVO (Svisio). Eldonis ĝin **Sriracha Sauce** en **Labels Bio** de **Virgin France** en marto 1995. Informoj kaj albumo haveblas ĉe:

**Lofofora**
**Sriracha Sauce**
**2 rue Carpeaux**
**FR-75018 Paris**
**Francio**
**Tel. +33 44.85.00.67**






**Lofofora** vive en **Bikini!**

**Kompilis Roko:**




Reklam-KD-eto kun espo titolo aperonta en *Vinilkosmo-Kompil'*vol.2

**Remy WALTER** ĵus surbendigis espoversion de sia «Face to the Ground» {Teren rigardu}, la ĉeftitolo de lia unua soloalbumo.

**Remy** difinas sin ĉi tiel: «Mi estas parizano, judkaj germannederlandorigina, kun sudafrika patro. Mi sentas min eŭropano kaj ~ ĉieano. Mi ŝatas aŭskulti malsamajn muzikojn: oni remalkovras kulturojn delonge forlasitajn.»

Jam 14-jara li estis aktoro en filmo *La Bande du Rex* kun populara franca kantisto-aktoro **Jacques HIGELIN**, kiu poste kuraĝigis lin mem kanti. La postan jaron li iris al Bahama Insularo kaj al Jamaiko, la insulo de **Bob MARLEY**, kie li renkontis ties produktiston, **Chris BLACKWELL**. 16-jara li komencis verki proprajn kantojn.

30-jara li jam havas solidan karieron de produktisto. Lia unua oficiala produkto estis la internacia sukceso «Étienne» de **Ghesch Patti**. Deposte li produktis sep albumojn laŭ tre malsamaj stiloj: *Anuèit* {Ĉinokte} de **Rosina DE PÉIRA** (trobadorino en Okcitanio), *Kaskasnicola* de **Ziskakan** (maloja roko sur insulo Reunio), *En attendant des jours pires* {Atendante pli aĉajn tagojn} de **Pascal MATHIEU** (francaj kanzonoj), **GNR** (roko en Portugalio), **Boy G. Mendes** (insulo Verd-Kabo), **A3** (fuziĵazo), kaj **Clément MASDONGAR** (Ĉado).

Lia muziko laŭas progresivan kaj melodian rokon, riĉigitan per folkaj radikoj, kun iom apartaj instrumentoj kiaj radgurdo, bretona sakfluto, kelta harpo, aŭ afrika balafono.

Jam de du jaroj **Remy** organizas someran okcitano-mondmuzikan festivalon en SAINTE-CROIX-VOLVESTRE, en Arieĝo (Okcitanio, Sud-Okcidenta Francio, proksima de Tuluzo).

**Remy WALTER**
**New Rage Vision**
**6 passage des Récollets**
**FR-75010 PARIS**
**Tel. +33 (1) 42.05.80.91**
**Faks +33 (1) 46.07.15.09**




Ĵus aperinta albumo

Revolucias Joĉjo:

## REVOLUCIO EN MEKSIKO: VIVU ZAPATA!

En 1910: la meksika popolo, gvidata de **Emiliano ZAPATA** kaj **Pancho VILLA**, ribelis kontraŭ la diktatoro **DIAZ**.

En januaro 1994: indianoj de **Ĉiapas** ribelis kun la **Zapatista Armeo por Nacia Liberigo** (EZLN) por protesti kontraŭ la nuligo de agrikulturbienkolektivoj kaj kontraŭ la nordamerika liberkomerca kontrakto.

En februaro 1994: la meksika hardkorbando **Revolución X** eldonis disketon solidarece kun la zapatistoj. Kvar kantoj, apartigitaj de politikaj alvokoj kaj sloganoj, el kiuj la militproklamo de EZLN.

Kun **Revolución X**, oni pretu trapasi rapidegan sekvon de ritmoj, kun la akuta voĉo de la kantisto, kiu bone esprimas la opiniojn de la bando kaj ties kompreneblan malamon kontraŭ fiekspluatanta kaj koruptita registaro. De la interna stato de Meksiko («EZLN») kaj solidareco kun la cetero de Latin-Ameriko («Viva Puerto Rico libre» [«Vivu libera Porto-Riko»]) ĝis la elmigrado en Usonon («Fuck the Border Patrol» [«Krevu la landlimkontrolistoj»]), **Revolución X** resumas en kelkaj minutoj la senton de multaj meksikanoj.

Vera politika alvoko, la disketo estas eldonita dank' al kunlaborado de kvar francaj sendependaj diskeldonejoj. Oni kontaktu ilin por pli da informoj, ĉar konsiderante la premojn faritajn de la meksika registaro, la bando preferas ne komuniki sian adreson. Ununura riproĉo povus esti sama kiel ĉe multaj hardkorbandoj: pro la rapideco kaj brueco ne ĉiam eblas ĝui la signifon de la tekstoj. Ĉiukaze, indas ekkoni **Revolución X**, kiu laŭ mi ekdezirigas scii pli pri la alternativa scenejo en Meksiko.

**Revolucion X**
**New Wave Records**
**p/a A.P.M.C.**
**B.P. 6**
**FR-75462 PARIS**
**CEDEX 10**
**Francio**







**Vivu Zapata!**




Raportas Joĉjo:

## TERO KAJ LIBERECO: TION VOLAS PIŜAMANDURJES

Ni daŭre parolu pri «aktivula» rokmuziko kaj la indiana afero por prezenti disketon, ĉifoje el Katalunio: *Tierra y Libertad* {Tero kaj libereco}, de la kvarmembra sinnomita «folkkora» grupo **Pixamandúrries** . El la du kantoj, la unua, «Presoners del temps» {Malliberuloj de tempo}, verkita de la grupo mem, montriĝas agresema sed tamen melodia, eble ie inter **The Ramones** kaj **The Exploited**; ĝi certe invitas al moviĝo. La dua fakte konsistas el rokstila adapto de tri tradiciaj katalunaj kantoj: ĉeestas intensiva gitarado kiu foririgus la geavojn, sed klare rekoneblas folkemaj ritmoj interalie dank' al «graljo» (tipa blovinstrumento kataluna). Ĝin aŭskultante, oni bone povas imagi homojn saltantajn kaj festumantajn.

Por esti tute solidara ne nur parole sed ankaŭ praktike, **Pixamandúrries** transdonos ĉiujn profitojn de la vendoj al la luktantaj indianoj de **Ĉiapas**. Vera dediĉo al la zapatistoj de 1910 kaj 1994, la albumo bedaŭrinde enhavas malmultajn titolojn. Ni vere ŝatus aŭdi pli, sed certe tio venos, eĉ se fine **Pixamandúrries** ŝajnas pli grupo de koncerto ol de disko.

Nun **Pixamandúrries** pretigas novan albumon kiu enhavos parte espotekstojn.

**Pixamandúrries** ofte koncertas, kaj organizas koncertojn; la 20-an de majo 95 ili ludis antaŭ 3.000 personoj en **Zeleste** (BARCELONO); kaj de la 11-a ĝis la 22-a de junio 95 enkadre de turneo en Norda Francio organizita de **Réseau Rock & Régions** {Rok-Reto kaj Regionoj} instigita de **Tutti Futti** (vidu *ROK-gazet'*-on n-ro 6).

Ĉiprintempe **Pixamandúrries** koncertigis en urboj de la norda parto de Katalunio la tuluzan bandon **Les Bêtes** {La Bestoj} («besta» kaj komika roko), kaj katalunajn rokbandojn diversstilajn kiaj **Vizio**, **BAP** (**Andoain**), **Còdigo Neuròtico**, **Noldor**, **Inadaptats**, ktp.

Cetere, la bando organizis la 2-an de junio en **L'Estaciò de Salt,** proksime de GIRONA (Katalunio) tutan vesperon kun espomuziko, celante prezenti la aperon de *Vinilkosmo-Kompil'*, en kiu ankaŭ ili partoprenis.

La bando ekeldonas monatan informilon, *Pork-Rok'*, kiu prezentas la agadon de la bando, projektojn, produktaĵojn, kalendaron de koncertoj alternativaj, ktp. Eblas peti de ili regulan sendadon de ekzemplero en espo, kataluna, kastilia, franca, aŭ angla ĉe:

**Pixamandúrries**
**Pork-Rok'**
**C/ Casavells 53**
**ES-17121 CORÇA (Girona)**
**Katalunio/Hispanio**
**Tel.+34 72.63.02.56**
**Faks+34 72.64.04.18**



# ESPOP-BANDOJ

# LUANDA COZETTI



**Raportas kaj intervjuas Flávio FONSECA**

Jen ekaperas nova nomo en Muzikesperantujo: **Luanda COZETTI**. Ŝi delonge kantas profesie, kaj ĵus ekinteresiĝis pri espo.

Ni komencu je la komenco.

**Luanda** naskiĝis en RIO DE ĴANEJRO, Brazilo, kie ekde infanaĝo ŝi tuj kontaktiĝis kun ties riĉa muzika kulturo, pere de amikoj kaj familianoj. Dum ok adoleskaj jaroj ŝi loĝis en diversaj landoj, inter ili Francio, Portugalio, kaj afrika Gvineo-Bisaŭo, kie ŝi profunde ekkonis unu el la plej fortaj radikoj de la nuntempa brazila muziko. Poste, reekloĝinte en Brazilo, ŝi finis siajn studojn pri kanttekniko kaj profesiiĝis.

Multajn koncertojn kaj surbendigojn oni trovas en la kariero de **Luanda**. Partoprenoj en aliulaj diskoj, ĵingloj, vojaĝoj tra la vasta lando. Ankaŭ voĉa direktado en studioj kaj privataj lecionoj pri kantado al diskeldonemuloj, estis ĉiutagaĵoj.

En 1993 ŝi decidis startigi novan fazon, kaj preparis projekton ampleksanta koncertserion kaj propran diskon. Por tio ŝi invitis la muzikestron **Flávio FONSECA**, kaj oni starigis tri ĉefajn frontojn: la instrumentaro, la repertuaro, kaj la lingvoj.

Pri la instrumentaro, oni elektis originalan kombinaĵon, nome korda kvarteto, akustika gitaro, kaj brazilaj perkutiloj. La repertuaro altiras miron pro la diverseco, ĉar ŝi kantas brazilaĵojn, ekzemple de **Tom JOBIM** kaj **Milton NASCIMENTO**, sed ankaŭ **George MICHAEL** aŭdinde kaj **SCHUBERT** moderne, kaj eĉ senvortaĵojn de **Jean-Michel JARRE** kaj **VANGELIS**!

Lingvoj ĉiam allogis ŝin. Tial, dum tiuj koncertoj surdiskigotaj ŝi kantas portugale, angle, france, germane, kreole (interetna nacia lingvo en Gvineo-Bisaŭo), kimbonde (etna lingvo en Angolo), kaj – esperante! Unue «L'anaso», bosanovo tradukita de **Aaron KÖNIG**, poste «Mia bon', mia malbon'», de **Caetano VELOSO**, kaj «Portal'» de **LAFETA/FALLEIROS** (ambaŭ laŭ traduko de **F. FONSECA**) fariĝis perloj de ŝia repertuaro. Tiel naskiĝis ŝia interesiĝo pri la Internacia Lingvo, kiun ŝi nun eklernas serioze.

Por kompletigi la bildon pri **Luanda COZETTI**, ni direktu al ŝi kelkajn demandojn.

***– Kiel vi difinas vian stilon?***

[Longa pensado.] Mi tute ne scias...! Eklektika.... Estas malfacile, komplike, mi ŝatas ĉiean muzikon.

***– Kiuj temoj estas plej oftaj en la tekstoj kiujn vi kantas?***

Situacioj de la homa tagon-post-tago, amo, amikeco, homaj rilatoj, ktp. Ankaŭ tion estas malfacile difini. Iom el ĉio, sed ĉiam kun mesaĝo kiu alportu ion optimisman.

***– Kial vi havis la ideon kanti en pluraj lingvoj?***

Profitante mian vivsperton, ĉar mi parolas plurajn lingvojn. Ankaŭ ĉar mi ŝatas la muzikon de pluraj lokoj. Kaj eĉ pro ilia sono mem.

***– Kaj kial vi decidis kanti ankaŭ en espo?***

Unue pro la sono, kiun mi trovis interesa. Ekzemple, en «Portal'» la mesaĝo estas egala al la portugala versio, sed mi kapablis doni pli taŭgan interpretadon en espo. Mi eĉ pli ŝatas la espan version. Due, pro la defio....

***– Defio?***

Jes, ĉar neniu kantas en espo, ĝenerale. Unu afero estas se vi estas espisto kaj kantas en espo, alia estas se vi ne estas espisto kaj kantas en espo al publiko ankaŭ neespista. Fariĝis tre interese kanti «L'anaso», ĉar estas surprizo por la publiko – tiu kanzono estas konata de ĉiuj, ĉi tie en Brazilo, kaj mi ne antaŭinformis ke mi kantos ĝin espe. Kiam, en la fino, mi klarigis la aferon, subite la homoj perceptis ke espo fakte ekzistas kaj estas lingvo bela kaj tre muziksona.

***– Kaj ĝuste kial vi decidis lerni la lingvon?***

Unue ĉar mi ŝatas novajn lingvojn. Due, ĉar mi kantas espe, kaj tio interesas min. Sed ĉefe pro la facila interkomunikado kiu ekzistas inter la homoj pere de espo. Ekzemple, mi ekkonis germanon kiu tute ne parolis portugale kaj gastis ĉe amiko mia, ĉi tie en BRASíLIA, kaj ili kompreniĝadis nur en espo. Tio mirigis min.

***– Ĉu vi ankoraŭ koncertis antaŭ espista publiko?***

Ne. Kaj ĝuste tio estas la avantaĝo, ĉar tiel mi disvastigas espon.

***– Ĉu vi intencas eniri la espan muzikan medion?***

Jes. La espa muzika medio interesas min tiel kiel iu ajn alia muzika medio.

***– Kiuj estas viaj planoj pri la estoneco?***

Kanti multe, en ĉiu ajn lingvo.

***– Ĉu ni atendu espan albumon vian?***

Jes!

***– Kia ĝi estos?***

Ĉefe kun brazila muziko, tradukita aŭ ne. Escepte se homoj sendos kantojn al mi.

***– Ĉu vi havas iun specialan mesaĝon por la legantoj de ROK-gazet'?***

Ke ĉiuj restu atentaj, ĉar ekzistas multaj homoj interesataj pri kantado en espo, kaj multaj aliaj kiuj volas aŭdi pli en espo. Estonte multaj homoj rajdos tiun ondon. Kaj ke vi atendu aliajn novaĵojn de mi, same kiel mi atendas pri vi.

Provizora adreso:

**RIO FLAT SERVICE**
**al LUANDA COZETTI**
**R. ALM. GUILHEM, 332/1704**
**LE BLON**
**BR-22440-000 RIO DE JANEIRO/RJ**
**BRAZILO**

# ASORTI

**Sortimentas Flo, RoKo, kaj Marcelo:**

## La litova familia triopo PIŜĈIKAS

La familia espopopbando **Asorti** fondiĝis en 1993, ĉirkaŭ la juna 10-jara **Edgar** (violono), kiu plurfoje estis premiita en muzikaj konkursoj.

Ili havas varispecan espoprogramon por esparanĝoj, renkontiĝoj, ktp. Ilia celo estas ankaŭ propagandi espon, tial ili kun ĝojo ludas kaj kantas en lernejoj, kampadejoj, kaj simile.



Ilia varistila muziko (popo, kantrio, varieteo, ktp), krom per oftaj koncertoj, konkretiĝis per eldono de du kasedoj, kiuj jam elĉerpiĝis: *Se povus mi* kaj *Ni denove renkontiĝos*.

**Asorti** ludas diversajn instrumentojn (gitaron, banĝon, violonon, blovinstrumentojn, akordionon, orgenon, ktp ~ ankaŭ sekvencilon.

Kvankam la bando eldonis tiujn kasedojn, ĝi bezonas maturiĝi, profesiiĝi, kaj multe pli bone prilabori sian muzikon kaj kantadon.

Ili devas ankaŭ lerni pli funden esperanton por pli bone regadi ĝin cele al verkado de kvalitaj originalaj espotekstoj.

Laŭ ni, la familia triopo **Piŝiĉikas** povos atingi vere bonkvalitan kaj profesian nivelon post kelkaj jaroj da sperto, ekzercado, kaj muzika laboro. Ni atendas perfektiĝon por estonte prezenti al vi recenzon de vere arta albumo.

La ĝisnunaj kasedoj estas tro amatorecaj, kvankam ili havis sukceson, sed en tiuj ĉi paĝoj ni ne laŭdos ilin, instigante venontajn plibonkvalitajn.

Tamen, restu atentaj pri ilia evoluo ~ certe vi aŭdos pri **Asorti** estonte.

Dume, nun kaj kontrete por praktiki kaj akiri sperton, la familia triopo serĉas eblojn por koncerti kaj turnei ~ ili pretas iri ĉien kaj ĉiam se ili ricevos oficialan inviton kaj repagon de vojaĝ- kaj viv-elspezoj. Por informoj kaj proponoj sendu al:

**Asorti**
**p/a Elena, Edvardas, kaj Edgaras**
**PIŜĈIKAS**
**Draugystés 1-28**
**LT-4761 VISAGINAS**
**Litovio**
**Tel. +370 (66) 321.23**
**Faks +370 (66) 312.86**








# INTERVJUO



## PIĈISMO

Niko VOLOŜYN intervjuas Glebon MALCEV-on

*– Kial nomo Piĉismo? Kiu trovis tiun nomon?*

'Stas mia ideo. Mi ege ŝatas kaosbruon naskitan danke al la litomiŝla tombisto. Certe iuj scias ke en societo de fibugritaj ĝisostulaĉoj, la nomo de **Karel PIĈ** estas la plej akra blasfemo. Do taŭgas por l' nom' de punka bando. Krome mi amas himenojn, klitorojn, kaj aliajn buĥtaĵojn, ĉar inaj organoj ludas tro grandan rolon en mia vivo kaj kreado. Nur pro l' troa fikemo naskiĝis tiu ĉi vortludo.

*– Kiu partoprenas la grupon (nomoj, profesioj, muziksperto)?*

Nu, kreis ĉi idiotaĵon mi, la malica **Glebo MAL(I)CEV**. Mi muĝraŭkas; **MALTHUS**, mia frato, falsgitaras; **TARASEVIĈ** kaosgitaras; **DIMA** basfrenezas; **LEXA** per drumoj imitas la detruon de HIROSIMA kaj NAGASAKI. Por mi, **Malthus**, kaj **Taraseviĉ**, **Piĉismo** 'stas l' unua bando; **Dima** ludis en freneza projekto **Snark** kaj ĝis nun basas en tre ŝablona hardroka grupo **Standart**; **Lexa** ŝanĝis dekon da kolektivoj, plejparte traŝmetalaj, kaj nuntempe frapas ankaŭ en funkrokabilia bando **Chili Bombers** kaj industria **Caterpillar**. Ni perlaboras monon diversmaniere: mi estas la plej multprofesia, diverstempe mi okupiĝis pri surstrata ĵurnalvendado (kaj havis multajn problemojn kun polico, ĉar la ĵurnaloj kutime estis opoziciaj kaj ege ekstremismaj); redaktado de mondcivitanaj, framasonaj, pornaj, kaj stultaj periodaĵoj de eldonkonzerno **Mondcivitano** el Latvio; eldonado de espaj broŝuroj; spekulado je oraj ordenoj; kontrabando de oro kaj pistoloj; pogranda vendado de pornaĵoj; nuntempe mi vendas punkajn kasedojn, fondinte subgrundan firmaon **Pterodactyl Records**. **Malthus** pogrande vendas pornoliteraturon. **Dima** estas subflegisto en psiĥmalsanulejo. **Lexa** antaŭe profesie muzikis, poste li vendis narkotaĵojn, nun li sonriĝisoras en regiona radiostacio de ĤERSON. **Taraseviĉ** ne laboras.

*– Ĉu longe vi ekzistas kiel grupo?*

Ekde januaro 1993.

*– Kia estas via muzika kredo, ĉeftemo de verkoj?*

Ni impetas fari kiel eble plej malican, akran, kruelan, frenezkotan muzakon. Nune ni faras tion en formo de punkohardkoro, sed probable poste ni ludos aŭ krustkoron, aŭ kaoskoron, aŭ brukoron. (Mi dume eĉ ne imagas kiustile ni registros sekvan albumon.) Ĉeftemo de verkoj: diversspecaj nihilismoj, fekumoj, kaj poeziaj abstraktaĵoj. Plus nepra malpura malprofesia sono. (Ni ne volas simili burĝajn bandojn, produktantaj kristalan diĝitan sonon. Ni preferas ekstreman subgrundan estetikon!)

*– Kiu komponas la muzikon, verkas la versojn?*

Tekstojn verkas mi, pri muziko okupiĝas ni ĉiuj.

*– Ĉu sufiĉas muzikklerigon, kvaliton de muzikiloj?*

Ne.

*– Ĉu vi havas muzikproduktaĵojn (kasedojn, diskojn...)?*

Nu, unue 'stas nia demo *Subita merdo*, kiun eldonis mia **Pterodactyl Records**. Ĝi aspektas kiel kasedo kun naŭ kantoj. Ni partoprenis ankaŭ en kaseda subgrunda kompilaĵo *Open Mind Terror*, sendinte du kantojn kaj artaĵon kun tekstoj (en la saman kasedon eniris ankoraŭ tri projektoj el CJURUPINSK: mia industriala «Toxic Plyers»; projekto de mia amiko **VOLJANJA**, «Dance for Dead Head»; kaj nia komuna kun Voljanja avangarda projekto «The And»). Ĉi kompilaĵon eblas ricevi sendonte tri usdolojn al **Gürteltier Tapes**, p/a Pille WEIBEL, Maihofstr. 2, CH-6004 LUZERN, Svisio (skribu angle aŭ germane). Ni posedas ankaŭ vinilaĵon: nia kanto «Ne ricevos ŝtato ĉuron!» eniris en tutmondan anarkopunkan kompilaĵon *Bullshit Detector 4*. Ĝi estas 2LP, ĝian koston mi ne scias, vi povos demandi prezon angle aŭ germane ĉe l' produktisto (**Resistance Prod.**, P.O.BOX 3142, CH-2500 BIEL 3, Svisio). Saman vinilan kompilaĵon baldaŭ eldonos en Usono **Mass Media Records**. Krome ni sendis materialon al ankoraŭ kelkaj subgrundaj firmaoj por punkaj kasedaj kompilaĵoj, do kiam ili 'stos pretaj mi informos pri prezoj kaj adresoj.

*– Ĉu vi koncertas?*

Jes, certe. Niaj verkoj destinitas por koncertoj, ne por studioj. Tamen ni sukcesis ludi nur tri koncertojn en ĤERSON (nia regiona centro) kaj la 10.8.94 ludis en EVPATORIA en Festivalo **Teen Wave '94**. Ĝi 'stis feka festivalo, estis aĉa ideo viziti ĝin, sed restis bonkvalita video pri nia elpaŝo, do ne tro vane ni veturis en Krimeon.

*– Kiujn rokmuzikistojn vi ŝatas kaj aŭskultas entute?*

Mi ***malamegas*** rokmuzikon kaj opinias ĝin stulta burĝa elpenso por devojigi la junularon de la klasbatalo kaj socia revolucio. Se mi iufoje sukcesos renkonti **Sting**-on, aŭ **Phil**-on **COLLINSON**, aŭ iun similan, mi penos kraĉi en lian muzelon. Nur kelkajn rokulojn mi pretas honori: **HENDRIX**, **MORRISON**, **Bob MARLEY**, kaj ankoraŭ du-tri nomoj ne provokas mian vomemon. Mi aŭskultas nur subgrundajn muzikistojn, preferante bruajn stilojn: punko, hardkoro, krusto, grinco, industrialo, brukoro, diversspecaj avangardaĵoj, mortmetalo, garaĝo, k.s. Laŭ mi ĉi muziko ne estas roka, sed ilo de popola rezisto kontraŭ tutmonda ŝtataro. Mi ege amas japanajn krustajn bandojn: **Battle of Disarm**, **Crazy Fucked Up Daily Life**, **Collapse Society**, **Future Now!!**, **Furan**, **Hakuchi**, k.a. El maljapanaj mi ŝatas **Stranger Than Fiction**, **Meat Shits**, **Anal Cunt**, **Neurosis** (ĉiuj el Usono), **Agathocles**, **Hiatus**, **Zero Positives** (el Belgio), **Filler**, **Pig Ignorance** (el Britio), **Turmoil** (el Turkio), ĉarman **Heyoka** el Francio, kaj multajn aliajn glorajn subgrundulojn de tutmondo. **Malthus** preferas **Paradise Lost** kaj **Alice in Chains**. **Taraseviĉ** freneziĝas pro **AC/DC** kaj konstante rigardas stultan MTV-on (eĉ jam iĝis tera enkarniĝo de **Beavis** kaj **Butt-Head**). **Dima** aŭskultas precipe molajn metalajn bandojn. **Lexa** ŝatas diversan sed bonkvalitan muzakon, ekzemple **Red Hot Chili Peppers**, **Panthera**, **Helmet**, k.s. Do, gustoj estas diversaj, sed ni havas ankaŭ komunan amon: **Ministry** kaj **Babyland**.

*– Esperanto. Ĉu delonge vi kantas en espo?*

Ekde l' unua tago kiam mi ekpovis ĝuste uzi la akuzativon. Komence mi kun pianakompano kantis kanzonojn de **SOROKA** kaj **AMZEEV**, poste ekkuraĝis komponi proprajn. Unu kanto eĉ gajnis premion de *Bulgara Esperantisto*. Temas pri konkurso por kompono de muziko al himno de bulgara esporenkontiĝo **Siringaj Vesperoj**. Al mi tre ekplaĉis la teksto kaj mi tuj verkis belan melodion. Sed mi eĉ ne scias ĉu kantatas ĉi himno aŭ ne, mi ricevis eĉ ne unu reeĥon.

*– Kiel vi espistiĝis?*

Januare 1988 en mian leterkeston erare oni metis numeron de regiona junulara ĵurnalo Lenina Standardo, kie mi trovis propagandan artikolon pri espo kaj kontaktadreson de paroliga trimonata kurso. Mi tuj veturis en ĤERSON, la kluba prezidanto rakontis pri espo, mi ekinteresiĝis, kaj vi eble konjektas pri la sekvo.

*– Ĉu vi kredas en la oportuneco de espo?*

Necesas ĝustigi pri kio temas. Se pri facileco de gramatiko, ktp., do mi ne kredas, sed scias ke ĉi fekaĵoj estas oportunaj. Sed se temas pri facileco trovi per espo tutmondan amikaron kaj tiumaniere oportune vivi, do mi kun ĉi tezo ne konsentas. Dum mia aktivula agado en la Movado mi havis multajn, kelkajn dekojn da korespondantoj, kaj nur kelkiuj el ili 'stis saĝaj kaj interesaj homoj. La alia, pli granda parto konsistis el gnomoj. 'Stas granda malfeliĉo por espo ke preskaŭ ĉiuj movadanoj estas gnomoj, kaj mankas magiistoj (aŭ etkvantas). Necesas ŝanĝi la ideologion de espo. Por «interna ideo» bezonatas propagandi la lingvon inter magiistoj kaj duondioj. Altiri ilian atenton al espo eblas per jenaj allogaĵoj: (a) Espon ne posedas iu unuso la popolo, do espon ne uzas magiistoj en siaj ritoj; male, nacilingvoj infektitas per la rita energio, do espo 'stas pura. (bo) Espo havas fortan okultan simbolon: pentagramon, ofte ĉirkaŭatan per ringo ('stas unika fenomeno: krom espo propran simbolon posedas nur Ido, kiu aspektas heksagrame, kiu laŭ saĝaj libroj pli malfortas). (co) Per espo magiistoj el diversaj landoj povos facile komunikiĝi, fari «framasonan komploton», komune laboronte okupi la tutmondan potencon kaj devigi gnomojn lerni espon. Poste konstrui subakvan urbon NOVA JERUSALEMO, kien translokiĝos ĉiuj magiistoj, por poste senbare neniigi ĉiujn gnomojn per neŭtrona bombo. Do, sur la Tero restos nur magiistoj. Ĉu aĉa ideo? Ĉu plaĉa?

*– Cetere, kiujn planojn?*

Sendi muzikon al ankoraŭ kelkaj kasedaj kompilaĵoj, registri sekvan albumon, koncerti plurloke en Ukrajnio kaj Rusio, sinornami per kolora tatuo, k.s. Mi planas eldoni anglalingvajn punkajn revuojn *Caught* kaj *Go West!*, kaj ruslingvan magazinon de psikedelia agreso *Iŝmakitizja*. Tiuj estas planoj; revoj multe pli grandiozas: koncertoj en famaj novjorkaj kluboj **CBGB** kaj **ABC NO RIO**, turneo tra Eŭropo kaj Japanio, gustumi kokainon, ktp.

*– Kun kiu vi kunlaboras en Espujo? (Ĉu Eurokka, UEA, UkrEA...?)*

Nun mi kun neniu kunlaboras, ĉar mi iom kabeis. Tamen planatas mia reveno al la Movado, sed mi pli emas interkontakti kun **Eurokka** ol stulte ĝisosti en **UEA** aŭ en iu landa asocio. Antaŭ l' kabeo mi kunlaboris kun **Asisti**, **Spirita Eldona Societo F.V. Lorenz**, **INOE**, Pacifista Movado **Tutmonde**, kaj **Asocio de Debilaj Espoj**, do eble ili same ĝuos mian agadon, samkiel movadoj de volapukistoj kaj idistoj, kiujn mi same lasis pro enuo. Sed mi tre dubas pri tio ĉi, ĉar mian tutan tempon forglutas tutmonda frataro de punkoj.

*– Ĉu vi scias pri Pigo-Studio de Volodja SOROKA?*

Scias mi.... Samideanoj, donu monon por kvin biletoj al Stockholm! Ni ĝin redonos kiam ni iĝos mondfamaj! Ha-ha-ha!

*– Ĉu progresos espo-muziko...?*

Progresos, se 'stos prestiĝe muziki espe. Se aperos multaj interesaj bandoj espaj, ŝokontaj bohemion kaj burĝojn. Se nacilingva gazetaro ĉiusemajne plendos kontraŭ la agresemo kaj detruemo de espaj rokfanatikuloj. Se en muzikvendejoj saman breton okupos **Metallica** kaj, ekzemple, **Piĉismo** aŭ **Bleka Forfikulo**. Do, tiam progresos. Dume, ne. Tamen, Piĉismo nune laboras por ŝanĝi ĉi situacion. Do, plie oportuniĝu en via fotelo, prenu botelon da vodko, kaj rigardu la venkon de espa muziko, organizitan fare de **Piĉismo**. Kredu nin! Restu viva, kanajlo!

# ĴAZAĴOJ

Ĵazumas por *ROK-gazet'*Aldo DE' GIORGI

## ĴAZMUZIKO: ARTO MISKONATA

Certe, en la tuta mondo eble ĉiu homo konas la vorton *jazz* (esperantlingve *ĵazo* aŭ *ĵazmuziko*). Sed kiomaj scias precize kio kaj kia ĝi estas kaj, precipe, per kio ĝi distingiĝas de la cetera muziko? Mi pensas ke malmultaj. Do mi klopodos iom klarigi la aferon.

Sed, eble, estas antaŭe utile rakonti koncize kiel tiu muzikformo estiĝis, kiel ĝi evoluis kaj dis- koniĝis. Do, estas sufiĉe sciate ke ĵazmuziko formiĝis, iom post iom, en la sudaj ebenaĵoj de Norda Ameriko, aparte en Luiziano kaj en ties ĉefurbo NEW ORLEANS. Kaj ke ĝi estis kreaĵo de la tiea, nigrula, eks-sklava kaj ĝenerale tre mizera loĝantaro, ekde la fino de la pasinta jarcento kaj en la komencaj jardekoj de la nuna. La unuaj ĝermoj de tiu muziko spureblas en la t.n. *work songs* {laborkantoj}, per kiuj la nigraj laborantoj en la kotonkampoj skandis la laborritmojn. La afrikdevenaj kotonrikoltantoj tiel ellaboris senscie ian miksaĵon de sia ennaskita, praa tendenco al forte ritmantaj kantoj (la afrika *tam tam*) kun la eŭropdevenaj, ĉefe anglosaksaj kaj religiprotestantaj, popolaj kanzonoj. Pli-malpli same okazis pri la t.n. *spirituals* {religiaj kantoj}, per kiuj la malfeliĉaj nigruloj esprimis kante sian mizeran vivkondiĉon, apelaciante kompaton kaj helpon al la Sinjoro. El tiuj embriaj muzikĝenroj naskiĝis, iom post iom, la unuaj formoj de ĵazmuziko, precipe la baza muziktemo de ĉiu estonta strukturo de ĵazo, la t.n. *blues* {bluso}. Ĝi estas origine tute aparta, tipa kantmelodio, kutime lanta kaj malĝojtema, kies ĉefa karakterizo estas la uzo de strangaj, ne nete precizaj notoj, la t.n. *blue notes* {blusnotoj}. Tio dependis de la fakto ke la afrikdevenaj nigruloj konis origine nur pentatonan (kvinnotan muzikskalon, kaj, por adaptiĝi al la eŭropdevena, sepnota skalo, ili uzis tiujn hibridajn, duontonajn notojn, kiuj ofte glitis de unu al la alia. (Kaj mi ne enpenetras ĉi tie en pli teknikajn detalojn, parolante pri la tria kaj sepa gradoj de la notskalo, uzataj en bluso indiferente laŭ maĵora aŭ minora tongamoj. Nek pri akordoj de sepa dominanto aŭ subdominanto, de antifonia strukturo, kaj similaj subtilaĵoj por specialistoj.)


**Louis Amstrong**

El tiuj unuaj, jam komence forte ritmataj kaj sinkopaj muzikkantoj, ĉe la komenco de nia jarcento formiĝis en NEW ORLEANS la unuaj muzikbandoj, kie aretoj da instrumentistoj kunmetiĝis por ludi tiun novan muzikformon, por ĝin proponi kie ajn: por vigligi festojn, por akompani funebrajn ceremoniojn, por dancigi samrasanojn en kelkaj fifamaj lokaloj de la bordelkvartalo **Storyville** en NEW ORLEANS.

Dirindas ke la unuaj instrumentludantoj de ĵazo (la etimologio de la vorto *jazz* estas tre malcerta) ne konis la muzikajn notojn kaj teoriojn, tial ili ludis nur parkere, sen ajna partituro, nur klopodante imiti la voĉnuancojn de la kantistoj. Kaj ĝuste el tiu nescio de la tradiciaj ludteknikoj fontis tiu nova revolucia maniero ludi kant- kaj dancmuzikon.

Jen do kie kuŝas, laŭ mi, la ĉefa diferenco inter la tradicia kaj klasika muziko kaj tiu enkondukita de ĵazo: ĝi konsistas precipe en la fakto ke en la unua, plej gravan valoron havas la komponaĵo, la skribita teksto, kiun la ludantoj devas klopodi kiel eble plej fidele interpreti,dum en ĵazo la originala teksto havas nur la rolon de gvidfadeno, sur kiu la ludantoj sin allasas libere al sia fantazio, kreante improvize ĉiam novajn akordojn, novajn harmonimiksaĵojn, kvazaŭ novan melodion en la baza melodio. Jen do, surmomenta improvizado estas (aŭ almenaŭ dumlonge estis kaj, laŭ mi, ankoraŭ devus esti) la plej distinga karakterizilo kaj diferencigilo de ĵazmuziko. Kaj ĝuste tiu esenca diferenco eble ne estas funde konata de ĉiuj. Ke improvizado estas frapa distingilo de ĵazmuziko estas facile rimarkebla se oni aŭskultas la diversajn diskoregistradojn de la sama muzikpeco fare de la sama



ensemblo; oni povas tuj konstati ke neniam ili estas tute same identaj.

Indas aldoni ke tiu nova maniero ludi kant- kaj dancmuzikon poste influis kaj modifis la tutmondan «leĝeran» muzikon (foje ankaŭ la «klasikan»). Jes, tiom grava estis improvizado ~ kaj tiom artisme lertaj tiuj surmomentaj variantinventistoj ~ ke mi povas liveri trafan ekzemplon. Jen: Precipe tuj post la Dua Mondmilito, fariĝis famaj, inter la ĵazfanatikuloj, la diskoj de la ensembloj nomitaj **Louis ARMSTRONG and His Hot Five** {L.A. kaj lia Varma Kvinopo} kaj **Louis ARMSTRONG and His Hot Seven** {L.A. kaj lia Varma Sepopo}. Kun tiuj nomoj registriĝis, fine de la dudekaj jaroj, pluraj dekoj da diskoj. Kaj dum longe mi estis konvinkita ke tiuj ensembloj reale ekzistis kiel regule kaj kune ludantaj grupoj. Do estis por mi preskaŭ ŝoke kiam mi eksciis ke tiuj bandoj neniam ekzistis en daŭra praktiko, ke tiuj bandnomoj estis nur surmomenta inventaĵo de la diskoproduktanto, kiu, de tempo al tempo, vokis la diversajn instrumentistojn por ke ili enregistru kune la diskojn. Jes, certe **Louis ARMSTRONG**, **Lil HARDIN**, **Earl HINES**, **Baby DODDS**, **Johnny DODDS**, **Kid ORI**, **Jimmy NOONE**, **Zutty SINGLETON**, kaj foje iuj aliaj, sin konis reciproke, kelkfoje iuj el ili estis ludintaj kune, sed ĉiu el ili estis tiam ludanta en malsamaj bandoj, en malsamaj lokoj. Kaj, vokitaj de la diskisto, ili retroviĝis kune nur dum la enregistraj seancoj, kie, post nur kelkaj provoj, ili improvize surdiskigis tiujn pecojn.

Aldonendas ke la pioniraj bandoj en NEW ORLEANS unue ludis (foje iom sovaĝe kaj tute senregule) per *kolektiva* improvizado; sed, baldaŭ, iuj pli dotitaj instrumentistoj elstaris en la grupoj, kaj tiel ĉiam pli enkondukiĝis la solludoj, kelkaj solistoj fariĝis famaj kaj gvidantaj. Inter tiuj mi jam citis **Louis ARMSTRONG**; multaj aliaj meritus mencion, sed tio forprenus tro da spaco (kaj cetere pluraj nomoj fariĝis famaj kaj diskonataj).

Kroman detalon mi deziras reliefigi. Mi jam diris ke la ritmo estas esenca en ĵazmuziko (ĝenerale du- aŭ kvartakta ritmo). Tiom ke, ekzemple, drumo estas eble la plej trafa kaj neanstataŭigebla inventaĵo por tiuspeca muziko. Kaj ĵazo heredigis ĝin al ĉiuj postaj dancorkestroj, kiuj simple ne estus imageblaj sen ĝi. Nur kiel kuriozaĵo mi aldonas ke, antaŭ ol kompleta drumo estis inventita, por takti la ritmon la unuaj ĵazludantoj uzis, precipe dum marŝantaj ludoj, nur tamburojn, aŭ eĉ la t.n. *washboard*, t.e. simpla ligna lavtabulo sur kiu la ludanto frapis la ritmon per la mano kaj per la fingrodorsoj.

Ankaŭ dirindas ke la unuaj ĵazbandoj estis formitaj de malmultaj instrumentistoj: ĝenerale korneto (poste trumpeto), klarneto, kaj trombono (kiuj konsistigis la melodian sekcion), plus tubbaso (poste kontrabaso), drumo, kaj, foje, piano, kaj banĝo aŭ gitaro (kiuj konsistigis la ritman sekcion). Nur poste envenis saksofonoj kaj aliaj instrumentoj. Kaj poste la grandaj orkestroj (fama tiu de **Duke ELLINGTON**), kiuj ludis skribitan, «aranĝitan» muzikon, kaj kie la improvizado estis rezervita al la dumludaj intervenoj de kelkaj solistoj.

Estus certe interese almenaŭ skize priskribi la (tumultan) evoluon de ĵazo post tiuj de mi krokizitaj pratempoj, almenaŭ citi la poste sinsekvintajn skolojn (*ragtime, boogie woogie, swing, bebop, cool, free, hard, soul,* ktp.), kaj mencii la korifeojn de tiu speciala, sensstimula, kaj sendiskute artisma muzikformo. Sed tio bezonus longan spacon. Tion mi pretas fari estonte, se la temo renkontos interesiĝon.

Sed unu lastan, ĝenerale ne tro konatan aspekton de la historio de ĵazo mi ŝa-tus evidentigi. Temas pri tio ke la vera, originala, kaj nemistifikita ĵazmuziko riskis tute malaperi. Fakte, depost kiam la aŭtoritatoj de NEW ORLEANS decidis fermi la lokalojn de la bordelkvartalo **Storyville**, kaj precipe post la ekonomia krizo 1929-30, la unuaj ĵazistoj estis devigataj migri aliloken, ekzemple al KANSAS CITY, ĈIKAGO, ĝis NOV-JORKO. Tiel la ŝoke nova muzikĝenro komencis diskoniĝi ankaŭ en aliaj partoj de Usono. Sed la bonmora, puritana, blankula publiko taksis la novan muzikon tro kruda, sovaĝa, maldeca. Sed ĝi posedis ian ekscitan stimulon, tial pluraj muzikŝatantoj ĝin akceptis, tamen klopodante ĝin modifi, dolĉigi, sensovĝigi, ĝin adapti al la tradiciaj gustoj de la dominanta kaj pruda blankularo. Tiam, en la tridekaj jaroj, komencis formiĝi pluraj blankulaj ĵazorkestroj, kiuj ludis ian siropigitan, klasikigitan «simfonian» muzikon, kiun ili kontrabandis en tuta Usono, kaj tuj poste ankaŭ en Eŭropo, kiel la sola, vera, kaj originala ĵazo. Tiam, ekzemple, triumfis la granda orkestro de «la reĝo de ĵazo» **Paul WHITEMAN**, kiu ludis muzikon kiu kun la vera ĵazo havis nur etan parencecon. La postrestintaj nigrulaj ĵazmuzikistoj tiam travivis mizerajn tempojn: pluraj estis devigataj ŝanĝi laboron, iuj vivetis malsatmigre, ludante en kelkaj malluksaj, periferiaj salonoj nur por nigruloj, aliaj devis adaptiĝi ludi la novan pseŭdoĵazon en la blankulaj orkestroj.

Kaj se la vera ĵazmuziko ne formortis tute, tion ni ŝuldas al kelkaj sagacaj muzikkritikistoj, al malmultaj obstinaj diskoserĉantoj, kiuj dum kaj post la dua mondmilito, remalkovris kelkajn iamajn, jam preskaŭ ne plu troveblajn diskojn, kie ili perceptis la artan diferencon inter la vera, originala ĵazmuziko kaj tiu lavange proponita de la usonaj diskoproduktantoj kaj de la koncertaranĝantoj. Kaj indas diri ke tiu merita remalkovro, kaj la sekva rediskonigo, estis faritaj precipe de du eŭropaj francaj muzikhistoriistoj: **Hugues PANASSIÉ** kaj **Charles DELONNAY**. La ĵazŝatantoj ŝuldas dankon al ili.



Duke Ellington

# RECENZO

Skarabas por *ROK-gazet'* Anna LÖWENSTEIN

## SOMERO DE AMO

**S**ummer of Love: *the Making of Sgt. Pepper*, de George MARTIN, kun William PEARSON. Macmillan, LONDONO, 1994.

Aŭskultante la unuan fojon la kvazaŭ klasikan akompanaĵon de la kanto «She's Leaving Home» {Ŝi forlasas nin} en la disko *Sergeant Pepper*, mi tuj pensis «Sed ĉi tion certe ne verkis la **Beatles** mem.» Tian akompanaĵon kapablus verki nur homo studinta la muzikan teorion, kiu scias komponi harmonie por pluraj instrumentoj. Tio starigis en mia menso la demandon: kiom efektive respondecis pri la kanto la fama kvaropo, kaj kiom da helpo ili ricevis de siaj geamikoj.

Preskaŭ tridek jarojn poste, respondon al tiu demando mi finfine trovis en la libro *Summer of Love* {Somero de amo}, verkita de la aranĝisto de la **Beatles**, **George MARTIN**. Leginte tiun libron mi komprenis ke kvankam **John** aŭ **Paul**, aŭ malpli ofte **George**, ja estis tiuj kiuj verkis la tekstojn kaj la melodiojn, kaj kiuj havis ĝeneralan ideon pri kiel devus soni la akompanaĵo de difinita kanto, **George Martin** estis la homo kiu helpis ilin realigi tiun ĝeneralan ideon kaj transformi ĝin de malklara sono en la kapo al io solida kaj aŭskultinda. Lia rolo efektive estis ne malpli grava ol ilia, kaj sen li, *Sergeant Pepper* sonus tute alia.

Bona priskribo de ilia labormetodo troviĝas en la ĉapitro pri la verkado de la kanto «Strawberry Fields» {Fragejoj}. (Tiu kaj «Penny Lane» estis celitaj por *Sergeant Pepper*, sed ili estis eldonitaj anticipe kiel aparta disketo por kapti la kristnaskan merkaton en la fino de 1966.) Ĝi estis verkita de **John LENNON**, kiu unue aŭdigis ĝin al **George MARTIN** en novembro 1966, akompanante sin per gitaro. Martin tuj enamiĝis al la kanto. «Kian aranĝon vi deziras?» li demandis. «Mi kredis ke tion vi diros al mi!» John respondis, ridante.

La sola definitiva ideo de John estis tio ke li volas uzi la *Mellotron*, specon de primitiva sintezilo kiu uzis registraĵojn de veraj instrumentoj funkciigatajn de klavaro. La **Beatles** alvenis por la unua sesio sen preta aranĝo: ili intencis ellabori ĝin surloke en la registrejo. **John** ludis la klasikan gitaron, **Paul** la melotronon, **Ringo** kompreneble la tamburojn, kaj **George** la elektran gitaron. **John** kantis, sed li ne estis kontenta pri sia voĉo, do li petis **Martin** plibonigi ĝin. Tial **Martin** iom altigis la rapidecon de la bendo dum la registrado, tiel ke je reludado je normala rapideco, la voĉo sonis pli malalte je unu duontono, sed ankaŭ pli varme kaj raŭkete.




La **Beatles** laboris super la kanto dum tri tagoj, kaj je la sepa provo ili konsideris ĝin perfekta. Unu semajnon poste, tamen, **John** diris al **Martin** ke li ankoraŭ ne estas absolute kontenta. La kanto ankoraŭ ne estas ĝusta: li aŭdas en sia kapo tion kion li deziras, sed ne scias kiel realigi ĝin. Li volis rekomenci de la komenco, kaj cetere, li volis aldoni kordajn kaj latunajn instrumentojn. **Martin** estis surprizita, sed estis same grave por li kiel por **John** mem doni konkretan formon al tiu nekaptebla ideo kiu ŝvebis en ties cerbo. Intertempe **George HARRISON**, kiu tiutempe studis la hindan muzikarton, portis al la registrejo hindan tabloharpon, kiu aldonis nedifineblan elementon al la etoso de la kanto.

Necesas en ĉi tiu punkto diri kelkajn vortojn pri la relative primitivaj registriloj kiujn oni tiutempe uzadis. Nuntempe por la registrado de muziko je profesia nivelo, oni uzas maŝinojn kaj bendojn kiuj povas okupiĝi samtempe pri kvardek ok paralelaj trakoj. Tio signifas ke ĉiu voĉo aŭ instrumento havas sian propran trakon, kaj ke se necesas ŝanĝi aŭ aldoni ion, oni faras tion sur aparta trako, sen la risko tuŝi tiujn jam registritajn.

*Sergeant Pepper*-on, aliflanke, oni registris en la 60-aj jaroj, uzante maŝinon nur kvartrakan. Necesis uzi la trakojn tre ekonomie, sen la ebleco apartigi la instrumentojn. Sur la unua trako, ekzemple, oni registris samtempe la tamburojn, la melotronon, kaj la marakojn ludatajn de **George**. Se iu eraris, necesis refari la tuton. Eble tio tamen ne estis tute malpozitiva, ĉar ĉiuj sentis la devon ludi kiel eble plej bone, por ne fuŝi la kontribuon de la aliaj. Pleniginte ĉiujn kvar trakojn, ja ekzistis la ebleco rekopii la tutan sur la unuan trakon de nova bendo (aŭ sur la unuajn du trakojn, por ke ĝi aŭdiĝu stereofonie). Sed tio estis truko kiun oni malvolonte uzis pli ol unu fojon en unuopa kanto, ĉar je ĉiu kopiado pliiĝis la fona bruo.

**George Martin** nun havis la



taskon verki la partojn por la instrumentistoj petitaj de **John**. Li sciis ke oni ne povas atendi ke klasikaj muzikistoj improvizu kiel popgrupo. Li mem decidis pri kvar trumpetistoj kaj tri violonĉelistoj. La violonĉeloj devis ludi unuvoĉe, kaj la trumpetoj aŭ kune aŭ laŭ simplaj trinotaj akordoj. Sed estis problemo: tradicia muziko estas verkita laŭ tre rigora takto. **John** sciis nenion pri muzika teorio, kaj liaj ritmoj simple sekvis tiujn de la parola lingvo, kiuj neniel rilatis al la regula takto atendata de la sep muzikistoj. Estis ege malfacile por ili sinkronigi siajn partojn laŭ la materialo jam registrita sur la bendo.

Ekzistis nun tiom da registraĵoj de la baza kanto (dudek entute!) ke **John** ne povis decidi kiun li preferas. El ĉiuj li favoris la pli trankvilan version de la unua semajno ~ provon numero 7 ~ kaj la pli potencan version kun la violonĉeloj kaj trumpetoj ~ provon numero 20. Tute nekonscia pri la praktikaj malfacilaĵoj, li petis **Martin** kombini ilin, komencante per n-ro 7 kaj finante per n-ro 20.

«Brile!» respondis **Martin**. «Estas nur du problemoj: la du provoj estas en malsamaj tonaloj, kaj kun tute malsamaj tempoj. Krom tio, la afero devus esti tute simpla!»

«Nu, **George**,» **John** respondis trankvile, «vi certe povos solvi tion, ĉu ne?»

Unue **Martin** simple ĝemis. Sed poste li havis ideon. La instrumenta versio estis notinde pli rapida ol la alia, kaj ankaŭ unu tonon pli alta. Se li malrapidigus la bendon, tio ne nur ŝanĝus la tempon sed ankaŭ malsuprenigus la sonalton. Kun la helpo de siaj teknikistoj, li provis ~ kaj efektive la afero funkciis. La lasta problemo estis kiel kunligi la du versiojn.

Estis paŭzeto post la unua minuto de la kanto, kaj tie oni kunglui la du bendojn.

Laŭ **Martin**, tiu kungluaĵo ĉiam ĝene elstaras por li, sed ŝajne neniu alia rimarkas ĝin. Mi mem serĉis la koncernan punkton. Efektive estas paŭzeto post la unua minuto de la kanto, sed eĉ sciante, mi ne aŭdis diferencon inter tio kio venis antaŭe kaj tio kio sekvis.

Restis unu lasta detalo por perfektigi la kanton. En la fino de la instrumenta versio, la ritmo tute disfalis, do la lasta parto ŝajnis neuzebla. Tamen ĝi enhavis kelkajn pecetojn kiujn **Martin** aparte ŝatis. Li decidis mallaŭtigi la bendon ĝis nulo tuj antaŭ la punkto kie la ritmo iĝis neakcepteble konfuza, kaj tiam relaŭtigi ĝin por kapti la gloran finalon. Kaj tion oni faris.

Ĉi tiu priskribo jam klare montras kiom **George Martin** mem kontribuis al la fina versio de «Strawberry Fields». Eĉ pli aktive li partoprenis en la verkado de aliaj kantoj en *Sergeant Pepper*. Estis li, ekzemple, kiu kreis la gurdecan akompanaĵon al «For the Benefit of Mr. Kite», kunmetante bendojn de veraj gurdoj tranĉitajn kaj rekungluitajn laŭ hazarda vicordo.

Li estas ankaŭ tiu kiu direktis la 41-pecan orkestron por krei la eksterordinaran klimaksegon en la fino de «A Day in the Life». La ideo estis de **Paul**, kiu sugestis ke ĉiuj instrumentoj komencu samtempe per sia plej malalta, mallaŭta noto kaj grimpu, grimpu ĝis sia plej alta kaj laŭta. Kun iom da hezito, **Martin** akceptis tiun ideon; kaj estis li kiu verkis la malmultajn mezurojn kiuj kunligas la klimakson kun la antaŭa parto, kaj kiu donis al la muzikistoj la necesajn instrukciojn.

Eble ni devas danki **George Martin** ne nur pro lia propra, certe ne sensignifa kontribuo al *Sergeant Pepper*, sed ĉefe pro tio ke li havis la kuraĝon subteni la **Beatles** kiam ili volis elrompiĝi el la ŝablono kiu jam portis al ili tiom da sukceso, por fari ion tute novan. La plejmulto da diskokompanioj, kiel li klarigas en sia libro, interesiĝas pri nur unu afero: la profito. Se muzikisto famiĝas pro sukcesa disko, iii deziras nur tion ke li/ŝi sekvigu ĝin per alia, pli-malpli sama. Sed muzikistoj havas aliajn ideojn: ili volas lerni kaj evolui. La **Beatles** laboris dum kvin monatoj super *Sergeant Pepper*, kaj dum tiu periodo **George Martin** havis plurajn streĉajn diskutojn kun siaj superuloj ĉe la diskokompanio **EMI**. Pro lia insisto, la **Beatles** ricevis la eblecon ĉesi esti simplaj sed aparte sukcesaj popsteluloj, kaj iĝi veraj muzikistoj. Bonŝance ili neniam seniluziigis lin.

«En la komenco de ilia kariero,» li klarigas, «estis mi kiu donis la ordonojn ~ precipe dum pli-malpli la unua jaro. Ĝis ni atingis *Pepper*, tamen, tio ne plu validis: mi havis multe pli la rolon de kunlaboranto. Iliaj ideoj elŝprucis dense kaj rapide, kaj ili estis brilaj. Mia sola kontribuo estis helpi ilin igi la ideojn realaj.»



Paul, George, Ringo, George Martin, kaj John



# AFRIKA MUZIK-ANGULO

***Tamtamas Flo!***

mero ni havas plezuregon prezenti al vi novan rubrikon. El Afriko ni pli kaj pli ricevas novaĵojn, informojn, petojn, ktp. Tio montras ke muziko kaj espo bone akordas harmonie, alportante ion novan kun varmaj afrikecaj ritmoj.

Ĉisekve diversaj informoj prezentas la nunan situacion, malgraŭ la gravegaj problemoj kiujn travivas diversaj afrikaj popoloj.

## ESPERANTO-FOLKLORAKLUBO

**Makuanzi Diba HONOVA** starigis antaŭ kelkaj monatoj sidejon por muzikinformo, kiu nomiĝas **Esperanto-Folklora Klubo**. Ĝi situas en Strato Bibua n-ro 63 en N'dĵili-kvartalo 1. En la sidejo okazas muzikekzercado de muzikistoj, kaj espokursoj por muzikistoj kaj gejunuloj.

Por perfektiĝi kaj atingi siajn celojn, **Esperanto-Folklora Klubo** bezonas informojn pri espomuziko, kaj kontaktojn kun asocioj. Ili bezonas gazetojn kaj librojn por legi kaj praktiki la Internacian Lingvon. Ili ŝatus ricevi ankaŭ espomuzikaĵojn en kasedoj.

Kontakto:

**Makuanzi Diba HONOVA**
**B.P. 16274**
**KINSHASA 1**
**Zairo**



[ Dum ekzercado, maldekstre Honova]

## ESPERANTO-KLUBODE BARADI

**Alfonso** kaj la gejunuloj de la **Esperanto-Klubo de Baradi** ŝategas muzikon kaj espon. **Alfonso** nome de la klubo petas subtenon de pagpovaj espistoj.

Ili bezonas lernolibrojn, legolibrojn, gazetojn, kaj espomuzikajn kasedojn. Kontakto:

**Alphonse B. TEMBA**
**N.B.C.**
**Box 2**
**BARADI**
**Shinyanga**
**Tanzanio**

## ESPERANTAJ KANTOJ EL ZAIRO

Malgraŭ la malfacilegaj vivkondiĉoj en Zairo, **Mayoma** sukcesis surbendigi du espokantojn helpe de usona amiko. Li serĉas produktiston por eldoni espalbumon.

Ni proponis al **Mayoma** partoprenon en *Vinilkosmo-Kompil'* Vol. 2 per unu el la du surbendigitaj kantoj; ni atendas konfirmon.

Do eble baldaŭ vi povos malkovri unu el la unuaj afrikaj muzikproduktaĵoj. Proponojn kaj informojn sendu al:

**Mayoma DIANKEMBO**
**B.P. 152**
**KINSHASA 7**
**Kinshasa**
**Zairo**

## ĈU AFRIKA REPO EN ESPERANTO?

**Edmondo («Espero») UZZIEL** migris el Centra-Afriko al Germanio. Li ŝategas muzikon; li estas regeulo kaj serĉas kontaktojn kun junaj espomuzikistoj en Eŭropo kaj precipe en Germanio, kie li loĝas nun. Li lernas la germanan kaj krom espon li parolas la anglan kaj la francan. Eblas kontakti lin jene:

**Edmondo («Espero») UZZIEL**
**Dorfstr. 8**
**DE-97840 HAFENLOHR-WINDHEIM**
**Germanio**

## KOMISIITO PRI AFRIKA AGADO STARIGIS AFRIKAn ESPEROn

De antaŭ du jaroj **Louison YAMBUKA** el Zairo migris al Germanio. Li estas komisiito de **UEA** pri **Afrika Agado**. **Louison** starigis kun du aliaj afrikaj muzikistoj espoafrikan muzikgrupon, nome **Afrikan Esperon.**

En la grupo estas **Louison YAMBUKA** (tamburisto, kantisto), **Dennis Rock TAMBA** (gitaristo, kantisto), kaj **Ben MAMADOU** (tamburisto, kantisto).

**Louison** kaj **Dennis Rock** komencis ludi muzikon en 1988 en Zairo. Tiam la grupo konsistis el **Zhou Mack (Tufuene MAFUILA)**, **Dennis Rock**, **Louison**, kaj **Roger NGOMA**. Jam dekomence, ili havis riĉan propran verkaron de espokanzonoj, sed bedaŭrinde pro financaj malfacilaĵoj ne eblis al ili surbendigi ion. Pro socipolitikaj problemoj kaŭzitaj de la diktatora regno en Zairo, pluraj el ili fuĝis kaj tiel ili ne povis bone evolui.

En 1993 **Louison** kaj **Dennis Rock** hazarde renkontiĝis en Germanio; de tiam ili rekomencis ekzercadi. La 10-an de decembro 1993 fondiĝis **Afrika Espero**. Ili ludas akustike regeon kaj modernan afrikan muzikon (rumbon). La triopo ofte koncertas en Germanio, kaj laŭ diroj, **Afrika Espero** estas etosiga. Ili estas pretaj por koncerti en esparanĝoj, renkontiĝoj, aŭ kongresoj en tuta Eŭropo. Ili planas produkti kaj eldoni unuan albumon 6-titolan. Ili finpretigis DAT-kasedon kaj serĉas monon por ĝin produkti. Informoj haveblas ĉe:

**Louison YAMBUKA RAMAZANI**
**Heinitzstr. 28**
**DE-58097 HAGEN**
**Germanio**



[Fotode dekstre: Dennis Rock, Ben, kaj Louison]

## ZHOU MACK kaj TEMPO

Eble vi ankoraŭ memoras pri **Zhou Mack (Tufuene MAFUILA)**: ni prezentis lin en pasintaj numeroj de *ROK-gazet'*. Li estas tiu zaira muzikisto kiu starigis la unuan afrikan espomuzikbandon en KINŜASO, en kiu ludis ankaŭ **Louison YAMBUKA**.

Antaŭ kelkaj jaroj, ankaŭ li fuĝis la neelteneblan situacion en sia lando kaj alvenis en la parizan regionon (Francio). Komence li devis solvi multajn personajn problemojn, kaj post monatoj li serĉis muzikistojn por starigi novan afrikan muzikbandon. Post longa esploro tra la muzika medio en la pariza regiono, li sukcesis renkonti tre bonajn muzikistojn, kun kiuj li nun muzikas.

**Zhou Mack** sukcesis ilin interesigi pri espo kaj sukcesis konvinki ilin ke la grupo kantu en espo. Tiucele ili preparas serion de projektoj por prezenti sian muzikon ĉe espista, sed ankaŭ ĉe neespista publiko. Ili volas montri al espistoj ke eblas fari belan muzikon en espo, kaj alporti ion novan al la neespistaro, kio povas plaĉi al ili kvankam la lingvon ili ne konas, enkondukante tiel diskonigon favore al espo.

**Zhou Mack** rakontas: «En mia muzikista vivo, mi havas multajn okazojn renkonti eminentajn muzikistojn el diversaj landoj, kun kiuj mi diskutas, kaj ĉiam mi profitas la okazon por paroli pri espo kaj la bezono de neŭtrala komunikilo, kio tre gravas por muzikistoj. Mi konstatis ke inter diverslandaj muzikistoj ekzistas lingvaj bariloj kiuj malaperus se ili uzus espon kiel helplingvo.»

La muzikgrupo kiun li starigis nomiĝas **Afrika Muzik Angulo**

La grupo multege ekzercadis por pretigi kvalitan repertuaron kaj por ke la koncertoj estu kvazaŭ magiaj spektakloj. Nuntempe ili laboras por surbendigi, esperante ke ili trovos produktiston.

Ankaŭ al tiu afrika muzikbando estas proponita partopreno en *Vinilkosmo-Kompil'* Vol. 2. Espereble tiu dua volumo povos speguli tiun kreskantan afrikan espomuzikon, kiu iom post iom ludas gravan rolon en la espokulturo.

**Afrika Muzik Angulo** estas preta koncerti en kiu ajn esparanĝo, kaj povos eĉ interesi neesporganizantojn por festivaloj kaj koncertoj. Onidire, spektantoj estas ravitaj pro la spektaklo. Sendu proponojn kaj petu informojn ĉe:

**Tufuene Mafuila (Zhou Mack)**
**P/a Agence TEMPO**
**1 rue Edmond Bonté**
**FR-91130 Ris-Orangis**
**Tel: + 33 1 69 06 61 82**
**Faks:+ 33 1 69 43 63 90**

## WINDOPLANE MAN

Eble vi jam legis pri **Windoplane Man**: temas pri afrika muzikisto kiu starigis muzikgrupon. Li estas espista komencanto kiu ekverkis espokantojn.

La grupo ekzercas multe kaj serĉas produktiston por eldoni albumon; jam pretas demokasedo [kiun ni ĝis nun ne ricevis ~ Ndlr].

Li kaj la muzikistoj kiuj akompanas lin ŝatus aŭskulti diversajn espomuzikajn produktaĵojn por kultivi siajn konojn pri espokulturo.

Kontakto:

**Oumarou**
**MBATAKOUTCHA**
**«Windoplane Man»**
**B.P. 7684**
**DOUALA**
**Kamerunio**



windoplane

# DOSIERO: FAŜISMAJ BANDOJ



Enkondukas Joĉjo:

# BOJKOTON!

## KIAM MUZIKO DISVASTIGAS FAŜISMON...

Hispanaj gejunuloj el la **Liberecana Espo-Junularo** havigis al *ROK-gazet'* dosieron kaj propagandilon pri la fenomeno de faŝismemaj rokbandoj (el kiuj iuj sufiĉe famaj) kiuj aktivas en pluraj landoj.

Diskriminaciaj tekstoj, subteno financa kaj aliforma al faŝismaj organizoj, instigo al rasisma perforto - iuj rokbandoj tiel agadas cele al «cerblavado» al gejunuloj kiuj aĉetas iliajn diskojn kaj spektas iliajn koncertojn. La **Liberecana Junularo** kontraŭas ilin, inkluzive de tiuj kiuj agadas sekrete (per nedeklaritaj mondonacoj al rasismaj, eĉ novnaziismaj bandoj, ktp.).

Do, jen artikolo kiun verkis **Fokomelo**, kies celo estas informi la legantojn de *ROK-gazet'* pri tiu ĉi netolerebla netolereco en muziko....

Faŭkas Fokomelo:

## LA NAZIAJ ROKBANDOJ

Je la reapero de faŝismo tutmonde en novaj formoj, oni serĉis manieron por propagandi plej efike inter la gejunuloj por disvastigi rasismajn, militismajn, kaj perfortajn ideojn. La solvo estis rokmuziko.

Faru ni iom da historio kaj retroiru ĝis la jaro 1967. Tiam en Britio kaj dank' al la jamaikaj enmigrintoj kiuj kunportis sian muzikon, naskiĝis la «**razkapula**» (*skinhead*) movado. Oni povis aŭdi ĝian muzikon, skao, en la proletaj kvartaloj de Britio ĝis la jaro 1971, kiam ĝi preskaŭ malaperis. Sed venis 1977 kaj la punkoj. Denove aperis ĉe la stratoj razkapuloj, sed ne nur kun **skao** aŭ **regeo**: la influo de punko donis novajn ritmojn, **oj**-muzikon. Sed ankoraŭ daŭris la proleta karaktero de la movado. Kiam la punkoj malfortiĝis komence de la jaroj 80, same faris la oj-movado. Tiam profitis la okazon la **Nacia Fronto** (*National Front*) por enŝoviĝi ene de la movado kaj tiel manipuli tiun parton de le gejunula movado. Tion oni povis vidi dum la tumultoj de 1983. Ekde tiam ekzistas «**ruĝaj**» **razkapuloj** (*redskins*), **naziaj razkapuloj**, kaj sendependaj **razkapuloj**.

Ni jam vidis la unuajn manovrojn de la faŝistoj, kaj ekde tiam la afero estis pli facila por ili. La **nazioj** intermiksiĝas kun huliganoj (*hooligans*, futbalaj fanatikuloj) kaj iom post iom rilatiĝas razkapuloj al faŝismo. De la futbalejoj oni propagandas kaj komencas krei reton de fangazetoj, drinkejoj, distribuejoj, kaj eldonejoj tute ligitaj al naziaj partioj. Komencas aperi ankaŭ la unuaj rokbandoj kun tekstoj klare rasismaj kaj faŝismaj. Ekzemple:

> La *Fürher* revenos
> kaj ni denove ekflamigos la fornojn
> kaj pretigos la *Zyklon B*
>
> (El la kanto «Zyklon B» de la nazia
> bando Aurillac el Alto Palo).

Tiu kiu ne estas «faŝulo» malmulte konos pri tiuj rokbandoj. Ili ne muzikas publike kaj distribuas diskojn perpoŝte. La faŝuloj starigis kaŝitajn retojn por organizi koncertojn kaj distribui produktaĵojn, informilojn, ktp. Ĉar la aŭtoro de tiu ĉi artikolo ne estas faŝista kaj sekve ne konas la kaŝitajn retojn, tiu ĉi teksto estas nur skizo kiu klopodas montri nur la videblan parton de la amplekseco de tiu movado. Ĉiam memoru ke tiu muzika movado interplektiĝas kun naziaj kaj faŝismaj organizoj kaj partioj (**National Front**, **Front National**, **MSI**, **Republikaner**, **TAP**, ktp.).

En Usono, bandoj kiaj **Agnostic Front**, **Cro-Mags**, **Crumsuckers**, kaj **Stormtroopers of Dead** koncertas kun la usona flago kun sloganoj kiaj: «Usono: amu ĝin aŭ forlasu ĝin!». Ili deklaras sin profunde kontraŭkomunismaj, kaj oni scias kion signifas tio en Usono. Kun ili rilatas **Ku-Kluks-Klano.**

En Britio, la **Nacia Fronto** ricevas 10%-ojn de ĉiuj profitoj de diskovendoj aŭ koncertoj de bandoj kiaj **GBH** aŭ **The Exploited**. Ankaŭ **Screwdriver** rilatas kun tiu partio kaj estas unu el la plej aktivaj bandoj, konsiderante sin la teorianto de la movado. Tiu lasta bando sukcesis eldoni amason da diskoj, kiujn ili disdonas kiel propagandiloj. Jen kelkaj titoloj: «Europe Awake» {Eŭropo veka}, «We've got the Power» {Ni havas la potencon}, «Warlord» {Militestro}, «Rising» {Leviĝanta}, «Strike Force» {Frapskadro}, «Great Britain» {Granda Britio}, «White Power» {Blank(ul)a potenco}, «Blood and Honor» {Sango kaj honoro}, «Fighting for Race & Nation» {Batalante por raso kaj nacio}.

Estas konataj ankaŭ **Condemned 84** («Face the Aggression») {Alfrontu agreson}, **No Remorse** («Adolf Hitler Was Right» {Adolf Hitler pravis}, «Aryan Nation» {Arja nacio}, «White Unity» {Blank(ul)a unueco}, «Invisible Empire» {Nevidebla imperio}), **Battle Zone** («Nowhere to Ride» {Nenien iri}), **Brutal Attack** («Tales of Glory» {Rakontoj pri gloro}) kaj **Paul Burley and the Fourth Reich.**

Germanio estas lando kie plej ofte okazas faŝismaj koncertoj kun eksterlandaj aŭ lokaj bandoj: **Radikahl**, **Sieg**, **Störkraft**, **Violent Storm**, **Tension Friends**, kaj **Division 250**.

En Francio ekzistas **Légion 88** («Légion Blanche» {Blanka legio}), **Fighting Action**, **Bunker 84**, **Brutal Combat**, **Skins Corps**, **SNIX** («Europe»), **Evilskins**. Ĉilasta havas fangrupon nomita **Zyklon Army**, kiu akompanas ĝin en turneoj.

En Italio estas **Peggior Amico** («Diritto di marciare» {Rajto marŝi}), kaj en Hispanio ekzistas **Estirpe Imperial**.

Fine menciendas la ekzisto ankaŭ de kolekto de almenaŭ kvar diskoj kun titolo **Gods of War** {Militdioj}, sed mi ne povas doni pli da klarigoj.

La koncertoj de tiaj bandoj havigas profitojn al faŝismaj partioj kaj samtempe estas uzataj kiel politikaj kunvenoj por plifortigi la naziulojn.

Sed ne ĉio iras glate por ili. En aprilo 1989 estis organizita koncerto en MAREUIL-SUR-ARNON (Francio). Sabate, kvindek **razkapuloj** eniris la dancejon kaj ebriiĝis. Post tio ili eksciis pri la ekzisto de **romaoj** (ciganoj) en la vilaĝo, kaj tuj ekserĉis ilin. Atakite, la **romaoj** uzis ĉaspafilojn por defendi sin. Oni trovis tri kadavrojn de **nazioj**. En VALENCIO (Hispanio) estis organizita la 14-an de marto 1992 «koncerton por la defendo de la raso». Dumkoncerte **naziuloj** batalis inter si, kaj antaŭ tio kelkaj **naziuloj** estis atakitaj de **kontraŭfaŝistoj**. En Meksiko, la 8-an de aŭgusto 1993, estis atakita koncerto de **The Exploited**. La bando devis forlasi la koncertejon dum la polico atakis la manifestantojn. En Brazilo estis bojkotita ĝia turneo.

Reago jam ekis.



Jen listo de **naziaj rokbandoj**. Ilia muziko estas diversstila (ĉefe punko, ojo, metal-roko) kaj povas plaĉi al vi. Sed memoru ke ili estas nur fiuloj kiuj utiligas rokmuzikon por brutigi gejunulojn ~ reagu kaj kontraŭu ilin.

Traduku kaj publikigu, multobligu tiun ĉi tekston.

Helpu por bojkoti kaj detrui iliajn malamigajn propagandilojn.

Donu al ili neniun eblecon, antaŭ ol ili fordetruos nin ĉiujn!

## BOJKOTO KONTRAŬ LA JENAJ NAZIAJ ROKBANDOJ

Agent Bulldog (Usono)
Agnostic Front (Usono)
American Eagle (Usono)
At War (Svedio)
Battle Zone (Britio)
B. Justice (Kimrio)
Blood and Honour (Francio)
Body Checks (Germanio)
Boots Brothers (Germanio)
Bound for Glory (Usono)
Brutal Attack (Britio)
Brutal Combat (Usono)
Brutal Verschimmelt (Germanio)
Bunker 84 (Francio)
Burzum (Norvegio)
Celtic Dawn (Francio)
Chauves Pourris (Francio)
Combat 84 (Britio)
Combat Rune (Katalunio)
Condemned 84 (Britio)
Control Natal (Kolombio)
Cotzbrocken (Germanio)
Cro-Mags (Usono)
Crumsuckers (Usono)
Cynic Klan (Katalunio)
Der Fluch (Germanio)
Die Allierten (Germanio)
Dirlewanger (Svedio)
Division 250 (Katalunio)
Division 5 (Svedio)
El Klan (Katalunio)
Endstufe (Germanio)
English Rose (Britio)
Estirpe Imperial (Hispanio)
Evil Skins (Usono)
Ex-Cess (Jugoslavio)
Fasaga (Germanio)
Fight Action (?)
Final Solution (Usono)
Foierstoss (Germanio)
Force de Frappe (Francio)
Force d'Impact (Francio)
Fuerza Joven (Hispanio)
G.B.H. (Britio)
G. Comitee (Jugoslavio)
G. Samsa (Jugoslavio)
Gods of War (Usono)
Half Life (Usono)
Haos (Jugoslavio)
Hitler SS Panzer Division (Rusio)
Holocausto (Brazilio)
Honor (Polio)
Intolleranza (Italio)
Iron Cross (Usono)
Kachforf (Germanio
Klansmen (?)
Kroiz Fronten (Germanio)
Legion 88 (Francio)
M.A.F. (Germanio)
M.O.T.U. (Finnlando)
Mr. Joint (Jugoslavio)
Nabat (Italio)
Nordic Thunder (Usono)
Nordland (?)
No Remorse (Britio)
No Surrender (Britio)
Oberste Heeresleitung (Germanio)
Oiffensive (Francio)
Pantera (Usono)
Paul Burley and the Fourth Reich (Britio)
Peggior Amico (Italio)
Radikahl (Germanio)
Ritam Nereda (?)
Ruhrpott Rejects (Germanio)
Sacrilegeous (Finnlando)
Section 5 (?)
Sieg (Germanio)
Skin Korps (?)
Skrewdriver (Britio)
Skullhead (Usono)
Snix (Francio)
Sociedad Violenta (Kolombio)
Stab (Italio)
Strawdogs (Britio/Usono)
Stormtroopers of Dead (Usono)
Stormwatch (Usono)
Störkraft (Germanio)
Stosstrup (Germanio)
Sudden Impact (Usono)
Squadron (?)
Swastika (Svedio)
Tension Friends (Germanio)
The Allegiance (Britio)
The Exploited (Britio)
Tonstorung (Germanio)
Trietbtaber (Germanio)
Type O Negative (Usono)
Ultime Assault (Francio)
Vanguard (Usono)
Vengeance (Usono)
Violent Storm (Germanio)
Vit Agression (Svedio)
Volks Gang (Francio)
Vorkriegshase (Germanio)
Vrisak Generacije (Jugoslavio)
Warzone (Usono)
White Diamond (Usono)
Youth Defense League (Usono)
V Colonne (Francio)

Ni dankos aldonojn kaj korektojn al tiu ĉi listo.









# ROKAĜADO

**Kompilis Flo!**

## INTENSA MUZIKO POR KVIETULOJ

### *AMIKECO KAJ RESPEKTO*

**La Libera Asocio** konsistas el kultura organizo el GIMONT (urbeto en sudokcidenta Francio) fondita komence de 1993. Ĝi aktivas por organizi «alternativajn» kaj malmultekostajn koncertojn kun muzikbandoj grinckoraj, krustkoraj, traŝkoraj, aŭ mortmetalaj ~ por resumi: rapidegaj kaj bruaj muzikoj kun kantoj kies ideoj havas tendencojn pacifismajn, liberecanajn, kaj spiriton kontraŭkomercan.

**La Libera Asocio** kontraŭstaras la perfortojn kiuj okazas tro ofte dum koncertoj inter malrespektema dancanta spektantaro (traŝdanco), kiu liberigas sian malamon lanĉante ĉirkaŭ si pied-, pugno- kaj kubutbatojn, saltante sur gehomojn kiuj venas por aŭskulti la muzikon.

Estas petate al la homoj kiuj venas al la koncertoj ke ili respektu unu la alian ~ eblas amuziĝi kaj danci sen perforto. Aŭskulti interesan, intensan muzikon ne estas sinonimo de brutaleco. **La Libera Asocio** koncertigas bandojn kies tekstoj estas nek rasismaj, nek faŝismaj, nek seksismaj, nek homofobaj.

La membroj de ĉi tiu organizo estas konvinkitaj ke:

~Armeo instigas militon, subpremon, kaj mizeron.

~La valoroj de tiaj militismaj institucioj estas escence malbonaj (naciismo, diktaturo, glorigo de brutala perforto kaj malamo).

~Armeo estas faktoro de nesekureco por la popoloj (la celo de armeo ĉiam estis masakri popolojn) kaj por la individuoj (multaj krimoj dum paca perido estas plenumitaj de eksmilitistoj).

~Gravas diskonigi kio estas militservorifuzo, kiu estas laŭleĝa maniero por ne lerni mortigadon. (**La Libera Ascio** kaj simpatiantoj ne volas lerni kiel mortigi, nek mortigi iun, kaj rifuzas submetiĝon.)

Pro tio, kiam eblas dum okazaĵoj, ili pretigas informbudojn kun informiloj, gazetoj, diskoj, kasedoj, kaj fangazetoj eldonitaj de diversaj aktivulaj organizaĵoj. Ofte ili disdonas ankaŭ al liceanoj kaj studentoj informilojn kontarŭmilitismajn kaj favore al militservorifuzo, kaj elsendas en la alternativa tuluza radiostacio **Kanalsud'** (92.2 MHz).

Plejparto de la homoj en tiu ĉi movado, kaj kelkaj el la muzikgrupoj, estas vegetaranoj aŭ vegetalianoj, nek fumas, nek drinkas, nek surmetas ledaĵojn (vestojn, ŝuojn el ledo), ĉar ili ne volas mortigi bestojn, kaj ili rifuzas militservi.

Organizi koncertojn estas por ili bona rimedo por diskonigi tiajn ĉi ideojn.

Grupoj de tiu ĉi alternativa subgrunda movado devenas de multaj landoj, kiaj: **Intestinal Disease, Mugges, Corpus Christi, Agathocles, Hiatus** (Belgio); **Six Feet Over, Enola Gay, Vomit Yourself, Scraps** (Francio); **Health Hazard, Kitchener, Active Minds, Doom, Disaffect** (Britio); **Divine Eve, Arsedestroyer, Way Cum** (Svedio); **Selfish, Xysma** (Finnlando); **HHH, Psychotic Noise** (Hispanio); **Deformed Conscience, Drop Dead** (Usono); **Disclose** (Japanio), **Fleas and Lice** (Nederlando), **Inkisiçao** (Portugalio), **Seven Minutes of Nausea** (Aŭstralio), ktp.

Krome, paralele **La Libera Asocio** eldonas fangazetojn *Reality of War* («Milita Realo»), *Bruit* («Bruo»), ktp., kaj funkciigas kasedeldonejon-distribuejon **Utopia Tapes**.

Interesitoj pri la aktivaĵoj de **La Libera Asocio**, aŭ tiuj kiuj intencas starigi similan projekton, kontaktu (france, angle, aŭ esperante):


**La Libre Association (La Libera Asocio)**
**B.P. 22**
**FR-32201 GIMONT CEDEX**
**Francio**




(Por bildigi la artikolon, jen seka traduko de kanto de **Disaffect**, angla krustkora bando:)

**«Rapidega muziko ne signifas perfortan dancon»**

Oni vidas ilin, ĉiam antaŭe, en ĉiuj koncertoj
Ilia freneza kaj virula dancmaniero vomemigaĉas nin
Ne eblas danci al la gehomoj kiuj volas danci
Ĉar geili scias ke ili ricevos batojn kaj estos dolorigitaj

Nesekureco virula...

Ili uzas la muzikon kiel sonbendon por sia perforto
Ili pugno- kaj piedbatadas kaj puŝegas tiujn kiuj provas danci
Ili diras ke ili konsentas kun la paroloj de la tekstoj, sed ni opinias ke estas malvere
Mi pensas ke la mesaĝo ne transiras, kiam ili faligas iun.

Nesekureco virula...

Ĉesigu tiun fekaĵaĉon aŭ la bandoj rifuzos muziki
Vi diras ke vi volas pacon kaj libercon, sed fakte vi soifas je perforto
Ni ne volas esti kun homoj kiaj vi
Do, forigu tiun merdon virulan, kaj iom da saĝeco ekaperos.

Nesekureco virula....



# MALROK-MUZIKO

## Ununura Kanada Kantistino

**J**oëlle **RABU** estas kanada kantistino kies kariero komenciĝis en 1983 en muzika komedio *Piaf: Her Songs, Her Loves* {Piaf: ŝiaj kantoj, ŝiaj amoj} en VANCOUVER, Kanado. Ŝi donis kvarcent koncertojn enkarnigante **Edith**-on **PIAF**, la faman francan kantistinon.

En 1985, **Joëlle** inaŭguris turneon kun dulingva spektaklo (franca-angla) kun originalaj kantoj. De tiam, ŝi kantis en Ĉinio, Britio, Orienta Eŭropo, Kanado, kaj Usono.

En 1990 ŝi verkis kaj prezentis novan spektaklon: *Tonight... Piaf* {Ĉivespere... Piaf}. Ĝi havis grandegan sukceson en Norda Ameriko.

En 1994, post pli ol unu jaro da laboro, **Joëlle** kaj ŝia muzikisto-komponisto **J. Douglas DODD**, prezentis la novan *Simfonion de Sono kaj Lumo.*

Kiel multaj artistoj, **Joëlle RABU** ĉerpas el sia medio la fonton de sia inspiro, sed ŝiaj kantoj respegulas ankaŭ la komplikecon kaj diversecon de la mondo en kiu ŝi kreskis (gepatroj bretonfrancaj elmigrintoj, vojaĝoj en pli ol tridek landoj, ktp.).

Ŝia nekomparebla voĉo, vigla kaj emociplena, kaj ŝiaj koncertoj prezentitaj en multnombraj muzikstiloj (kabareda, simfonia, aŭ folkeca) laŭdigis ŝin, taksigante ŝin kiel «vere ununura kanada kantistino».

Per ŝia rimarkinda talento, ŝi kaptas la korojn. Ŝia sceneja ludo estas potenca sed restas intima – ĝi estas emociiga kaj humurplena. Ŝi dancigas, kantigas, kaj pensigas la spektantojn.

Ŝi estas dulingva kaj dukultura dank' al siaj gepatroj kaj al la mozaika kanada kulturo. Ŝi sentas sin tiom komforta kantante en la franca kiom en la angla, kaj ŝia arta esprimado transcendas ambaŭ kulturojn. Certe via koro estos kaptita... ŝi korŝiros vin... ŝi renversos vin... aŭskultu ŝin!

Cetere, ŝi lernis la germanan, la lingvon de la surdmutuloj, kaj esperanton.

Ŝi surbendigis kvar dulingvajn diskojn; la plej lasta titoliĝas *Heart of the Night / Au cœur de la nuit* {Kore de la nokto}.

En 1987, **Joëlle** surbendigis albumon *Passport,* kiu enhavas kvar titolojn en esperanto. Kiuj ankoraŭ ne akiris tiun albumon, povas peti ekzempleron aŭ kopion al:

**Joëlle RABU**
**p/a RME Productions**
**Phil POSNER**
**91 Garner Crescent**
**NANAIMO, BC V9R 2A5**
**Kanado**
**Tel. +1 (604) 874.55.75**
**Tel./Faks +1 (604) 741.02.32 (persona)**
**E-poŝto: p.posner@genie.geis.com**



**Inkumas Atillio ORELLANA ROJAS:**

## MUZIKO EN LA INKAA IMPERIO

**P**roksimume en1438 komenciĝis la prospera periodo de la **Inkaa Imperio**, kies fondiĝo okazis en la Dektria Jarcento, kiam el **Sun-Insulo**, meze de la lago **Titikaka**, malmergiĝis **Manco Cápac** kaj **Mama Ocklo** por starigi la monarkian sidejon kaj imperian ĉefurbon **Cuzco**.

La **Imperio** havis sufiĉe vastan teritorion, nome: sudo de hodiaŭa Kolombio, nuntempaj Ekvadoro, Peruo, Bolivio, nordo de Ĉilio ĝis rivero **Maule,** kaj nordokcidenta Argentino. La **Imperio** ricevis la nomon **Tahuantinsuyu** {la kvar mondpartoj} ĉar la tuta **Imperio** estis dividita je kvar regionoj: **Antisuyu** {oriento}, **Contisuyu** {okcidento}, **Chinchaysuyu** {nordo}, kaj **Ckollasuyu** {sudo}.

Ĉi tiu **Imperio** elstaris inter la aliaj en Ameriko pro la laboremo kaj organizemo de la popolo. Ĉe ili la arkitekturo estis vere impona: fortikaĵoj, temploj, domoj, vojoj, reĝaj domegoj, ĝardenoj..., el tio nur la simpla mencio de fortikaĵoj kiaj **Sacsayhuaman**, **Inkallajta**, kaj **Macchu Picchu** sufiĉas kiel klara evidentaĵo.

La **inkaoj** helpis en la unuiĝo de la tuta teritorio per tuj rapida disvastigo de la diversaj valoroj de sia kulturo inter la ĵus aneksitaj popoloj; tiel oni diskonigis ankaŭ la **keĉuan** kaj **ajmaran** muzikon, kiu pasis de generacio al generacio per nur buŝa tradicio kaj fariĝis la vera karakterizaĵo de **Ckollasuyu**.

Rilate la muzikilaron, menciendas ke la **inkaoj** ne konis kordinstrumentojn, kaj ilia ĉefa muzikilaro konsistis el blov- kaj perkutinstrumentoj; pro tio la **keĉua** muziko estas akompanita de tiuspecaj iloj ankoraŭ hodiaŭ, kiaj *antares, huancares, quenas, sikus, ktp.*

Rilate la muzikspecojn, ekzistis du ĉefaj: la sankta kaj la profana. La sankta muziko estis por liturgioj dediĉitaj al kulto de dio **Suno**, kiun ne nur pastroj kantis, sed ĉefe la simpla popolo. La diino **Killa** (Luno) estis adorita pere de kantoj kaj dancoj: informoj pri dancado en la antikva **Tiuhanacu** oni povas trovi ĉe la antikvaj *huacos* (grandaj argilaj potoj), dekoraciitaj kun religiaj ornamaĵoj, kiuj reprezentas la *ñustas* (virgulinoj dediĉitaj nur al kulto de dio **Suno**) kiuj dancas.

Poemoj kiuj estis kantitaj kaj akompanitaj de muziko elstaras pro ilia simpleco

# MUZIKO EN LA INKAA IMPERIO

roksimume en1438 komenciĝis la prospera periodo de la **Inkaa Imperio**, kies fondiĝo okazis en la Dektria Jarcento, kiam el **Sun-Insulo**, meze de la lago **Titikaka**, malmergiĝis **Manco Cápac** kaj **Mama Ocklo** por starigi la monarkian sidejon kaj imperian ĉefurbon **Cuzco**.

La **Imperio** havis sufiĉe vastan teritorion, nome: sudo de hodiaŭa Kolombio, nuntempaj Ekvadoro, Peruo, Bolivio, nordo de Ĉilio ĝis rivero **Maule,** kaj nord-okcidenta Argentino. La **Imperio** ricevis la nomon **Tahuantinsuyu** {la kvar mondpartoj} ĉar la tuta **Imperio** estis dividita je kvar regionoj: **Antisuyu** {oriento}, **Contisuyu** {okcidento}, **Chinchaysuyu** {nordo}, kaj **Ckollasuyu** {sudo}.

Ĉi tiu **Imperio** elstaris inter la aliaj en Ameriko pro la laboremo kaj organizemo de la popolo. Ĉe ili la arkitekturo estis vere impona: fortikaĵoj, temploj, domoj, vojoj, reĝaj domegoj, ĝardenoj..., el tio nur la simpla mencio de fortikaĵoj kiaj **Sacsayhuaman**, **Inkallajta**, kaj **Macchu Picchu** sufiĉas kiel klara evidentaĵo.

La **inkaoj** helpis en la unuiĝo de la tuta teritorio per tuj rapida disvastigo de la diversaj valoroj de sia kulturo inter la ĵus aneksitaj popoloj; tiel oni diskonigis ankaŭ la **keĉuan** kaj **ajmaran** muzikon, kiu pasis de generacio al generacio per nur buŝa tradicio kaj fariĝis la vera karakterizaĵo de **Ckollasuyu**.

Rilate la muzikilaron, menciendas ke la **inkaoj** ne konis kordinstrumentojn, kaj ilia ĉefa muzikilaro konsistis el blov- kaj perkutinstrumentoj; pro tio la **keĉua** muziko estas akompanita de tiuspecaj iloj ankoraŭ hodiaŭ, kiaj *antares, huancares, quenas, sikus, ktp*.

Rilate la muzikspecojn, ekzistis du ĉefaj: la sankta kaj la profana. La sankta muziko estis por liturgioj dediĉitaj al kulto de dio **Suno**, kiun ne nur pastroj kantis, sed ĉefe la simpla popolo. La diino **Killa** (Luno) estis adorita pere de kantoj kaj dancoj: informoj pri dancado en la antikva **Tiuhanacu** oni povas trovi ĉe la antikvaj *huacos* (grandaj argilaj potoj), dekoraciitaj kun religiaj ornamaĵoj, kiuj reprezentas la *ñustas* (virgulinoj dediĉitaj nur al kulto de dio **Suno**) kiuj dancas.

Poemoj kiuj estis kantitaj kaj akompanitaj de muziko elstaras pro ilia simpleco kaj tenereco en alproksimiĝo al la naturo per vortoj kaj muziko, kiel ekzemple ni povas rimarki en la kanto por laŭdi la kaŭzon de tondroj, hajlo, fulmoj, neĝado, kaj pluvo:

| | |
|---|---|
| *Sumaj ñusta* | Bela virgulino |
| *Turaylayquin* | ĉi frato via |
| *puyñuyquita* | estas rompinta |
| *paquir cayan* | vian poton |
| *hina mantara* | kaj pro tiu kaŭzo |
| *cunuñunun,* | fulmas |
| *Illac pántac.* | kaj tondras. |
| *Camri ñusta* | Vi, moŝta virgulino, |
| *unuyquita* | vian tre agrablan akvon |
| *para munqui,* | al ni donu en formo de pluvo |
| *may ñimpiri* | kaj ankaŭ kelkefoje hajligu |
| *chichi munqui* | kaj neĝigu. |
| *riti munqui,* | La Mondfarinto, |
| *pacha rúrac,* | la dio, kiu vivigas lin, |
| *pachacámac* | la granda |
| *Viracocha* | Viracocha |
| *cay hinápac* | por ĉi tiu laboro metis vin |
| *churasunqui* | en la mondon |
| *camsunqui.* | kaj al vi, vivon. |

Ĉi tiu kanto rakontas ke la **Mondfarinto** metis en la altan ĉielon virgulinon portantan grandan poton, kun la celo verŝi akvon sur la mondon kiam bezonate. Ŝia frato rompis la poton kaj kaŭze de tio aperis la tondroj kaj fulmoj. Laŭ la legendo, fulmi kaj tondri estas agoj kiujn nur viro povas kaŭzi, ĉar ili estas fortaj, virecaj; dum hajli, pluvi, kaj neĝi estas agoj mildaj, delikataj, kaj nur virino povas esti kaŭzo de tio.

Indas mencii ke en la **inkaa** kulturo, oni ne reprezentis grafike la muziknotojn, tamen kelkaj kronikistoj, inter ili inkao **GARCILASO de la VEGA**, konsideras ke la *quipus* (laŭvorte {nodoj}) estis uzitaj por rememori la melodiojn kaj ritmojn, sed vere tio estis nur kalkulilo konsistanta el multkoloraj ŝnuroj noditaj. La *amautas* {kleruloj} instruis ĝian uzadon en la *yachay huasi* {lernejo} ĉefe al junularo kaj al *haravicus* {poetoj}. En la lernejo ili devis lerni ankaŭ la **keĉuan** lingvon, poezion, muzikon, leĝojn, filozofion, kaj astrologion. Ne nur la lingvon, do, sed ankaŭ la muziknotojn oni ne reprezentis, kaj ĉio estis konservita en la komunumo per buŝa tradicio.

Oni povas dividi la **inkaan** muzikproduktadon je tri grandaj grupoj:

### A. Nur kantoj

La lirikaj poeziaĵoj estis kantitaj sen iu ajn instrumenta akompanado, kiel okazis ĉe la tiel nomitaj *jaillis*, kantitaj en la momento de semado kaj rikoltado kiel ofero al diino **Pachamama** {Panjo Grundo}, kaj al kelkaj hejmaj dioj pro la ricevitaj favoroj.

### B. Muziko akompanita de instrumentoj

Temas pri instrumentaj komponaĵoj luditaj per muzikiloj ĉefe blovaj kaj perkutaj, kiel ekzemple *sikus* kaj *antares* de tre diversaj longecoj, *quenas, pinquillos*, aŭ simple per tamburoj kaj/aŭ tamburegoj.

### C. Muziko kun kantoj por dancado

Muziko kaj danco prezidis la tutan vivon de la indianaj popoloj, kaj por ĉiu anima stato ekzistis ĉiam unu ritma esprimo. Fine de la vintra solstico en **Cuzco** okazadis la plej impona festo de la tiama Imperio, nome **Inti 'Raymi** {Festo de la Suno}. Tiam en la nokto antaŭ la festo, ĉiu fajro estis estingita kaj en la granda placo **Huacayapata** kuniĝis la plej gravaj elstaruloj de la Imperio. Ĉiuj atendadis la aperon de la dio Suno respektoplene kaj sen sandaloj. Kiam la unua sunradio aperis tagiĝe, anstataŭante la nokton, oni aŭdis tre akutan kriegon plenplenan je ĝojo pro la anonco de la reveno de **Inti**. Per ĉi tiu festo la **inkaoj** celis peti bonvolemon de tiu dio dum la sekva rikoltado. Post la ĉefa ceremonio, diskrevis muziko ĉie por adori la dion. Tiam elstaris kelkaj dancoj, kiuj ankoraŭ hodiaŭ postvivas, kiel *kachampa*, kiu uzadas la ritmon de *huayño*; *camiles*, danco nur por viroj, kiuj portas pajlajn ĉapelojn kaj surŝultre sakojn da diversspecaj herboj, ĉar ili estas la tribaj kuracistoj; *llameros*, la homoj de la altebenaĵo, kiuj portas *charqui* {viando sekigita per salo} kaj maizon por oferi al dio **Inti**.





El la granda varieco de ritmoj ekzistanta en la tempo de la inkaoj, kiujn ni konas dank' al listoj faritaj de **GARCILASO de la VEGA**, **GUAMAN de AYALA**, **CRISTóBAL de MOLINA**, kaj **SANTA CRUZ PACHACUTI**, ni scias ke *jailli, wawaki*, kaj *taki* estis la plej gravaj inter la kantitaj poemoj, dume *kaluyu, huayño*, kaj *qhashua* estis specoj destinitaj al dancado kun akompano de la sono de diversaj muzikiloj. En

iu periodo elstaris ankaŭ alia ritmo, nome *arawi*, kiel muzika esprimo pli sentimentala kaj amoplena.

***Jailli***: Ĝi estis sankta himno kaj samtempe epopea kanto karakterizita de ĝojkrioj pro la feliĉo antaŭ la farita laboro. La ĉefaj *jaillis* estis destinitaj al **Inti**, la plej grava dieco.

***Arawi***: Ĝi estis amkanto plenplena je nostalgio. La *arawis* ricevis diversajn nomojn laŭ la temoj en ĝi pritraktitaj, el kiuj la plej konataj estis la jenaj:

- *Yaray arawi*: kanto pro la doloriga amo.
- *Kusi arawi*: ĝojkanto.
- *Sumaj arawi*: beleckanto.

Ĉi tiuj ritmoj transformiĝis dum la kolonia periodo en la konataj *yaravís*, sed sen perdi la senson de kanto romantika kaj de sopiro al amato.

***Taki***: Konata ankaŭ kiel *takiy* (vorto signifanta {kanti}). Ĝi estis ritmo uzita por esprimi ajnan emocion aŭ homan senton, aŭ simple por laŭdi la naturon.

***Huayño***: La primitivaj *huayños* de la tempo de la **Ckolla Imperio** estis akompanitaj de majesta danco. Nuntempe ĝin dancas pararo.

***Kaluyu***: Simila al *huayño*, sed uzita nur por esprimi ĝojon.

***Wawaqui***: Ĝi prezentas specialan strukturon, ĉar oni kantis dialogforme. Vira koruso ekkantis kaj respondo venis de ina grupo. Ĉi tiu kanto estis speciale ofta en festoj omaĝe al **Killa** (Luno) aŭ dum la noktaj agrikulturaj laboroj. Karakterizaĵo de *wawaqui* estas ke ĉe la fino de ĉiu rekantaĵo, oni ripetas nur unu vorton: *ari* {jes} aŭ *mana* {ne}. Ĉi tiuj estis himnoj optimistaj, per kiuj estis prezentitaj ĝojigaj temoj: bona rikoltado, sufiĉa pluvo, kreskado de floroj, ktp. Resume, ĝi estis kanto de ĝojo kaj dancado por la junularo.

Bedaŭrinde ĉi tiu lasta muzikesprimo malaperis dum la kolonia periodo, kiel ankaŭ multaj aliaj; sed hodiaŭ ekzistantaj estas *kaluyu, yaraví*, kaj *huayño*.

# MALROK-INFORMOJ

## ZAGRAVA

Jurij MININ, direktisto-produktisto de kantensemblo **Zagrava**, sendas jenajn informojn.

La ensemblo fondiĝis en 1981 en la ukraina urbo NIKOLAEV. Ĝi konsistas el **Larisa VOZIJAN** (gitaro), **Katerina POPKOVA** (sopilko), **Margarita SARHULENKO** (violono), **Ludmila SUROVA** (bruiloj), **Ludmila GORBULOVA** (violono), kaj **Mihajlo VOZNIJ** (akordeono); ĉiuj ankaŭ kantas.

La ensemblo estas multfoja laŭreato de internaciaj folkloraj konkursoj kaj festivaloj en Baltio, Polio, Italio, kaj Ukraino. Neordinara ordigo de tradiciaj kaj netradiciaj popolaj kantoj, originala prezento de kantmaterialo faris la ensemblon rimarkinda fenomeno en la kultura vivo de Ukraino.

La koncerta programo, kantoj, kaj dancoj antaŭdifinitaj por ŝatantoj de tradicia kaj netradicia popola muziko inkluzivas pli ol tridek muzikverkojn. La ensemblo pretas vojaĝi, kaj povas sukcese koncerti tiel en granda koncerthalo, kiel ankaŭ sur malgranda koncerta placeto. Informoj ĉe:

**All-Ukrainian Musical Union, NRD Fund**
**s-ro Jurij MININ**
**P.O.B. 155**
**UA-327030 NIKOLAEV**
**Ukraino**
**Tel. +7 (305.94.63) 583.57**

> LASTMINUTE ....
>
> Ĵus alvenis en nia redakcio la kasedon *"Sub la stel' de l' Esperanto"* de la Espo-koruso **"MUZILO"** sendita de **"POLA RADIO"**.
>
> Interesa kaj kvalita kasedo kiun ni prezentos en sekvonta Rok-Gazet'. Interesatoj povas mendi ĝin ĉe :
>
> Esperanto koruso "MUZILO"
> Pola Espo-Asocio
> ul. Wiejska 11/1.2C
> PL-00-480 Warszawa
> Polio

## ORATORIO

*Ökumenisches Esperanto-Forum*, n-ro 9, feb. 93, raportas pri oratorio kun bibliaj scenoj por ĥoro kaj instrumentoj, komponita originale kun espotekstoj de **Fridolin LIMBACHER**. Ĝi prezentiĝis okaze de **Katolika Tago** (9-13.6.93) en MUNCHEN (Germanio).

## CLARION CHOIR

**Clarion Choir** estas la nomo de brita socialista ĥoro el NOTTINGHAM. Ĝi estas tre kvalita, ĝia repertuaro enhavas engaĝitajn laboristajn kantojn el Britio, sed ankaŭ el Hispanio.

La ĥoro kantas en la svahila, zulua, itala, hispana, angla, franca, esperanta, ktp., do vere plurlingve.

Pliaj informoj haveblas rekte ĉe la ĥorestro:

**John Hamilton**
**Clarion Choir**
**33 Bernard st.**
**NOTTINGHAM, NG5 2AE Britio**

## PRI KASEDOJ DE BRONŜTEJN

En *ROK-gazet'* n-ro 6 aperis informo pri la rusa espobardo **Mikaelo Bronŝtejn**.

Li efektive surbendigis du kasedalbumojn en **Pigo-Studio** (Svedio): *Rememoru kun bruna ŝtono* kaj *De tempo al tempo*.

Li ricevis plurajn mendojn, sed li povis nek vendi nek ekspedi la kasedojn el Rusio. Interkonsento estis trovita por eventualaj novaj mendontoj: nun eblas mendi tiujn kasedojn ne al lia adreso, sed rekte al:

**Oksana KURPEKOVA**
**Bokbendarvägen 74, 2 tr.**
**SE-12934 HÄGERSTEN**
**Svedio**
**Tel. +46 (8) 18.75.03**

## 15-A JUBILEO POR IEĤ

La **Internacia Esperanto-Ĥoro** festis sian 15-an Jubileon en la **60-a UK** en **Tampereo** (Finnlando).

**IEĤ** kreiĝis sub muzikestrado de **Dimitâr Terziev** en 1980 en **Stockholmo** dum la **21-a Universala Kongreso**. La Ĥoro atingas ĝis 70 geĥoranoj el la tuta mondo, kaj koncertas precipe dum la UK-oj.

Estis eldonita de **MEL** (**Muzika Esperanto-Ligo**) kasedalbumo kun kantlibro en 1990 okaze de la 10-jara jubileo.

**MEL** fodiĝis en 1963, de tiam ĝi estas fakasocio de **UEA**, kaj eldonas gazeton *Muziko*, informcela kaj interŝanĝa bulteno por muzikistoj (ĉefe malrokaj) de la tuta mondo, kaj en kiu troviĝas artikoloj, prezentoj, informoj, kaj partituroj kun kantotekstoj. Malgraŭ sia modesta aspekto, tiu muzika bulteno estas interesa.

Informoj, petoj, mendoj, abonoj rilate al **IEĤ**, **MEL**, kaj *Muziko* sendendas al:

**Prof. Dimitar TERZIEV**
**ul. Milin Kamâk 58**
**BG-1421 SOFIA**
**Bulgario**
**Tel. +359 (2) 66.62.14**

## «PRIMA DONA»

**F-ino Emily Barlaston**, la burleska «Prima Dona», rezervas surprizon al tiuj kiuj antaŭmendas la duan volumon de *Vinilkosmo-Kompil'*.



**F-ino Emily Barlaston**

Post la sukceso de 1993-1994, ŝi ne tiom ofte koncertas, kaj dormetas sur la divano ~ sed priatentu la dormantajn akvojn!

Eblas ŝin veki invitante ŝin ĉe:

**Samuel Albernathy Productions**
**Postbus 40057**
**NL-7504 RB ENSCHEDE**
**Nederlando**
**Tel./faks +31 (53) 76.49.83**

# TUTE NE GRAVAS



**Opinias Flávio FONSECA:**

## 1. ĈU VALORAS LA PENON ELDONI EN ESPERANTO?

Leginte anoncon pri dua eldono de la kasedo de **Anjo Amika** (en la revuo *Esperanto* n-ro 1049), mi tre miris: ili disvendis nur kvincent ekzemplerojn kaj asertas ĝoji pro tio! Poste, mi legis en intervjuo kun **Bertilo** (en *Tejo Tutmonde* n-ro 3/61) ke la grupo **Persone** ~ unu el la plej famaj en Esperantio! ~ vendis preskaŭ kvincent unuojn de sia unua kasedo, kaj cent de la dua; kaj en la pasinta numero de nia kara revuo *ROK-gazet'* oni legas ke ankaŭ la vendado de la furora *Ora Team'* ne atingis duonmilon da ekzempleroj.... Do mi ekkomprenis: tia vendokvanto estas normala!

Tio multe pensigis min. Fakte, mi ne estas grandkvanta vendisto, eĉ en la portugala. Sed mian vinilan disketon *Flávio Fonseca en Esperanto* oni vendis bone: 1.500 antaŭmendoj en ses monatoj, kaj alia tiomo post la eldono ~ entute ĉirkaŭ 3.000 ekzempleroj en unu jaro (ankoraŭ aĉeteblas ĉe **Brazila Esperanto-Ligo** du-tri dekoj). Kaj eĉ tiom estas malmulte laŭ nacilingva merkata kalkulo. De la kasedo *Aerlumo* oni vendis pli malgrandan kvanton (malpli ol kvincent en unu jaro) ~ eble ĉar ĝi estas traduko, do atingis specife la espan publikon, dum la disketo allogis ankaŭ neespistojn.

Cerbumante pri tio, oni alvenas al danĝera vojkruciĝo: ĉu valoras la penon daŭre eldoni en espo? Krom pro hobio aŭ idealismo, ĉu estas avantaĝo elspezi monon kaj tempon por liveri muzikon al kelkcentoj?

Multaj el ni estas profesiuloj, kaj certe jam aŭdis de si mem tiajn demandojn ~ kelkaj uloj eble tial eĉ kabeis. Kaj tio okazas ĝuste nun, kiam la espa muziko kreskas kvante kaj kvalite; nun, kiam oni plej bezonas la profesiigon kaj la profesiulojn.

Estiĝas cirklo: se oni vendas malmulte, la verkoj emas amatoriĝi; kaj se oni amatoriĝas, oni vendas malmulte.... Sendube ni ĉiuj devas serĉi, esplori, trovi, trafi solvon. Tamen, kio ajn estos tiu solvo, certe ĝi pasos tra du koridoroj: plia profesiigo, kaj pli sperta (ruza?) disvastigo.

La profesiigo devas atingi ĉiun paŝon de la produktado: la komponadon, la aranĝojn, la ludadon, la registradon, la kovrilon, ktp. Ni devas verki konscie, kaj lingve kaj muzike; ni povas ankoraŭ riĉigi la aranĝojn, evitante la tro simplajn «voĉo-gitaro» aŭ «voĉo-piano» ~ krom se temas pri vere majstra ludado. La apero de altnivelaj studioj por espistoj, kvankam ankoraŭ nur en Eŭropo, multe helpas tiucele, laŭdinde. Ĉio ĉi pli bone allogos aĉetontan publikon.

Kaj ni devas lerni kiel efike trafi tiun aĉetontan publikon. Kiel informi kaj konvinki la homojn kiuj interesiĝas pri espo kaj/aŭ pri muziko. Ekzistas **Vinilkosmo**, kies sperto estas tre grava por ni ĉiuj, sed ankaŭ ĝi bezonas nian helpon; kaj ni **devas** havi ankaŭ niajn proprajn rimedojn por enmerkatigi niajn produktaĵojn. Ĉiuj devas labori kune, samtempe, kaj samtakte. Kunordigita laboro rezultas pli bone. Ekzemple, oni povas dungi disvastigentreprenojn, celante inkluzive (ĉefe?) neespistojn. Kaj ni devas interŝanĝi spertojn, por lerni unu de la alia ~ tiel la memeldoni(a,o)ntoj, kiel la eldonejoj, ĉar estas vero ke neniu vendas sufiĉe bone, eĉ ne librojn. Kiel ekzemplo de spertinterŝanĝo, mi informas ke mi ne plu eldonos tradukojn de miaj nacilingvaj albumoj ~ tio malpliigas la kostojn, tamen disdividas la publikon.

Mi volas ricevi reagojn, se eble per tiu ĉi revuo, por ke ĉiuj povu diskuti la temon, kaj ni kune kresku kaj kreskigu nian espomuzikproduktadon kaj ties vendadon. Tiel kiel mi komence estis naiva pri la espa merkato, eble multaj ankoraŭ estas; ni ne povas iluziiĝi, kredante ke espo estas facila vojo al tutmonda diskonado de niaj verkoj ~ tamen, ni povas iom post iom fari ĝin tia. La espa komunumo kaj espo mem nur gajnas de tio.

## 2. PAPAGOJ

Mi tute ŝatas la ideojn de **Vladimir SOROKA** pri la **papagoj**. Tamen, mi pensas ke ni ne devas fermi la pordojn al ili. Ili meritas havi la ŝancon espistiĝi. Malgraŭ ĉio, estas pli facile espistigi kaj enmovadigi muzikistojn ol instrui muzikon al espisto. Kaj mi ripetas, la movado bezonas profesiulojn. Mi mem komencis kiel papago, enmetante espokantojn en miajn nacilingvajn koncertojn; kiam oni eldonis mian unuan espan albumon (la disketo *Flávio Fonseca en Esperanto*), mi jam parolis flue, kaj hodiaŭ mi instruas kaj helplaboras en loka asocio, verkas kaj tradukas ofte. Se la papago ricevas bonan rezulton de sia espa kantado, plej probable li iam komprenos la neceson lerni la lingvon kaj naskiĝos pli profunda interesiĝo. Sed se **Team'** ne vendas pli ol kvincent kasedojn, kompreneble ili ne sentas la impulson espistiĝi.

Alia temero: Mi ne estas bando, sed sola komponisto. Kaj malofte mi ŝatas ludi ĉion per sinteziloj, kiel **Solo** kaj **La Mevo**. Tio signifas ke mi bezonas dungi instrumentistojn por akompani min. Ĉu ili nepre devas paroli espon? Kie mi trovos tiajn? Ĉu ili loĝos sufiĉe proksime? Ĉu ili spertos pri brazila muzikstilo (kiu tute ne samas al la tiel nomata «latinamerika muziko»)? Preskaŭ certe mi devos kalkuli je neespistoj. Ĉu tio faros mian muzikon malpli espa? Se mi eniros espan studion, ĉu mi rajtos kunporti ilin? Ĉu hazarde tio naskos ian interesiĝon en ili?

Denove mi asertas: ju pli la espomuzika komunumo kapablos vendi grandkvante siajn verkojn al iuj ajn, des pli da interesiĝo pri espo vekiĝos en la muzikistoj. Kaj por tion sukcesi ni bezonas profesiismon.



# VORTA VESTO POR AKTUALA MUZIK-FORMO



Artikolas Rafael BLANCO

## Pri la superrego de la angla en Rokenrolio: 1

Mondfamiĝo de la kanto «La Bamba» ne okazis simple kaj facile. Kiam **Ricardo VALENZUELA** (poste **Ritchie VALENS**) decidis surbendigi ĝin, la mieno de la respondeculo de la diskeldonejo serioziĝis avertante pri venontaj riskoj kaj maltaŭgaĵoj: unue la folkloreca trajto de la meksika «La Bamba» ne tro kongruis en rokenrola disko, kaj due la hispanlingva interpretado. Nur la obstino de la junega muzikisto ebligis la registron: «Mi ĝin ludos rokenrolece.» Kaj: »Ĝi estas hispanlingva kanto, tamen ankaŭ **Nat King COLE** kantas hispane, kial mi ne faru tiel?»

Depost tiam, la sukceso de «La Bamba» sufiĉe kontentige pravigis la sintenon de la june mortinta kantisto. Ĝi eĉ rolis dum kelkaj jaroj kiel oficiala himno de **Tejo**, kaj ankaŭ la frenezdancado de «La Bamba» en **IS**, **IJK**, ktp., havos ĉapitreton en la amuzhistorio de la Movado.

Sed mi revenu al la temo kaj al la plendoj de la kontraŭanto de **Ritchie**. Pri la stildiferenco ni ne tro parolu: la nuntempa realo klare montras ke miksigo de malsamaj muzikstiloj, ĉu klasika, popola, rokenrola, azia, indiana, elektra, ktp., karakterizas la muzikan kreadon la du lastajn jardekojn, enprofundiĝante en la vojon naturan de miloj da jaroj de iom-post-ioma kultura kunfandiĝo, sed plirapidigita helpe de la lastaj rimedoj teknologiaj.

La dua argumento, tamen, iel daŭre restas stara. Jes ja, hodiaŭ oni povas aŭskulti rokenrolon hispane, arabe, itale, hungare, okcitane, japane, esperante.... Kaj eĉ sufiĉe kvalitan, ofte eĉ elstaran. Tiun eblon neniu pridubas, sed tre malmultaj fakuloj kontraŭos jenan fakton: tiu rokenrola grupo aŭ kantist(in)o kiu interpretas malangle povas havi merkaton (do, esti sukcesa) je la limo de sia lingvio, sed tre malfacile enŝoviĝos trafe en alilingvajn landojn (se temas pri anglalingvaj, tio estus neebla).

Angle kanti tamen donas enirbileton al tutmonda ebla disvastigo: se la kvalito sufiĉas, la kantist(in)o belas, kaj la distribuado efikas, la vojo al sukceso mallongiĝos per elekto de la ĝusta lingvo.

Oni mencias la «eltrovaĵrajton»: la gregoriano naskiĝis latinlingva, kaj nepripensable estus mallatina gregoriana kanto. Samkiel la belkanto, kies interpretado taŭgas nur germane, france, aŭ itale. Kaj sekvante tiun ĉi argumenton, la rokenrolo naskiĝis anglalingva, kaj centprocenta rokenrolo povas esti nur anglalingva.

Preter tiu aserto, por multaj personoj pli validas la fonetika taŭgeco de la lingvo de **ELVIS** kaj **HALLEY**: ĝiaj sugestaj sonoj, la mallongeco de la vortoj, jen la glatiro de ĝiaj silaboj.... Laŭ tiu ĉi vidpunkto (propra de homoj kiuj verŝajne ne konas multajn lingvojn), la angla estus kvazaŭ dia kreaĵo por rokenrolo, kaj ĉiuj aliaj restus duarangaj tiucele.

Aliflanke, oni aludas ke en Norda Eŭropo, Japanio, Rusio..., tre gravaj ensembloj (ofte la plej prestiĝaj) kantas angle, flankenlasante siajn ĉiutagajn lingvojn respektivajn, kaj ke tiu tendenco ne respondas al efemera kelkjara snobeco, sed al stabila fenomeno ene de tiu ĉi muziko.

Koncerne mian ĉirkaŭaĵon, en Suda Eŭropo la angla ne okupas signifan lokon en la verkoj de la rokbandoj. En Eŭskio ekzemple la panoramo buntas, la naciaj lingvoj, nome la eŭska, hispana, kaj franca, mastrumas la rokenrolan produktadon, krom ĉe ensembloj anglekantantaj ĉefe apartenantaj al blusaj kaj al la plej malmolaj, «malpuraj», kaj ŝtonecaj stiloj. Ili praviĝas sian elekton pro la antaŭe unuavice menciita kialo: en tiuj stiloj la tradicio kaj referencoj estas anglalingvaj....

Rokenrolo estas unu el la plej elstaraj kulturkreaĵoj de la dudeka jarcento, je siaj komencoj marĝena kaj malkonfide taksita, hodiaŭ oficiala, institucia, kaj parto de negocoj. Ĝi ekiĝis en Ameriko, de eŭropaj kaj afrikaj gepatroj devenas, la moderna teknologio al ĝi ebligis senliman evoluon, profunde influis kaj akcelis sociajn ŝanĝojn, ĝi nutriĝis de sia ĉirkaŭaĵo redonante sentemon, variecon, konsenton, kritikon.... Kaj ĉion ĉi oni verŝu per unika formo, per unika lingvo? Ĉu translingvaj grupoj kiaj **Mano Negra** aŭ «niaj» **Rozmariaj Beboj** abundas en pluretnaj ŝtatoj, aŭ ĉu restos kiel stranga kuriozaĵo? Aŭ ĉu ĉe rokenrolo la tekstoj fakte ne tiom gravas, kaj kiel dirite de la malaga kantisto, **SOLO**, ĉu la voĉo rolas kiel nur plia instrumento?

Ĉirilate multaj demandoj restas respondendaj pli aŭ malpli trafe, kaj mi enprofundiĝos en la temon per dua artikolo.

TUTE NE GRAVAS

# PIĈISMA POLEMIKO E-FIKAS




**Piĉismo** startigis grandan polemikon en espomedioj, kaj mi ĝojas pri tio, ĉar finfine vera debato stariĝos inter generacioj.

En *Helianto*, ukraina gazeto, aperis prezento pri **Piĉismo**, tiu bando punkroka ĉe limoj de hardkora roko, kun unu el iliaj kantotekstoj «Ne ricevos ŝtato ĉuron».

En la posta numero de *Helianto* aperis reagaj impresoj de **M. HELLER** kaj artikolo de **H. BEREZIN** titolita «Malbela poezio». La aŭtoro plendas pro la konsterniĝo en kiun li falis legante la tekston de la kanto.

Sed al la karaj sinjoroj mankis la muziko ~ kaj certe tiam ili havus koratakon aŭ surdiĝus!

Ni ne timu rigardi la realon sentrompe: kie estas belega mondo?

Ora luno?
Brila suno?
Bluĉielo?
Helo, Helo?
Dio?
Harmonio?

Tiuj kiuj pensas tion, forprenu la fekaĵon kiu ŝtopas viajn okulojn kaj orelojn kaj rigardu, aŭskultu ĉirkaŭ vi. Ĉu vi ne vidas ke ni vivas en rubaĵo, en buĉejo, kaj bordelo, de ĉiuj flankoj oni bugras nin, kaj tio dank' al homoj kiuj pensas ke la mondo estas belega. Ili estas komplicoj de la murdoj pasintaj, nunaj, kaj estontaj.

Ili volas ke ni daŭrigu kantante mensogojn pri homaro kiu disfalas de ĉie ~ sufiĉas la hipokriteco!

Ne, sinjoroj, ne plu eblas kanti sen vomi.

Via moralo maldece blinda devigas nin kraĉi sur ĝin, via diboĉo de pruda poezio kaj songoj burĝaj ne ebligis al vi vidi ke la mondo putrintas, via nescieco, vole aŭ ne, ebligis abomenajn kruelaĉajn monstraĵojn kiaj:

Ĉernobilo, Hiroŝimo, mafio, narkotrafiko, policaĉo, armeo, mono, armilnegoco, getoj, aidoso, faŝismo, seksismo, perfidaj krimoj kaj organizitaj perfortoj (Ĉeĉenio, Bosnio, Ruando, ktp.), dispremo kaj masakroj de popoloj (amerindianoj, judoj, kurdoj, **ĉiapas** [indiĝenoj en nuna Meksiko], ktp.), atomeksperimentoj (en Franca Pacifiko, Ĉinio, ktp.), religiaj fanatismoj (islamo, kristanismo, sektoj, sporto, ktp.), koruptado (politiko, balotoj, pseŭdodemokrateco, ktp.), ĉiuspeca diskriminacio, kaj multaj aliaj murdaj ismoj, ktp. Ne sufiĉas loko en nia gazeto por ĉion listigi.

Kion vi volas ke ni kantu? Ĉu ankoraŭ eblas flari bonodorajn floretojn velkantajn apud tiom da fetoraj malpuregaĵoj.
Nur mizero, krimoj, kaj bugrado forfikas nin.

Punkuloj, hardkoruloj, grinculoj, krustuloj, brurokuloj, repkoruloj, mortmetaluloj, psikorokuloj, ktp., per siaj blekaj vomkantoj kaj ekstremĝenegaj muzikoj respegulas la realecon. Ili krias ĝin per raŭkaj stertoroj lasante tie la tripojn ĝis anuso.

Se vi trovas tiajn kantojn fimalbelajn kaj aĉegajn, pensu ke la realo ne estas alia. Jes, sinjoroj, tio estas la vero: tie vi aŭdas la grumblojn de junularo kiu ne plu eltenas, kiu ne plu kredas je viaj mensogoj moralismaj.

Vi ebligis tiun senestontecan estonton malhelegan, tiun rubejon kiu kolapsigos nin ĉiujn. Belega heredaĵo, ĉu ne?

Ni suferas ĝisoste pro via abomena nescieco libervola.

Esperanto? Estas lingvo en kiu ni povas esprimi niajn sentojn kaj ideojn pri tiu utopieca aktuala societo. Ni samrajtas uzi espon kiel vi por kriaĉi al la mondo la naŭzegan vivon altruditan al ni ĉiuj.

Espo estas en sama situacio kiel tiu en kiun vi puŝis nin.

Feliĉe, muzikgrupoj kiaj **Piĉismo** kaj **Piŝamandurjes**, sed ankaŭ aliaj en diversaj muzikstiloj, reagas en espo; eĉ se tro malfruas, io restos: almenaŭ tiaj aŭtentaj kantoj.

~ Zapata
*El francio!*


Dekstre Glebo Malcev

# INSTRUMENTOJ KAJ ALIAJ ILOJ

de Bertilo Wennergren

## PARTO 3

**klavineto** *clavinet.* Speco de elektra klavarinstrumento iom simila al klaviceno, sed kun marteloj anstataŭ plektroj. Vd piano, orgeno, sintezilo.

**klavo** *key.* 1 Rektangula plateto kiun oni premas por funkciigi muzikan instrumenton, ekz. pianon. Vd klavaro. 2 Simila plateto por funkciigi aparaton. Vd regilo.

**kolo** *neck.* La kolsimila parto de kordinstrumento. Sur ĝi estas la fingrotabulo. Vd stabiliga stango.

**kompakta disketo** *CD single.* Mallongdaŭra k-disko kun nur kelkaj muzikpecoj. Vd disketo.

**kompakta disko** *compact disc.* = k-disko, KD. Speco de disko kun digite storita muziko. Por ludigi k-diskon oni uzas kompaktadiskludilon (k-diskludilon), kiu funkcias per lasero. La sistemo de k-diskoj ebligas preskaŭ perfektan senbruan registradon kaj reproduktadon de sono. Vd diĝita, DAT-magnetofono, laserdisko, gramofona disko.

**kompresoro** *compressor.* Elektronika aparato, kiu tenas la laŭtonivelon de sono inter certaj limoj kvazaŭ kunpremante la sonon. Vd limigilo.

**kongao, kongatamburo** *conga.* Tre ofta Latin-Amerikdevena alta tamburo ludata sen bastonetoj per la nuraj manoj. Kongaoj ekzistas en diversaj grandecoj. Vd bongoj, tamo, timbaleo.

**kontrabaso** *double bass,* upright bass, acoustic bass, string bass. La plej granda instrumento en la violona familio (fakte historie tute ne violono, sed membro de la vjola familio). Klasike oni ludas ĝin per arĉo, sed en ĵazo oni normale pinĉas la kordojn. Vd violonĉelo, basgitaro.



**korpo** *body.* 1 La ĉefa parto de kordinstrumento, kie estas la resonanca skatolo, aŭ la responda parto de neakustika, elektra kordinstrumento. 2 La cilindro de tamburo, sur kiu estas metata(j) la membrano(j).



**kraka cimbalo** *crash cymbal.* Cimbalo uzata precipe por akcentaj "krakoj", kontraste al daŭra akompano. Vd Ĉina, nita, plaŭda, sibla, sufoka, tinta cimbaloj, ĉarlestono.

**ksilofono** *xylophone.* Perkutinstrumento kun agordítaj horizontalaj lignolamenoj aranĝitaj simile al pianoklavaro. Ludata per lignaj bastonetoj. Vd vibrafono, marimbo.

**laserdisko** *laser disc.* Disko, kiun oni legas per lasera aparato. Ekzistas pluraj sistemoj de laserdiskoj, el kiuj estas plej konata la kompakta disko. Sur laserdisko povas troviĝi ekz. aŭdiaj (sonaj), videaj (bildaj) aŭ komputikaj (informatikaj) registraĵoj. Vd DAT-magnetofono.

**latunaj blovinstrumentoj** *brass.* Grupo de blovinstrumentoj ordinare faritaj el latuno. Ekz. trumpeto, trombono, tubjo. Vd lignaj blovinstrumentoj.

**laŭtecregilo** *volume control.* Aparata regilo, per kiu oni regas la sonlaŭtecon Vd tembroregilo, amplifnivelo, mastra laŭtecregilo.

**laŭtparolila elemento** *loudspeaker element.* La ilo, kiu efektive kreas sonon en laŭtparolilo. Ordinare kun magneto kaj ia vibranta membrano. Ekzistas diversaj grandoj laŭ la parto de la tonspektro, por kiu ili estas destinitaj. -> Basa, diskanta, meza laŭtparolilaj elementoj. (Parolante malstrikte oni povas diri simple laŭtparolilo ankaŭ por laŭtparolila elemento.)

**laŭtparolilo** *loudspeaker.* 1 Ilo por transformi elektrajn impulsojn en sonon. Tiu, ordinare skatolforma, parto de amplifa sistemo, el kiu venas la efektiva sono. Vd kapaŭskultiloj, amplifilo, alpublika sonsistemo. 2 Laŭtparolila elemento.



**leslio** *leslie (speaker).* Speciala laŭtparolilo kun rotacianta mekanismo, kiu direktas la sonon en ĉiujn direktojn kreante elfazigan efekton. Origine farita por uzo kun hamondorgenoj.

**lignaj blovinstrumentoj** *woodwinds.* Grupo de blovinstrumentoj el kiuj la plej multaj origine estis faritaj el ligno. Ekz. saksofono, klarneto, hobojo. Vd latunaj blovinstrumentoj.

**limigilo** *limiter*. Elektronika aparato simila al kompresoro, sed kiu limigas nur la pintojn, la plej laŭtajn partojn de la sono, kaj ne la mallaŭtajn.

**magneta mikrofono** *pick up.* Mikrofono kun magnetoj, kiuj povas kapti la vibrojn de metala kordo de ekz. elektra gitaro.

**magnetofono** *tape recorder* Aparato por aŭskulti bendojn kaj eventuale por registri sur bendoj . Ekzistas magnetofonoj por rulbendoj kaj por kasedoj. En kasedmagnetofonojn (kasedilojn) oni metas la tutan kasedon ne devante manipuli la bendon mem. Vd kasedo, poŝmagnetofono, DAT-magnetofono.

**maleo** *mallet.* Marteleto kun ronda kapo uzata por ludi perkutinstrumentojn. Vd tamburbastoneto, batilo, broso.

**mandolino** *mandolin.* Pirforma Iltaldevena kordinstrumento kun kvar aŭ ses kordoparoj. Ludata plektre.

**marakoj** *maracas.* Tenilhavaj globoj plenigitaj per semoj, ŝtonetoj aŭ simile. Oni kutime uzas ilin duope skuante ilin per la manoj kiel ritmajn instrumentojn. Gravaj en Latin-Amerika muziko.

**marimbo** *marimba.* Instrumento simila al ksilofono. Ekzistas en diversaj grandoj. La pli grandaj havas resonancajn tubojn sub la lamenoj. Vd balafono, vibrafono.

**mastra** *laŭtecregilo,* mastro master volume control. Instrumenta amplifilo havas ofte plurajn laŭtecregilojn. Unu ĉefa, mastra, kaj po unu por ĉiu kanalo de la amplifilo.

**mastrobendo, mastro** *master tape.* Tiu, de studia laboro finrezulta (rul)bendo, laŭ kiu oni faras vendeblajn albumojn.

**membrano, tamburmembrano** *drum head,* drum skin. Tiu, antaŭe haŭta sed nun preskaŭ ĉiam plasta, membrano , kiun oni streĉas sur la aperturojn de tambura korpo, kaj kiu batite donas la tamburan sonon. Vd bata membrano, fronta membrano, funda membrano.

**metronomo** *metronome.* Aparato (mekanika aŭ elektronika), kiu faras ritman klakon en konstanta, sed algustigebla rapideco. Uzata ekz. dum instrumenta trejnado. Vd klakokanalo.

**mikrofono** *microphone.* Ilo, kiu ŝangas sonon al elektraj ondoj, uzata por kapti la sonon de voĉo aŭ instrumento kai sendi gin al ekz. amplifilo. Vd dinamika, kondensila, kontakta mikrofonoj.

**miksilo** *mixer*. Aparato, kiu ricevas sonon en pluraj kanaloj. Per la miksilo oni kunmiksas ilin al unu, aŭ, stereofonie, al du, kanaloj, ĝustigante la relativajn laŭtecojn. Miksiloj estas uzataj en studioj, en alpublikaj sonsistemoj ktp. Vd amplifilo.

**orgeno** *organ.* Muzikinstrumento kun klavaro, pedalaro kaj tuboj, tra kiuj aero estas blovata. En populara muziko oni uzas ĉefe elektrain (sentubajn) orgenojn, plej fama el kiuj estas la hamondorgeno. Nuntempe oni ofte faras la orgensonon per sintezilo.

**oscililo** *oscillator.* En sinteziloj la tonoj (kiuj konsistas el vibroj = osciloj) estas kreataj de elektraj osciliolj. Vd tensiregata oscililo.

**pedala ŝtalgitaro** *pedal steel guitar*. Kompleksa elektra kordinstrumento, muntita sur tabulo kun kruroj. Havas pedalojn kaj stangojn, per kiuj oni reagordas dumlude. Ludata per ŝtala glitilo, la ŝtalo, kiu kreas la karakterizan sonon. Uzata ĉefe en kantrio. Vd glitgitaro, Havaja gitaro, ŝtalgitaro.

**pedalo** *pedal.* 1 Mekanismo, kiun oni manipulas perpiede. Ekz. pedalo de bastamburo, piano, ĉarlestono. 2 Surplanka efektilo ŝaltata piede.





# SONGAZETOJ

## SONGAZETO

Ekzistas pluraj manieroj aŭskulti kaj tiel praktiki espon, ekz-e en esporenkontiĝoj, en radio, ktp. Sed ankaŭ en **Songazetoj**.

**Songazeto** estas bonega portilo por disvastigi informojn kaj muzikon.

En tiu ĉi rubriko ni provos prezenti kaj malkovrigi al vi diversajn el tiuj *songazetoj* kiuj atingas nian redaktejon.

## *INTERNACIA NEŬTRALA BULTENO SONANTA*

De multaj jaroj aperas *Esperanta Songazeto,* realigita en **Kanaria Insularo** (Hispanio). Ni ricevis kopiitan ekzempleron, sed la sonkvalito estis malbona, verŝajne pro la kopiado. Krom tio, ni ne havas pliajn detalojn (pri nek la ofteco, nek la eldonkvanto, nek la abonkondiĉoj, ktp.). Respondecas pri ĝi **Adamo Goralski**. Informojn kaj provekzempleron vi povas peti de la ĉefredaktisto:

**Adam GORALSKI**
**General Fanjul 17-1D**
**ES-38006 SANTA CRUZ DE TENERIFE**
**Hispanio**

## *NAJTINGALO*

*Najtingalo* estas azia songazeto, vere impona kaj sufiĉe kvalita (tio dependas de la bazaj sonmaterialoj senditaj al la redaktisto).

Ĝi enhavas interesajn prezentojn de aziaj landoj, de la vivmanieroj kaj de la lingvoj de la lokaj loĝantoj, intervjuojn, etnan muzikon, espomuzikon, ktp.

Ĝin akompanas tekstokajereto aŭ flugfolio, kie estas klarigoj, enhavo, kaj la tekstoj de la espomuzikaĵoj.

Ĝis nun aperis naŭ numeroj tre bone produktitaj (kelkaj eltiraĵoj povas esti uzitaj ekzemple por radioprogramoj, ekz-e tio okazis en la espoprogramo de **Radio FMR** en Tuluzo).

La plej freŝa, n-ro 9, de *Najtingalo* enhavas:

En flanko A: «Prezento de Vjetnamo kun vjetnamaj muzikoj», «Prezento de la tertremo de Kobe (Japanio)», «Kantoj de **Jozsef Dinnyes** kaj **Kajto**».

En flanko B: «Prezento de **Eurokka** kaj ĝiaj aktivaĵoj», «Intervjuo de plej juna ĵurnalisto», «Prezento de la kataluna ĉefurbo **Barcelono**», «Muzikaĵoj el *Vinilkosmo-Kompil'* Vol.1».

Unuopaj numeroj kun tekstaro kaj sendo kostas 20 NLG.

Informoj, kontribuaĵoj, sonmaterialo (kiel eble plej kvalita), kaj mendoj sendendas al la respondeca redaktisto:

**Reza KHEIR-KHAH**
**C.P.O.Box 405**
**JP-100-91 TOKYO**
**Japanio**
**Tel./faks +81 (3) 38.33.34.90**

## *SON-ROK-GAZET'*

Delonge ni esperas produkti *Son-ROK-gazet'*-on, kiu pli riĉe «bildigos» la enhavon de nia *ROK-gazet'*. Klopodon promesis **Fabrico** cele al blinduloj -kaj baldaŭan efektiviĝon trafos! Rapide post la apero de tiu ĉi numero, ni ekfaros la 90-minutan kasedon, kies prezo restos kiel eble plej malalta. Interesitoj kontaktu **Eurokka**-n.



# RADIO RLOGOJ

**Radiolobias Bruno MASALA:**

## LA MUZIKO KAJ LA VOĈO DE ESPERANTO

### dank' al niaj radio-stacioj

Miru! Eĉ viajn orelojn vi povas espigi: ne nur per diskoj kaj kasedoj, sed ankaŭ per radioricevilo. Ne timu: se vi permesas ke esplingvaj radioprogramoj vartu ilin, ili ne verdiĝos. Sed eble vi vin demandadas: kion diable indas aŭskulti ĉe verdaj radioj?

Nu, la oferto estas vasta: ĉinaj popolkantoj, mezeŭropaj politikaĵoj, rokmuziko, astronomiaj prelegoj, sudamerikaj ritmoj, esponovaĵoj, via nomo (se vi skribos), ktp. Kaj vi ĝuos la voĉon de bonaj parolantoj de nia kara lingvo: tio ege helpas por fluigi la propran lingvouzadon.

Ree miru! La ricevado de internaciaj stacioj estas pli facila ol oni kutime kredas. Kompreneble, se vi ne posedas taŭgan aparaton, vi devos riski la aĉeton de ĝi, t.e. minimume cent ekuoj. Sed post kelkaj provoj vi rapide alkutimiĝos, kaj tiam vi ne komprenos kiel vi povis antaŭe vivi sen aŭskulti la voĉon de espo en radio.

## KELKAJ STACIOJ

Inter la ĉefaj internaciaj stacioj ni citu kvar: **Ĉina Radio Internacia**, **Radio Havana Kubo**, **Radio Aŭstria Internacia**, **Pola Radio Varsovio**. La du unuaj estas riceveblaj tutmonde: PEKINO parolas en espo ĉiutage; HAVANO dimanĉe.

**Radio Varsovio** estas aŭdebla nur en Eŭropo po unu horon ĉiutage (eĉ unu horon kaj duonon dimanĉe). Laŭ la eldonkvanto, ĝi estas nia plej granda stacio. (Laŭ la elsendotempo, **Ĉina Radio Internacia** superas VARSOVIOn, ĉar kvarfoje ĝi elsendas ĉiutage sian duonhoran programon.)

VIENOn oni ne plu ricevas ekster Eŭropo de kelkaj monatoj, sed antaŭe ĝi estis kaptebla tutmonde: tio ja estas skandalo, kaj se vi deziras reagi, skribu nacilingve al la intendanto de la stacio, kiu tiel mutigis sian esporedaktejon (prof. Paul LENDVAI, Intendant ÖRF-internacia, A-1136 WIEN, Aŭstrio).

## KIEL?

Por ricevi tiujn staciojn, kaj aliajn, vi bezonas kurtondan radioricevilon (taŭga por OC, SW...). Plej multaj stacioj elsendas per pluraj frekvencoj al iu mondparto, kaj indas provi ĉiujn enskribitajn frekvencojn. Aldone, kelkaj el tiuj frekvencoj ŝanĝiĝas dum la jaro: do oni devas esti regule informita. Krome, precipe en Eŭropo, nova teknologio jam de kelkaj jaroj sursceniĝas: satelita ricevado. Ĝi utilas kaj por televido kaj por radio. En Eŭropo, tutaparte konsilinda estas la kaptado de la nova bukedo de **EUTELSAT**, je 13 gradoj oriente. Lokiĝas tie kvardeko da eŭropaj TV-kanaloj, kaj kelkdeko da radiostacioj. Inter ili, jam du stacioj kiuj elsendas en espo: VARSOVIO kaj VATIKANO. Kaj, se oni bone lobios, estu certaj ke venos aliaj.

Nu, satelita ricevado bonkvalitas kiel loka elsendo pere de FM! Kaj la persatelitaj elsendoj de **Pola Radio** daŭras kvin minutojn pli ol la kurtondaj: dum tiuj plusaj momentoj, aŭdiĝas multaj espokantoj, kun cito de la kantisto, aŭtoro, kaj eldonejo.

## LOKAJ STACIOJ

Satelito estas uzita por dissendi esprogramon ankaŭ en Aŭstralio: fare de **Radio 3.ZZZ**. Tiu ĉi, kvankam reelsendita en la tuta landego Aŭstralio, fakte estas loka stacio de la urbo MELBOURNE, kie ĝi estas disaŭdigita per FM. Muzikistoj kaj kantistoj nepre sendu siajn surbendigaĵojn al **Radio 3.ZZZ**, kiel cetere al ĉiuj lokaj esporedaktejoj.

Ĉu en via urbo jam ekzistas loka esprogramo? Informiĝu. Tiuj lokaj elsendoj (almenaŭ parte en nia lingvo, kaj parte en la etna) ja ekmodas. Kaj ili tre gravas kiel varbiloj kaj vartejoj de novuloj por la espokomunumo.

Se vi deziras mem krei tian elsendon, unue bone informiĝu pri la diversaj lokaj stacioj de via regiono. Se vi trovas eblecon por tion realigi, petu trejniĝon ĉe fakuloj, kiaj **Flo** kaj **Rikardo** (aĉetu de ili kasedon kun **surbendigita** elsendo de *Esperanto-Magazino* de TULUZO).

Tiel vi espigos ne nur viajn orelojn, sed ankaŭ vian buŝon, fariĝanta radioredaktisto!

Bonan aŭskultadon!

## FREKVENCOJ

Ekzistas kvin diversaj ricevrimedoj:

1. **Kurtonde**, la plej tradicia rimedo por longdistancaj elsendoj: indikoj per ondlongeco (en metroj) kaj frekvenco interkrampe (en **kHz**, kilohercoj).

2. **Satelite**, por kontinenta kaj transkontinenta elsendado (postulas specifan aparataron): indikoj konsistas el tri partoj:
   - Nomo de la satelito kaj ties pozicio (ekz-e **Eutelsat II** f1 13° E [13 gradoj oriente]).
   - Nomo de la (televid)kanalo (eventuale) kaj (nepre) ties frekvenco kaj polarizado (ekz-e **MBC**, **11,554 GHz** horizontala polarizado = **Hpol**).
   - Frekvenco de la aŭda subportanto (ekz-e **7,74 MHz**).

3. **Mezonde**, por kontinenta elsendado: indikoj per frekvenco en kHz.

4. **Longonde**, por regionaj elsendoj: indikoj per frekvenco en kHz.

5. **FM**, frekvenca modulado, por lokaj elsendoj: indikoj per frekvenco en MHz.

## SATELITAJ FREKVENCOJ

- POLA Radio: Eutelsat II-F6 13° E, TVPolonia 11,476 GHz Hpol, aŭda 7,56 MHz.
- VATIKANA Radio: Eutelsat II-F1 13° E, MBC 11,554 GHz Hpol, aŭda 7,74 MHz
- FINNA Radio: Eutelsat II-F1 13°E, DWF 11,163 GHz Vpol, aŭda 8,10 MHz. (Dum la UK en Tampereo, oni raportas en esperanto.)
- RAI internacia (Roma ):Eutelsat II-F6 13°E, RAI Due 11,445 GHz VPol, aŭda 7,56 MHz. (Espereble oni baldaŭ elsendos ankaŭ la espelsendon.)

## ADRESOJ

POLSKIE RADIO 5

**POLA RADIO**

**ESPERANTO-REDAKCIO**

**00-977 Varsovio, poŝtfako 46, Pollando**

telefonnumeroj: (+48-2) 6459-358; 6459-337 (11.00-13.30h.)
faksnumeroj: +48-2 645-5917; +48-2 645-5919; +48-22 444-123

Elsendas unu horon ĉiutage, kurtonde k satelite, en Eŭropo. S-ro **Andrzej PETTYN** kaj s-ino **Barbara PIETRZAK** donas informojn pri la espomovado ĉiutage dum la










DESEGNIS MARTIN WEICHERT






posttagmeza elsendo, kaj amplekse dum dimanĉvespera ekspreso. Estas entute multaj informoj pri espomovado kaj -kulturo. Disaŭdigas multajn kantojn kaj muzikojn dum la lastaj kvin minutoj elsendataj nur per satelito.




**Radio Havana Cuba**
Esperanto-Redakcio
P.F. 6240
LA HABANA
Kubo
Tel./Faks+53 (7) 79.50.07
aŭ+53 (7) 33.87.29
Telekso 51 1344 rhc cu s-ino Lourdes LÓPEZ
Elsendas 30 minutojn dimanĉe (kvinfoje), kurtonde, en la tuta mondo.




**Ö.R.F. ~ Radio Aŭstria Internacia**
Esperanto-Redakcio
AT-1136 WIEN
Aŭstrio
Tel.+43 (1) 82.46.294
+43 (1) 878.78.3630 aŭ 4404
E-poŝto: info@rai.ping.at
s-ino Katinjo FETES-TOSEGI

Elsendas dudek kvin minutojn dimanĉe (dufoje), kurtonde, en Eŭropo. Multaj fakaj kaj sciencaj informoj; ampleksa leterkesto.




**Ĉina Radio Internacia**
Esperanto-Sekcio
CN-100866 BEIJING
Ĉinio
Tel. +86 (1) 609.23.81
+86 (1) 851.14.28
Elsendas tridek minutojn ĉiutage (kvarfoje), kurtonde, en la tuta mondo. Bonvenigas ĉiuspecan materialon kaj tre afable respondas al siaj aŭskultantoj. Multaj kulturaj programoj, kurso pri la ĉina lingvo.




**RAI Internacia**
Esperanto-Redakcio
C.P. 320 Centro Corr.
IT-00187 ROMA
Italio




**Radio 3.ZZZ**
Esperanto-Redakcio
P.O. Box 1106
COLLINGWOOD, VIC 3066
Aŭstralio
Tel. +61 (3) 94.15.19.23 aŭ 19.25
+61 (3) 94.15.18.18
Eldonas unu horon dimanĉe, FM, Melbourne kaj 150 km ĉirkaŭe, angla-esperanto. S-ro Svetislav KANAĈKI (tel. 98.07.95.73) kaj s-ino Jennefer BISHOP (tel. 98.18.73.58). Bonvenigas ĉiujn informojn pri espomovado, kasedojn kun muziko, kantoj, aŭ intervjuoj. Telefoni dim. 2200-2400 UTC al la redaktejo, aŭ ĉiutage inter 0700 kaj 1000 UTC al la privataj numeroj. Sendependa stacio kiu vivas dank' al membrokotizoj. Elsendas en multaj etnaj lingvoj. Aŭstraliaj espistoj membriĝu kaj subtenu.

Inter multaj aliaj, la sekvaj lokaj radiostacioj dissendas espomuzikon. Viaj kuraĝigaj kaj informaj alskriboj aprezatos.

**Fréquence 4 (92.2 Mhz)**
Esperanto-Redakcio «La Ponto»
67 cours Le Rouzic
B.P. 36
FR-33015 BORDEAUX CEDEX
Francio

**Punt 6 Radio (104.6 Mhz)**
Esperanto-Redakcio «La Internacia Voĉo»
Rabal de Rabuster 7
ES-43204 REUS, Katalunio
Hispanio

**Radio FMR (89.1 Mhz)**
Esperanto-Redakcio
BP 2435
FR-31085 TOULOUSE CEDEX
Francio.

**Radio Kanalsud' (92.2 Mhz)**
Esperanto-Magazino
40 rue Alfred Duméril
FR-31400 TOULOUSE
Francio

**Radio Okcitanio (98.3 Mhz)**
Esperanto-Magazino
60 rue Assalit
FR-31500 TOULOUSE
Francio




**Radio Clara (102.6 Mhz)**
Esperanto-Redakcio
C/ Hospital 2-7 (5)
ES-46001 VALENCIA
Hispanio

Malgraŭ la milito, **Radio Sarajevo** ne ĉesis elsendi. Informoj kaj muzika materialo bonvenas al:
**Internacia Kultura Servo**
**«Por Esperanto-Redakcio de Radio Sarajevo»**
P.K. 499
HR-41000 ZAGREB
Kroatio
aŭ faksante rekte al la radio: Faks: +387 (71) 455.141

Interalie, tiuj ĉi radiostacioj helpas **Eurokka**-n kaj *ROK-gazet'*-on, diskonigante nian agadon kaj elsendante espomuzikon. Gravas danki kaj subteni ilin: skribu, sendu informojn kaj viajn produktaĵojn; ili estos dissenditaj tutmonde.

**Distanca Ŝaltilo** estas Internacia Aŭskultado-Klubo sendependa pri espo en radio en Brazilo. Ĝi eldonas informilon *La Voĉo de Esperanto* destinitan ĉefe por instigi radioaŭskultadon (konsiloj, teknikaĵoj, DX, radioamatorismo, ktp.). Tiu ĉi faka asocio vigle kunlaboras en **AERA**. Respondecas pri ĝi:

**Marcelo Luiz BRASIL**
**Rua Prof. João Doetzer 33**
**BR-81.540.190 CURITIBA - PR**
**Brazilo**

## Radiadas Floréal MARTORELL:

# RADIO-AKTIVADO

Dum tuta tago mi aŭskultas radion (hejme, en la aŭto, en la laborejo). Ofte mi promenadas sur la frekvencaro por trovi laŭ momento kaj emo kiel eble plej interesajn informojn aŭ muzikon. Por amaso da homoj radio fariĝis ĉiutaga necesegaĵo.

Mi spertis ke aŭskulti radion estas interese, informplene, kaj plezurige, sed ke fari radioprogramon malantaŭ mikrofono estas multe pli aktive, ekscitige, kaj pasiige. De pasiva radioaŭskultanto mi fariĝis aktiva radioprogramanto. Fakte, kiu ajn muzikŝatanto kiu havas kroman pasion (ekz-e espon) havas la ingrediencojn por kapable produkti radioprogramon. Certe tiaj homoj troviĝas en ĉiuj espokluboj kaj -asocioj. En ĉiuj grandaj urboj, eĉ en multe malpli grandaj abundas lokaj radiostacioj.

Aktivuloj de tiuj espokluboj kaj -asocioj tre facile povas kontakti tiujn radiostaciojn por proponi espoprogramon (kies enhavo povus esti espinformoj, iniciado al la Internacia Lingvo, konsciigo per laŭtemaj diskutoj pri lingvoproblemoj, intervjuoj de espistoj, muziko, gazetrecenzado, ktp.).

Oni konstatas ke tio eblas (TULUZO, BORDOZO, REUS, VALENCIO, VÄSTERÅS, SARLANDO, MONTAUBAN, BEOGRAD, ESCHWEILER, PARIZO, ROMO, ktp.).

Radioprogramo pri espo (eĉ nur en nacia aŭ regiona lingvo) estas tute neneglektinda, kaj ĝi vere povas helpi en la diskonigo de espokulturo, -vivo, -lingvo.

Pli kaj pli da tiaj espoprogramoj stariĝas; tio estas vere instiga.

Antaŭ kelkaj monatoj, kunordiga asocio **AERA** (**Amikaro de Esperanto en RAdio**) naskiĝis, kaj dank' al ĝi nun videblas ke la afero iĝas pli kaj pli serioza.

La rolo de espoprogramoj en lokaj radiostacioj gravegas. Tiusence, de kiam **AERA** ekzistas oni sentas ke io moviĝas pozitive: informoj atingas la lokajn radiostaciojn, ĝis nun izolitajn. Fakte, per la kunordiga laboro de AERA, vera reto instaliĝas efektivigante interŝanĝojn kaj kunlaborojn. Eĉ ideo ŝvebas pri kreado de sekcio de radioredaktistoj en **TEĴA** (**Tutmonda Esperanto-Ĵurnalista Asocio**) cele interalie al pli efika informdisvastigado.

Finfine per modernaj komunikiloj progreso atingas espon.

Ĉio ĉi povas kuraĝigi vin por pretigi projekton pri espoprogramo en radiostacio(j) de via urbo.

Vi ne estas sola: vi povas peti konsilojn kaj helpon de **AERA** kaj de la diversaj radiostacioj. Ne hezitu! Petu frekvencaron, adresaron, kaj samtempe aliĝilon al:

**AERA**
**p/a Bruno MASALA**
**2 rue des Vignes**
**FR-57530 COINCY**
**Francio**
**Tel. +33 87.76.63.94**
**Faks +33 87.32.03.00**

Kiu scias? Eble ankaŭ vi de radioaŭskultado aliros al radioprogramado.

# HASTE-KLAĈE

## KEF-umu AŬGUSTE 1996!

La preparoj por venonta **KEF** (Kultura Esperanto-Festivalo) komenciĝis kaj certe ĝi estos almenaŭ tiom bonega kiom la 4-a (legu en *ROK-gazet'* n-ro 6). Ĝi okazos de la 6-a ĝis la 11-a de aŭgusto 1996, kiam **Kopenhago** estos la «Eŭropa Kultururbo».

Do, ekde nun notu tiujn ĉi datojn en vian kalendaron.

Vi ne bedaŭros partopreni tian ĉi espokulturan eventon. Neforgeseblaj tagoj, plenaj je diversaj eroj de la internacia diaspora kulturo, en eksterordinara etosego kaj belega nordia urbo atendas vin. Nepre nemaltrafinda okazaĵo kultura la plej elstara en Espujo!

Kulturaj aguloj sin proponu urĝe (rokbandoj, kanzonistoj, teatro- kaj pupteatrotrupoj, klaŭnoj, ĉiaj espartistoj). Informoj, programoj, aliĝiloj haveblas ĉe:

**KEF-sekretariejo**
**p/a Jacob NORDFALK**
**Rådmandsgade 53, 2.th**
**DK-2200 KØBENHAVN N**
**Danio**
**Tel.+45 31.83.82.20**
**E-poŝto: Nordfalk @ Fys.ku.dk.**

## MICHAEL JACKSON ~ ĈU EN LA LINGVO DE ZAMENHOF?

Depost pluraj monatoj oni aŭdas kaj legas pri la nova albumo, *HIStory* de **Michael Jackson**, duobla kompakta disko kun multaj malnovaj kaj kelkaj novaj kantoj de tiu senkoksa kantostelegulo. Laŭdire, akompanu kaj reklamu la albumon du filmetoj («klipoj», por la anglomaniuloj) ~ kaj kun espaj vortoj, dankon.

Kelkaj el ni restis trankvitâj ~ ni memoras ke antaŭ tridek jaroj oni laŭte proklamis ke la **Beatles** estis kantontaj en espo... sed evidente tio neniam realiĝis. Ĉu **Jackson**, kiu jam ĉion posedas de **Elvis Presley**, ankaŭ superposedos la **Beatles**?

**Flo** pretendas ke li jam vidis tiujn filmetojn televide ~ kaj ke neniun internacilingvan vorton li aŭdis ~ nur vortojn en tiu alia sinproklamanta internacia lingvaĉo. Li surbendigis ilin, sed ankoraŭ ne montris.

Aliflanke, **Diana Soest**, Germanio, skribis en *Eventoj* (1/junio 95) ke ankaŭ ŝi povis spekti, la 6-an de junio ĉe **MTV**, **parton** de la filmetoj (ĉar la tuta ne estis ankoraŭ preta), kaj ŝi ja aŭdis vortojn en espo, kaj tute klaraj, laŭ ŝi. Ekz-e: «Diversaj nacioj de la mondo konstruas ĉi tiun skulptaĵon en la nomo de tutmonda patrineco kaj amo kaj la kuraca forto de muziko.» Ja tion oni ne povas inventi....

Ĉu la filmeton oni unue planis fari en espo, sed poste ŝanĝis? Ĉu la filmeton oni povas spekti en espo nur en Germanio, sed en Francio nur en la angla? Ĉu iu povos heligi tiun ĉi misteron?



## ĈU BONA REZULTO?

Kiu legis la ĉefartikolon de **Flo** en la sesa numero de *ROK-gazet'*, tiu certe rimarkis lian plendon ke al ĉirkaŭ 1.000 demandaroj senditaj tra la Movado, estis nur 100 reagoj. Tion ja rimarkis s-ro **Germain PIRLOT**, Belgio, kiu skribis al ni por diri ke fakte temas pri bona rezulto: laŭ komercaj firmaoj, kontentiga cifero estas ĉ. 3%!

## ĈU TRO AĈA?

Alian reagon ni ricevis pro la floa ĉefartikolo, ĉifoje de **Ĉina Esperanto-Ligo**: «Traleginte *ROK-gazet'*-on, mi tuj sentas konsciencriproĉon en mi, ĉar mi (fakte nia Ligo) ja estas tiu kiu regule ricevis vian gazeton, sed 'ne dankas'. Pardonon, ni silentas ne pro malĝentileco aŭ pro ĝia aĉeco. Verdire via gazeto estas plaĉa al ni. Kiam ĝi atingis nin, ni ĝin ne nur tralegis, sed ankaŭ studis. Ni lernis el ĝi multajn terminojn pri muziko, sciiĝis pri novaj informoj en rokmuzikrondo tra la mondo.» Subskribis **ZHU Mingyi**, vicĝenerala sekretario de **Ĉina Esperanto-Ligo**.

Se ankaŭ vi havas konsciencriproĉon, ne plu hezitu skribi al ni!

## M.O.J.

Tio estas la titolo de kompakta disketo eldonita de **Micke Englund** de **Amplifiki**.

Ĝi enhavas du kantojn: «Tomas Brolin», kanto en la sveda, kies temo estas famaj futbalistoj. Kantas **Micke** mem

La dua kanto estas «Vi». Ĝi estas instrumenta kun sentekstaj korusaj voĉoj de **Micke** kaj **Juhani Haavisto**. Ŝajnas ke ankaŭ **Bertilo Wennergren** de **Persone** iel kontribuis, ĉar lia nomo aperas en la titolo «Tomas Brolin» (certe klarigojn poste donos **Micke**).

Tiuj kiuj volas plenĝui la gitarsonojn kaj melodiojn de **Micke** trovos tie du versiojn (jam konataj por espistoj «Dario» kaj «Vi»), bone ellaboritajn kun plaĉega kaj kvalita sono.

Foje **Dire-Straits**-aj koloroj tremetigetos viajn orelojn kun plezuro.

Informoj kaj la KD-eto haveblas ĉe:

**Micke ENGLUND**
**Love Almqvistsväg 8**
**SE-11253 STOCHOLM**
**Svedio**
**Tel. +46 (8) 618.59.24**




## ZAMENHOF-aj KONDOMOJ

En Belgio aperis disketo kun jena titolo: «Zamenhof... Metu vian kondomon, mia kamarad'.»

Neniu alia informo aperas. Ĉu iu scias pli?




## KAJTA KANTLIBRO

**Kajto** ĵus pretigis kantlibron de ĉiuj espokantoj aperintaj en la albumoj *Flugdrako, Procesio multkolora,* kaj *Tohuvabohuo.* Tie troviĝas ankaŭ la kanto en *Vinilkosmo-Kompil'* Vol.1, «Ansero ~ vanelo».

**Kajto** profitis la inviton al la UK por starigi turneeton tra Skandinavio: **Wilhelmshafen** (DE), **Nibe** (DK), **Göteborg**, **Falköping** kaj la **Rättviu-festivalo** (SE), **Turku**, **Festivalo en Pietarsaari**, kaj la UK en **Tampereo** (FI).

## ESPERANTO-EKOLOGIAKULTURO

La **Ekologia Kultura Fondaĵo** de **Centra Okcidenta Brazilo** organizis **Ekologian Festivalon pri Esperanto-Kanzono.** Ŝajnas ke partoprenis multaj espartistoj famkonataj (ekz-e **Flávio Fonseca**) kaj tute novalvenantoj el Sudameriko. Pliaj informoj haveblas ĉe:

**Fondação Eco-Cultural do Centro Oeste**
**Caixa Postal 246**
**BR-78600.000 BARRA DO GARÇAS - MT**
**Brazilo**
**Tel. +55 (65) 861.12.27, 861.22.15,**
**aŭ 861.32.44**
**Faks +55 (65) 861.18.64**





## FANTASTA MUZIKTEATRAĴO

*Nelajsia* estas muzikteatraĵo, aŭdvida kvadrofonia spektaklo de **Bobo Kantor**, la klavar-muzikisto de la slovaka rokbando **Team'**. En la spektaklo interese interplektiĝas elementoj de teatro, filmo, kaj koncerto.

Jen nova teatra ĝenro.

Pluraj tiaj spektakloj okazis, entute dek du nur por **Martin**, la urbo kie lokiĝas **Bobo**. La publiko vere entuziasmis, kaj estis bonegaj eĥoj en la gazetaro, radio-, kaj televidstacioj kiuj raportis pri ĝi.

Sep muzikaj eltiraĵoj de tiu spektaklo eldoniĝis sur KD-albumo ĉe **Tommü Records**. La tuta spektaklo prezentas imagitan landon aŭ planedon. Ĝi konsistas el dek kvin imponaj originalaj muzikkomponaĵoj de **Bobo Kantor**, iom laŭ la stilo de **Vangelis** aŭ **Jean-Michel Jarre**.

Impresojn de kvadrofonia muziko obligas arta filmo sur granda ekrano (artaj bildoj, maro, universo, koloraj komputilaj animaĵoj). Sur arta scenejo ludas aktoroj, moviĝas reflektoroj kaj laseroj, nebulo, vaporo, bonodoroj. Sur ekrano aperas poeziaj tekstoj (ili povas esti en espo aŭ en kiu ajn lingvo).

La ŝveba etoso estas muziko el klavaroj kaj sinteziloj, sed ne enhavas tekstojn, nur kelkfoje aperas korusoj de sintezitaj voĉoj.

Informoj haveblas ĉe la manaĝero:

**Stano MARĈEK**
**Zvolenská 15**
**SK-036.01 MARTIN**
**Slovakio**
**Tel./faks +42 (842) 371.45**




## ESPOROKMUZIKO EN ADELAJDO

La lokaj organizantoj de la UK en **Adelajdo** en 1997 esperas ke kelkaj esporokgrupoj partoprenos la kulturan programon de la kongreso.

Ĉu eblos al la LKK organizi turneon por tiuj rokbandoj (tra Aŭstralio, Nov-Zelando, Nova Kaledonio, Singapuro...?).

Tiuj kiuj pretas tien aventurumi, sin proponu al Margo Furness: aŭ al Max Wearing:

| al Margo Furness: | aŭ al Max Wearing: |
|---|---|
| **P.O.Box 2605** | **30 Wesbury Street** |
| **KENT TOWN, SA 5071** | **HACKNEY, SA 5069** |
| **Aŭtralio** | **Tel.+61(8)362.53.38** |
| | **Faks+61(8)231.29.90** |

## SAMCHILLIAN TIP TIP TIP CHEEEPEEEEE

Leon GRUENBAUM kreis kaj surmerkatigis propran muzikilon, *la Samchillian Tip Tip Tip Cheeepeeeee.* Li bedaŭrinde ne klarigas la signifon (se entute) de tiu nomo. Ĝi estas mikroprocesila MIDI-kontrolilo kiu konektiĝas inter komputilo kaj sintezilo por facile krei ĉiuspecan muzikon. La ununura limo de tiu ĉi aparato, laŭ la kreinto, estas la imagpovo de la uzanto! **Leon** ludas la *Samchillian* ktp. en bando **Quinoa** kun drumisto **Marty BELLER** en nov-jorkaj kafejoj. Informiĝu ĉe:

**Leon GRUENBAUM**
**Gruenbaum Research**
**96 Saint Mark's Place, Suite 2**
**NEW YORK, NY 10009**
**Usono**
**Tel.+1 (212) 475.53.63, ext. 4**



## ROCKER: LA UNUNURA TUTROKA REVUO DE RUMANIO

Prezentas Joĉjo:

Jen la ununura revuo de Rumanio tute dediĉita al rokmuziko. Ĉi tiun 10.000-ekzempleran rumanlingvan publikigaĵon kreitan en 1990 gvidas **Doru IONESCU**, redaktisto ankaŭ de la gvidhoraro *Panoramic Radio-TV.* La dudeka numero, sendita al *ROK-gazet',* enhavas 32 paĝojn tre ilustritajn, tamen ne mankas tekstoj. La bandoj pritraktitaj estas preskaŭ ĉiuj usonaj, sed eblas ekscii ankaŭ pri rumanaj artistoj.

Fakte, *Rocker* havas klaran interesiĝon pri metalroko (**Guns 'n' Roses** kaj aliaj famaj bandoj), rapidmetalo, kaj mortometalo. Inter la plej konataj: **AC/DC**, **Slayer**, kaj aliaj kiaj **Nuclear Blast** kaj **Cathedral** (ĉiuj ĉi usonaj). Ne troviĝas ekzemple artikoloj pri punkaj aŭ hardkoraj bandoj, sed estas dupaĝa «Special Seattle», kiu parolas pri lastatempaj tieaj bandoj mondfamaj (ĉu necesas mencii **Nirvana**-n aŭ **Pearl Jam**-on?). Nek troviĝas informoj pri popmuzikaj bandoj, sed pro tio ĉu ni plendu?

**Rocker**
**Doru IONESCU**
**P.O. Box 63-141**
**RO-71200 BUCURESTI**
**Rumanio.**




## FRATOJ PO

**Fratoj PO** (Bratja PO) estas ukraina rokbando. Ĝi kreiĝis en 1991 en la ukraina urbo NIKOLAEV, kaj konsistas el **Sergej BUDIKIN**, **Oleg BELOZJOROV**, **Viktor RUBAN-ZADOLSKIJ**, kaj **Vadim SARNICKIJ**. Laŭ ĝia direktisto-produktisto **Jurij MININ**, la bando diferencas de similaj per originalaj stilo kaj tekstoj. En 1991 la bando sukcese koncertadis en Ukraino, en 1992 en Danio. La bando eldonis albumojn *Reĝo de simioj* (1993) kaj *Seksema sorĉistino* (1994). Profesia nivelo kaj alta majstreco portis al la bando sukceson en mallonga tempo. Populareco inter junularo estis konkerita helpe de komprenemo de ties problemoj, deziroj, kaj vivmaniero. Atesto de la sukceso estas admirantoplenaj koncerthaloj. **Fratoj PO** estas nova spiro en rokmuziko, vera impreso kaj vigla energio. (Laŭ ilia propra informo.) Kontakto ĉe:

**All-Ukrainian Musical Union, NRD Fund**
**s-ro Jurij MININ**
**P.O.B. 155**
**UA-327030 NIKOLAEV**
**Ukrainio**
**Tel. +7 (305.94.63) 583.57**

## MUZIKAJ SKALOJ, MODOJ, KAJ GAMOJ

**Johan-Petro** (**Jean Pierre**) estas gitarinstruisto. Lia muzika pedagogio baziĝas sur la gamoj. Lia sistemo (kiun li inventis) celas malfermi kun pli da simpleco la muzikan mondon.

**Johan-Petro** proponas klarigojn per geometriaj grafikaĵoj kaj ciferoj, vera iniciato pri harmoniaj modoj plej diversaj, kiu malkovrigas pliajn sonojn.

Li verkis libron kun franclingvaj klarigoj. Lia espokono ne sufiĉas al li por traduki tiujn fakajn klarigojn, pro tio li ŝatus renkonti espomuzikiston kiu povus helpi lin fari la tradukojn en esperanton. Li jam trasskribis sur partituron per tiu sistemo la kanton de **Amplifiki**, «Mi volas ŝin». Interesatoj kontaktu lin jene



**Jean Pierre POULIN**
**7 rue Jules Ferry**
**FR-37110 CHATEAU-RENAULT**
**Francio**
**Tel. +33 47.29.53.90**

## SUBVENCIO POR ROKBANDOJ KIUJ KANTAS EN PROPRA EŬROPA LINGVO

Kun la subteno de la flandra registaro kaj kun la ŝtatmono de la **Festivalo de Flandrio** (klasika muziko) kiel patronado, koncertorganizantoj en Flandrio kiuj programas bandojn kiuj kantas en la propra eŭropa lingvo ricevos estonte monsubtenon.

Do, se oni programos ekz-e danan bandon kiu kantas dane, aŭ francan muzikbandon kiu kantas france, eblos ricevi financan subtenon. Angla bando kiu kantas angle, tamen ne ricevos subtenon, ĉar tiu lingvo ne plu bezonas helpon. Per tio ili volas stimuli



bandojn kiuj kantas en siaj propraj lingvoj, ĉar tiuj troveblas ĉiam pli malfacile. Informo de *Stuurgroep 11-Daagse Vlaanderen-Europa*, tel. +32 (3) 216.37.24 en ANTVERPENO, Belgio. (Informas H. Deceuninck).

## WILL GREEN LANĈAS ALVOKON!

Post aŭskulto de *Vinilkosmo-Kompil'* Vol. 1, Will GREEN trovis ĝin elstara...: «Elstara pro ĝia montro de senkapableco de la muzikistoj en la rokmuzika sfero». Laŭ li, ĝi «sinkas profunden en la marĉo de talento, eĉ **Kajto** ne ŝajnis bona en tia akompano. Nur unu talenton ĝi montris: ke la pluraj grupoj bonege sukcesis imiti unu la alian tiel ke ili ŝajne estis nur unu sama grupo ludanta por ĉiu melodio. Pri melodio, apenaŭ unu notparo estis melodia, kaj harmonio mortis antaŭ ol ĝi estis naskita.»

Will plendas ankaŭ pri la kantoj: «Preskaŭ neniu voĉo eldiris la vortojn klare sur tiu kompilaĵo.»

Do, estas serĉataj talentoj: «Dum talentoj ne montros sin, volumo 2 de *Vinilkosmo-Kompil'* ne aperu!»

Will certe klarigos al vi kio estas talento kaj kiel bone kaj klare eldiri la vortojn de la kantotekstoj:

**Will GREEN**
**202 Dunkery Road**
**Mottingham**
**LONDON, SE9 4HP**
**Britio**

## ĈU *TBC* REVENOS BALDAŬ?

De tro longa periodo **TBC** silentas.

Jes! Ĉu vi ne memoras pri tiu subgrunda etnoblusbando el Hungario?

Ili eĉ eldonis kasedalbumon, *Unua frapo*, kiu furoris dum **IJK** en KERKRADE (NL) en 1989.

Laste, novaĵoj alvenis: la bando malaktivas momente pro foresto de **Balaĵ**, sed post lia reveno certe la bando reludos por tremigi viajn intimajn sentojn. Kuraĝigojn, instigojn, ktp. sendendas al

**Adrienn WOSPIL**
**Halomi ü. 61 B-IV/5**
**HU-1182 Budapest**
**Hungario**
**Tel. +36 (1) 29.54.176**

## TURNEORGANIZANTO SERĈATA

**Piĉismo** el Ukraino serĉas homon aŭ organizon kiu povas kaj pretas organizi turneon tra Eŭropo por la bando (legu pri la bando en rubrikoj ***Intervjuo, Kritikloj***, kaj ***Tute Ne Gravas*** de tiu ĉi numero).

**Piĉismo** tre vigle elpaŝas per ĝia provokema kaj kaosa punkkora brumuziko. Estas tre interese spekti ilin vive; turneo de **Piĉismo** povus esti sukcesa. Sendu proponojn al:

**Glebo MALCEV**
**Proletarskaja 71**
**UA-326520 CJURUPINSK**
**Ukraino**

## *SOLO*-a MUZIKAGADO

**Eduardo VARGAS GUTIÉRREZ (Solo)** daŭre muzikagadas. Li instruas muzikon (malrokan) en lernejo, kaj aperigis novan albumon en espo, *Vulkano* (vidu recenzon).

Nun li laboras pri alia aperonta albumo, *Miraklo*, en kiu li kantos en la hispana, angla, andaluza, kaj espo.

Per tiu ĉi projekto iom pli komerca li celas hispanan produktistan diskeldonejon.

La novaĵo estas ke por tiu ĉi onta albumo, li ne plu solas: kunestas gitaristo kaj basisto. La rezulto estas pli rokeca (teknoroka), tamen konservante tiun arabecan influon kiu karakterizas la personecon de la verkoj de **Solo**. La bando nomiĝos ne plu **Solo** (ĉar ja estos triopo), sed **Ritual Kuple**. Tamen ŝajnas ke li ne forlasos entute **Solo**-n. Dum li vivos, muzikos ankaŭ **Solo**. Pliaj informoj ĉe:

**Eduardo VARGAS GUTIÉRREZ**
**C/ Ayala 3**
**ES-29002 MALAGA**
**Hispanio**
**Tel.+34 52.34.32.96**

## *TAM ECHO TAM* kaj ESPO

La belga muzikbando **Tam Echo Tam** kantas franclingvan kanton kun titolo «Espéranto», kaj ĝi eĉ aperis en la nederlandlingva belga **TV2 Stacio** dum la eŭropa balotprezentado de 1994. Eble ĝi decidos iam kanti espe. Jen adreso:

**«ASBL Bizarmony»**
**M Valérie LECOT**
**M Alami L**
**11 rue des Grands Carmes**
**BE-1000 BRUXELLES**
**Belgio**
**Tel. +32 (2) 520.51.68**



## DISIĜOJ KAJ KUNIĜOJ EN TULUZO

**La unua disiĝo:**

Ni tristas en TULUZO, ĉar preskaŭ samtempe disiĝis la du esporokbandoj je kiuj ni esperis. Malfeliĉaĵo, ĉu ne?

Unue, la **Rozmariaj Beboj**, post sesjara kariero relative sukcesa, ĉefe en Francio, sed kun turneoj en Belgio, Germanio, Svisio, Polio, kaj Ĉinio, kun du albumoj, kaj kun aperoj en diversaj kompilaĵoj alternativaj kaj eĉ espaj!

**Jomo**, la espisto de la bando, forlasis TULUZOn por translokiĝi al Polio kun sia pola espistina edzino **Irena** kaj filineto **Marta**. Tie li planas instrui la francan kaj komenci novan muzikan karieron. Li daŭre kantos en pluraj lingvoj kiel en la **Rozmariaj Beboj** (pole, france, espe, ktp.). Li jam planas partopreni la duan volumon de *Vinilkosmo-Kompil'* per regea muziko.

Kompreneble en Polio li serĉos muzikistojn por akompani lin. Bonvenigu **Jomo**-n en lia nova vivo eksterlandana ĉe jena adreso:

**Irena kaj Jean-Marc GOC-LECLERCQ**
**ul. Biala 6**
**PL-43215 JANKOWICE**
**Polio**
**Tel. +48 (3) 111.51.21**



**La dua disiĝo:**

La **Bruemaj Najbaroj**, kiuj estis ekfamiĝantaj en TULUZO, kaj ĝuste pro tio iuj muzikistoj de la bando ne eltenis (pro familiaj kaj profesiaj kialoj). Bedaŭrinde ili lasis malmulton.

Tamen antaŭ definitive malaperi ili decidis surbendigi siajn plej bonajn muzikaĵojn en profesia studio. Estos verŝajne ebla peti kopion de tiu surbendigaĵo al **Stéphan**.

**La unua kuniĝo:**

Nova bando ekkaptas la scivolemon de la tuluza publiko; ĝi nomiĝas **Superpop**.

Ĝi konsistas el tri anoj: **Éric «La Freneza Hundo»** (eks-**Rozmariaj Beboj** - gitaro kaj kantado), **Stéphan** (eks-**Noisy Neighbours** - basgitaro kaj ĥoro), kaj **Olive** (eks-**Spodee o Dee** - drumo).

Ili mem difinas sin «... kia melodia punk-hardkora bando, stile simila al **Sugar** aŭ **Bad Religion**. Iele, ni konstruas muron de energiigita sono, veldita melodie. Niaj tekstoj estas socipostulaj, poeziaj, kaj priamaj. Nia muziko donas al ni la esencaĵon: plezuron.


Superpop: Eric kaj Stéphan

Kaj ni esperas ke tio estas dividita kun ĉiuj.» **Stéphan** planas daŭre kanti ankaŭ en espo, do kun **Superpop** ni daŭre havos «oficialan» espobandon en **Tuluzo!** Adreso:

**Stéphan BERTHOLIO**
**6 passage des Frênes**
**FR-31240 SAINT-JEAN**
**Francio**
**Tel. +33 61.74.13.71**

**La dua kuniĝo**

Dume, **«El Rubio»**, eksdrumisto de la **Rozmariaj Beboj**, ne perdis sian tempon. Li rapide trovis novan bandon starigitan de angloj en MONTAUBAN (norde de TULUZO). **The Unsound** jam surbendigis kvintitolan kasedon; ĝi sonas tre rokpopeca en la angla. Honesta rezulto kiu promesas por ili bonan ontumon. Demokasedo havebla ĉe:

**The Unsound**
**Tony SMITH**
**18 rue des Augustins**
**FR-82000 MONTAUBAN**
**Francio**
**Tel. +33 63.66.15.34**




## *TAM-TAM* KAJ LA MUZIKRETO

*Tam-Tam* estas nova kaj aparta muzika fervorgazeto (fangazeto) en la rokmedio. Efektive ĝi estas legebla nur per komputiloj tra la informadikaj retoj, kiuj trateksas la tutan planedon. Tiu ĉi gazeto, eldonita franclingve, informas precipe pri rokmuzikaj novaĵoj (sed ankaŭ pri malrokaj), t.e. intervjuoj de grupoj, okazontaj koncertoj kaj raportoj pri ili, artikoloj rilatantaj ekzemple al radioelsendoj (normalaj aŭ satelitaj), KD-presado, muzikejoj, muzikaj partituroj, ktp, ktp. Kaj nun mi havas la ĝojon anonci al vi ke de la komenco de la jaro 1995 aperas dulingva rubriko (en la franca kaj en espo) pri esporokmuziko, konsente kun la redaktestro de **Tam-Tam**. Se vi deziras komputile legi tiun ĉi gazeton, ekzistas pluraj rimedoj:

- Konektiĝante al **BBS** *(Buletin Board System)* per komputilo kaj modemo, kaj tra la servo **Blue Suede Shoes** (tel. +33 (1) 53.79.01.44) aŭ **Rock' n' Jazz** (tel. +33 (1) 40.54.86.04).
- Konektiĝante al la fama internacia reto **INTERNET**, en la FDN-arkivoj, tra la adreso ftp://ftp.fdn.fr/library/Tam-tam/tam9503d.zip (en tiu ĉi ekzemplo, 95 estas la jaro, 03 la monato, kaj la **Winword**-formato).
- Uzante francan minitelon tra la servo **3615 PICKUP** en la rubriko *Sendependa* kaj en la subrubriko *Tam-Tam*. Respondecas pri la dulingva esporokrubriko nome de **Eurokka**:

**Yves BACHIMONT**
**27 lot. Saint Guilhem**
**FR-82100 CASTELSARRASIN**
**Francio**
**Tel. +33 63.32.36.59**

Bonan legadon al ĉiuj rokaj komputemuloj!

## 2-A PENJO FRIDELHAJN LA 9-AN KAJ 10-a de septembro 1995

«Penjo»? Temas pri renkontiĝoj, ekz-e semajnfinoj, kie oni unu al la alia proponas kantojn, trovitaĵojn, kaj proprajn tekstojn.

Per nia «penjo» ni volas kunigi malgrandan rondon de homoj memverkantaj aŭ -interpretantaj espokantojn, kiuj volas proveti ilin inter geamikoj. Eble estas iuj ĉe vi komencintaj verki sed ĉe kiuj survoje pereis la kuraĝo por tio.

Ni ne havas programon, sed jes ilaron: du gitarojn, unu dekdukordan gitaron, unu mandolinon, sonteknikaĵojn (KD-ilo, duobla kasedilo, mikrofono), komputilon (PC kun *Word*, printilo), kuirejon kun forno, vortarojn, rimvortaron.

Vi kunportu: tekstojn kaj muziknotojn, malplenajn kasedojn, espomuzikon, muzikilojn; kaj krome manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, dormilojn.

Kotizpago nulo: ni kunumos. Aliĝu telefone ĉe **Claudia**: +49 (30) 444.04.27; aŭ ĉe **Bendi**: +49 (30) 291.61.60 (ambaŭ en BERLINO). Se absolute necesas, skribu al:

**Torsten BENDIAS**
**Libauer Str. 6**
**DE-10245 BERLIN-FRIEDRICHSHAIN**
**Germanio**

# ANONCETOJ

La Internacia Asocio **Monda Turismo**, faka asocio de **UEA**, estis fondita en 1970 en VIENO. Ĝi organizas renkontiĝojn, kursojn pri esperanto kaj turismo, kaj pere de ĝia turisma servo **Esperantotur** ĝi organizas busvojaĝojn tra Eŭropo, ekzemple al la **Universala Kongreso** en TAMPERE. **Monda Turismo** havas reprezentantojn kaj kontaktulojn en okdek kvin landoj. Informiĝu ĉe:

**Monda Turismo**
**Ul. M. Sklodowskiej-Curie 10**
**PL-85094 BYDGOSZCZ**
**Polio**
**Tel. +48 (52) 41.57.44**
**Faks +48 (52) 46.00.82**
**Telekso 56.28.44 mtur pl**
**UEA-kodo: iamt-i**




Ankaŭ **Hungaria Esperanto-Asocio** havas turisman servon, **Espertur**, kiu organizas renkontiĝojn kaj vojaĝojn. Informiĝu ĉe:

**Espertur**
**Hungaria Esperanto-Asocio**
**Andrássy út 27**
**Pf. 193**
**HU-1368 BUDAPEST**
**Hungario**
**Tel. +36 (1) 268.03.06**
**Faks +36 (1) 268.03.31**

Se vi havas malmulte da tempo, se vi ne povas viziti lingvokurson, se vi mem volas difini vian rapidecon en la lernado, partoprenu la **Internacian Korespondan Lingvokurson** de progresantoj. La partoprenkotizo diferencas laŭ la jara nacia enspezo. Ekzemple por nederlandanoj ĝi kostas 150 NGL, por hungaroj 40 NGL, por brazilanoj 36 NGL, por pakistananoj 12 NGL, aŭ egalvaloron.

Se vi ne povas transpagi, aŭ pagi, kaj tamen vi ŝatus perfektigi vian lingvoscion, skribu al ni kaj ni klopodos trovi solvon por vi.

La kotizo estas pagenda post ricevo de la unua taskofolio al nia konto ĉe UEA aŭ al la Hungara Nacia Banko. Informiĝu ĉe:

**HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO**
**Pf. 193**
**HU-1396 BUDAPEST**
**Hungario**

**Alvoko** - homaranoj, registrigu senkoste vian adreson en **Tutmondan Homaranistan Adresaron!**

La mondkonata verkisto **Umberto ECO** diris: «Kompare kun aliaj projektoj de internacia lingvo, malantaŭ esperanto staras iu ideologio, kio klarigas kial ĝi eltenis dum la aliaj fiaskis. Ekzistas esperanta 'religio' kiu igas homojn lerni kaj paroli la lingvon, dum ne ekzistas 'religio' de volapük aŭ de ido. La anglan oni lernas nuntempe pro praktikaj kaŭzoj. Sed povas ekzisti ideaj instigoj kiuj decidigas lerni lingvon, kaj ili estas fortaj.» «Mi uzis la vorton *ideologio* en tre larĝa senco: aro de ideoj, de opinioj.»

**Zamenhof** skribis: «**Lingvo Internacia** havas la celon krei inter la gentoj neŭtralan ponton en rilato *lingva*; la **homaranismo** volas krei tian saman ponton en ĉiuj rilatoj. La **homaranismo** estas nur plifortigita **esperantismo**, kaj ĉiuj tion ĉi sentas, kvankam ne ĉiuj volas tion ĉi laŭte diri.»

**Info-Servo** celas ebligi kontakton inter ĉiuj kiuj interesiĝas pri **homaranismo**. Tial ni preparas **Tutmondan Homaranisman Adresaron**. Se vi deziras registrigi vian adreson en tiun ĉi adresaron, bv. sciigi vian adreson al:

**Info-Servo**
**Bismarkstr. 28**
**DE-35037 MARBURG**
**Germanio**
**Tel. +49 (06421) 258.56**

## KORESPONDEMAS

Korespondemulojn diversaĝajn el ĉiuj landoj, por gejunuloj serĉas:

**Esperanto-Societo «Hr. KOZLEV»**
**P.K. 61**
**BG-5180 POLSKI TRAMBEŜ**
**Bulgario**

Bezonatas ankaŭ diversspecaj espeldonaĵoj, afiŝoj, ktp. por starigo de ekspozicio.

## SERĈATAS

Mi serĉas ekzempleron de la kompakta disko *Wereldwijd één stem* (parte en espo) de **Rob DE NIJS**, ref. CDR-127.47.52-EMI. Prezo interkonsentota. Kontaktu:

**Herman DECEUNINCK**
**Kluisstraat 22**
**BE-1500 HALLE**
**Belgio**

Ankaŭ la redaktejo de *ROK-gazet'* serĉas sciojn pri **Rob DE NIJS**. Ĉu eblas al vi doni informojn pri li? Kion precize li faras en la espomuzika medio? Ĉu vi povas helpi por trovi lian adreson?

Ni antaŭdankas ĉiujn kiuj povos direkti informojn al nia *ROK-gazet'*-redaktejo.

## INTERŜANĜOJ KAJ KORESPONDADO

**Luda** estas 13-jara. Ŝi deziras korespondi pri lernado, muziko, kaj vojaĝoj. Ŝi atendas vian respondon:

**Luda Nazaruk**
**ul. M. Ĵukova 8b-5**
**RU-626440 NIĴNEVARTOVSK, Siberio**
**Rusio**

**Tanja**, **Elvira**, **Alina**, **Marina**, **Ludmika**, kaj **Irena**, junulinoj samlernejaninoj en Siberio, ŝatas rokmuzikon kaj deziras kontaktojn kaj interŝanĝojn:

**Interklubo Esperanto**
**«Juna grupo»**
**RU-626440 NIĴNEVARTOVSK, Siberio**
**Rusio**

## INTERŜANĜO

**Georgo** interŝanĝas tutan senmankan kolekton de numeroj de *Fonto* de komence ĝis jaro 1988, kontraŭ sonmaterialoj (kasedoj, KD-oj, aŭ diskoj de espomuzikoj) aŭ valutoj. Interesatoj kontaktu:

**Georgo CSÜLLÖG**
**Mikszáth Kálmán 34**
**HU-5530 VÉSZTŐ**
**Hungario**

## GEJ-TRANSLOKIĜO

**GEJ** fermis la oficejon en BONN kaj translokiĝis al BERLIN. Tamen la oficejo de BONN ne perdiĝis por la espomovado: ĝi estas transprenita de **Tejo** por malfermi «**EJO**»-n (**Eŭropa Junulara Esp-Oficejo**).

GEJ havas multajn projektojn. Por informiĝi kontaktu:

**Germana Esperanto-Junularo**
**Chausseestr. 8**
**DE-10115 Berlin**
**Germanio**
**Tel./faks +49 (30) 283.43.20**
**e-poŝte: neffets@cs.tu-berlin.de**

## NOVA REDAKTISTO DE *GEJ-GAZETO*

**Thomas** transprenis la taskon redakti *GEJ-Gazeton*. Sendu viajn informojn kaj kontribuojn al:

**Thomas Händel**
**Besselweg 200**
**DE-48149 MÜNSTER**
**Germanio**
**Tel. +49 (251) 86.86.53**
**e-poŝte: handel@uni-muenster.de**

## NOVAĴOJ EL SAMARKANDO

**Samarkandaj** espaktivuloj preparis unuan espolernolibron (kun dek du lecionoj kaj vortareto). Por eldoni ĝin bezonatas helpo de la internacia espistaro.

Ankaŭ estas serĉataj partneroj, kunlaborantoj, kaj subtenantoj por havigi materialon al la muzeo.

Helpemuloj kontaktu la:

**Internacia Muzeo de Paco kaj Solidareco**
**P.O.Box 76**
**UZ-703000 SAMARKAND**
**Uzbekistano**



ROK-RETO

## «KORESPONDIDEZIRAS...»

Glebo MALCEV serĉas espajn punkojn por korespondado kaj interŝanĝado de muzikproduktaĵoj. (Legu la artikolon pri **Piĉismo**.) Adreso:

**Glebo MALCEV**
**Proletarskaja 71**
**UA-326520 CJURUPINSK**
**Ukrainio**

## BONVENON EN LA ROK-RETON, KAJ KURAĜON AL:

**Teresita Inés ALANíS**
**Hipólito Yrigoyen 2578, 5° 30**
**RA-1090 BUENOS AIRES**
**Argentino**

**Dumarou MBATAKOUTCHA**
**«Windoplane Man»**
**B.P. 7684**
**DOUALA**
**Kameruno**

## PER LA HELPO DE NIAJ AMIKOJ

**Monhelpo**

Dankon al **Éric** pro lia monhelpo al *ROK-gazet'*. Li skribas: «Mi tre ŝatas *ROK-gazet'*-on, kaj por ke ĝi pluvivu, mi supozas ke ĉiu financa helpo estas bonvena.» Li pravas! Ne temas pri almozo, sed pri *konkreta kunlaboro*. Jen lia adreso:

**Éric COLLIGNON**
**Ausias March 46 A, 1º, 1ª**
**ES-08205 SABADELL, Katalunio**
**Hispanio**

**Redakta helpo**

**Yanic** (**Joĉjo**) estas studento kaj rokulo. Li helpis ĉe la redaktado de tiu ĉi numero de *ROK-gazet'*, kaj ni esperas ke estonte li daŭre aktivos:

**Yanic VIAU**
**75 rue de l'Église, app.103**
**LONGUEUIL, QC J4G 1H8**
**Kanado**

**Disvastiga helpo**

**Alfredo** estas sekretario de la **Bonaera Esperanto-Asocio** (Argentino). Li multe varbas kaj disvastigadas aktive informojn pri eldonaĵoj de **Eurokka** kaj espomuziko:

**Afredo Juan VALLE**
**Gurruchaga 2205- 5 - 25**
**AR-1425 BUENOS AIRES**
**Argentino**
**Tel./Faks+54 (1) 832.47.32**

**Agada helpo**

**Vladimir** estas rokmuzikŝatanto kaj li agadas kadre de espoklubo kie li regule instigas kaj organizas kulturajn esparanĝojn. Li disvastigas laŭeble esporokmuzikon. Informmaterialo bonvenas ĉe:

**Esperanto-klubo «Laro»**
**Prezid. Vladimir BESPALOV**
**a.b.-a.j. 913**
**RU-354000 SOĈI**
**Rusio**
**Tel. +7 (862) 997.22.81**
**Faks +7 (862) 92.04.45**
**aŭ +7 (862) 92.87.30**
**Telekso 19.11.11**
**PTB SU ESPERANTO**

**Subtena helpo**

**Max Wearing**, fervora subtenanto de la agado de **Eurokka** kaj esporokmuziko cele al la junularo, partoprenos la organizadon de **UK** en **Adelajdo** en 1997. Eble kun **Margo Furness** li sukcesos programi esppop- kaj rokkoncerton, kaj kial ne turneon? Sendu viajn proponojn al:

**Max WEARING**
**30 Westbury Street**
**HACKNEY, SA 5069**
**Aŭstralio**
**Tel.+61 (8) 362.53.38**
**Faks+61 (8) 231.29.90**









## Plej freŝaj produktaĵoj en la katalogo! Petu ĝin ...

# ABONU !

---

## ROK-Gazet'-abonilo

**EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio**
**F-31450 DONNEVILLE**
**Francio**
**tel. +33 61.81.95.65**

Abono kostas 100 FRF, 35 NLG aŭ 21 IRK
(20 NLG aŭ 12 IRK aŭ egalvaloro por netranspagpovulo)
kaj validas por 4 numeroj.

Familia nomo : ______________________
Persona nomo : ______________________
Asocio : ______________________
Adreso : ______________________
______________________
______________________
______________________
Tel/faks : ______________________

- Mi deziras aboni ekde n-ro : __________
- Mi desiras ricevi la n-rojn : 1■ 2■ 3■ 4■ 5■ 6■ 7■
  (po 25 FRF, 8.75 NLG, 5 IRK)
- Mi deziras reaboni ROK - gazet' on.
- Mi sendas 100 FRF per ĉeko aŭ poŝtmandato (nur porFrancio).
- Mi sendas 35 NLG aŭ egalvaloron per internacia poŝtmandato al EUROKKA.
- Mi sendas 35 NLG per UEA-konto al EUROKKA (UEA-kontkodo : rokk-b).
- Mi sendas 20 NLG por netranspagpovuloj al peranto de ROK - gazet' aŭ la esp asocio de mia lando.
- Mi sendas 21 IRK (internaciajn respondkuponojn) aŭ 12 IRK por netranspagpovuloj al EUROKKA.

Dato kaj subskribo :

Presejo : SACCO 10 rue Gazagne 31300 Toulouse FRANCIO tel : +33 61 42 03 30 faks : +33 61 59 43 06

Vinilkosmo



# MENDILO
# BON DE COMMANDE
# ORDER FORM

Resendu al
Retourner à
Return to:
Vinilkosmo/Eurokka
Esperanto-Rok-Asocio
FR-31450 DONNEVILLE
Francio/France
Tel/Fax 33 61.81.95.65

N-ro

Via kontakto preslitere/ Vos coordonnées en majuscules/ Your name and address in capital letters:

**Familia nomo/ Nom/ Last name:**

**Persona nomo/ Prénoms/ First name:**

**Adreso/ Adresse/ Address:**

**Naskiĝdato**
**Date de naissance**
**Date of birth**

**Tel:**

**Fax:**

## VIAJ ELEKTOJ / VOS CHOIX / YOUR CHOICES

| Titoloj<br>Titres<br>Titles | Bandoj<br>Groupes<br>Bands | Referencoj<br>Références<br>References | Kvantoj<br>Quantités<br>Quantities | Unuopa prezo<br>Prix unitaire<br>Unit price | Sumo<br>Total<br>Total |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |
| | | | | | |

Fotokopiu tiun ĉi mendilon por venonta mendo

**Sumo de via mendo**
**Total de la commande**
**Amount of the order**

Pagmaniero/ Mode paiement/ Means of payment:

Subskribo/Signature:

**+ Sendokostoj**
**+ Frais de port**
**+ Postage**

Dato de via mendo
Date de votre commande
Date of your order

**Totala sumo**
**Montant total**
**Total amount**

**Vidu kondiĉojn dorsflanke/ Voir conditions au dos/ See sales conditions on the back**

